# Indekso



*Tiu-ĉi libro estas destinita al jam tute spertaj uzantoj de nia Internacia Lingvo, kiuj povas eventuale profiti el ĝi.*

*Komencantoj male detenu sin de aplikado, je risko konfuzi esencon kaj akcesoraĵon.*

# SISTEMO



**Kálmán Kalocsay (1891-1976)**

**la Praavo de Arkaika Esperanto**

# 1. PRAVIGO

## 1. Aldonoj al la Fundamento

Nature estiĝinta kaj longatempe disvolviĝinta lingvo, parolata de multenombra anaro, akiras ekstrajn facetojn au manierojn de uzado, kiujn lingvistoj nomas "socio-lektoj", "registroj", aŭ "lingvoniveloj". Temas pri dialekto, slango, kaj pralingvaĵo.

Iniciatanto de planlingvo, kiu servu kiel tutmonda inter-komunikilo — ajne ĉu de skemisma (apriora) aŭ de naturalisma (aposteriora) tipo — kompreneble ne okupas sin pri tiaj kromaj facetoj, se entute li konscias pri ili. Ankaŭ nia karmemora Majstro Zamenhof ilin ne atentis; estas jam giganta entrepreno ellabori "nur" la bazan koineon* kaj igi tiun en praktiko vivikapabla.

Sed, post la cent jaroj de ekzisto, firmiĝado, kaj utiligado de Esperanto, kiuj sukcesis produkti eĉ tute propran beletron kapablan rivali kun nacilingvaj majstroverkoj, mi pensas ke alvenis epoko en kiu oni povas kaj rajtas turni la atenton ankaŭ al la menciitaj lingvofacetoj. Nome por la eventuala utiligo en okazoj kie tradukarto aŭ originala verkado ilin bezonas, kio estas en okazo de kontrasto inter la lingvospecoj, sed ne kaj nepre ne por endanĝerigi la purecon de Esperanto !

Por tiu celo mi ellaboris tri koncernajn projektojn, respektive: Popido (por dialekto), Gavaro (por slango), kaj Arkaika Esperanto (por pralingvaĵo). Nepre neniu el tiuj intencas, aŭ eĉ kapablas, difekti la Fundamenton aŭ ion en ĝi ŝanĝi, jam pro la simpla kaj natura fakto ke ili ne povas roli kaj vivi se ne jam pretus tiu Fundamento, sur kiu ili estas konstruitaj kvazaŭ etaĝoj sur jama ternivela domo. Legantoj do ne saltu al la miskonkludo ke mi reklamas tri novstilajn rivalojn aŭ reformojn de la fundamenta Esperanto !

Por tiu kiu deziras pli ampleksan kaj detalan pritrakton pri miaj tri proponoj, mi referencas al mia anglalingva kontribuo "Planning nonstandard language" en la profesi-nivela kompilaĵo *Interlinguistics, aspects of the Science of Planned Languages,* sub redakto de d-ro Klaus Schubert [Trends in Linguistics nr.42 – Mouton De Gruyter, Berlin 1989]. Ankaŭ, en tiu aŭ alia Espo-biblioteko oni povus ankoraŭ trovi vegetantan ekzempleron de miaj relative konfuzaj unuaj proveldonoj pri Arkaika Esperanto kaj Popido.

Verdire, estas ankoraŭ kvara lingvoregistro, certe plej grava en nia epoko aktuala, regata de sciencoj kaj teknikoj, nome tiu de la faklingvaĵo, de la t.n. "lingvo por specialaj celoj". Tiu timiga defio, kiun devas fronti gentaj lingvoj kaj planlingvoj sendistinge, meritas tute apartan pritrakton ĉar dekoble pli ampleksa kaj kompleksa ol ĉiuj ceteraj aspektoj de la homa lingvo kune. En nia verda planlingvo ĝi havas la aspekton de organizado de sciencaj greklatinaj terminoj, kerno de nia agaca 15-a Regulo pri Fremdvortoj, kiuj terminoj estas kiel puloj en la pelto de Esperanto, kaj por kiu problemo mi same ellaboris apartan terminfaradan projekton. Sed tiun mi nur mencias, ĉar nun temas sole kaj ekskluzive pri pralingvaĵo por Esperanto.

Atendeble, iuj ĝisostuloj emocie elkrios ke tiu entrepreno estas vana kaj vanta, absolute nebezona, danĝera por nia kara lingvo, kaj ke mi postĉasas ĥimerojn. Tamen, mi neniel estas la unua kiu kirlas tiun lakton ! Poste mi citos kelkajn kiuj antaŭiris min, kaj kiuj aŭ nur fingromontris al reala ekzisto de tia problemo aŭ eĉ sugestis eblan solvon. Ili estas inter la plej eminentaj verduloj.

Tamen unue permesu al mi skizi kiel la afero jam konstateble prezentas sin en naciaj lingvoj, rilate al arkaikiĝo.

## 2. Kio konkrete ŝanĝiĝas ?

Ĉiu lingvo ŝanĝiĝas tra la jaroj, kvankam tiuj ŝanĝiĝoj okazas preskaŭ nepercepteble, tiel malrapide ke necesas almenaŭ jarcento por distingi iun tempan "dividlinion" inter du distingeblaj formoj de la sama, unuavice en la vortoj, duavice en la esprimoj, kaj fine en la gramatiko. La fenomeno do plej bone estas distingebla en lingvoj kiuj disponas longan skriban tradicion, ĉar tiukaze oni povas kompari hodiaŭan tekston al tia el donita historika epoko. Ju pli fore en la pasinteco, des pli malsama ĝi aspektos. Eĉ ĉe tieldire "primitivaj" triboj aŭ ĉe delonge subpremataj gentoj, kiuj ne disponas aŭ ne rajtas disponi propran skriban lingvon, la situacio estas malpli neta, sed komparante ĉe ili parolon de maljunulego kun tiu de junulo, oni tamen povas rimarki fajnajn deviojn en uzado de vortoj kaj esprimoj.

- Unuavice aperas kaj malaperas <u>la vortoj</u>, jen pro simpla malapero de la koncerna nocio (vort-morto) jen pro apero de nova nocio (vort-naskiĝo), jen pro venko de unu sinonimo super alia. Ekzemple, en forte industri-igita regiono forgesiĝas terminoj iam uzataj en la antaŭa agrokultivado. Kiam uzino kun amas-produktado elpuŝas el la merkato simplajn metiistojn, ties ilaro forgesiĝas kaj la nomoj kune. Malmultaj Francoj ankoraŭ konas la vorteton *sape* kiu aludas mezgrandan, tre kurban falĉilon; malmultaj Angloj ankoraŭ scias kio estis kaj al kio utilis *tindel* (tindro). En normala vortaro oni vane serĉos tradukon aŭ klarigon pri la franca substantivo *languière*, kiu en antaŭscienca epoko estis arboforma stativo de kies ĉiu "branĉo" pendis amuleto supozata protekti kontraŭ tiu aŭ alia veneno en manĝaĵoj. Malaperis la objekto, malaperis la vorto. Pro alveno de la komputora erao, nun jam svarmas terminoj kiuj antaŭ kelkaj jardekoj entute ne ekzistis aŭ estis uzataj nur en la angla lingvo: *binara, interfaco, alfabetcifera, modemo, bito, dateno, informadiko*... En okcidenta Eŭropo ĝis antaŭ kelkdek

jaroj troveblis preskaŭ ĉiulingve ankoraŭ tiu aŭ alia formo de la radiko *reklam'* sed hodiaŭ, pro premo de usondevenaj entreprenoj, ĝin jam anstataŭas iun adapton de la radiko *promoci'*. Multaj verduloj jam kutimas diri *sponsoro, stalki*, kaj *soŭpo,* anstataŭ la hejmaj *mecenato, insidi,* kaj *felietono,* kio demonstras malscion aŭ malestimon. Kaj se resti en la eŭropa antaŭmilita epoko, jam anstataŭas *pojno, trajno, hospitalo, braceledo, ĝemeloj* la iamajn *manradiko, vagonaro, malsanulejo, ĉirkaŭmano, dunaskitoj.*

- Duavice emas devojiĝi <u>la signifo</u> de vortoj aŭ de esprimoj. En la nederlanda ekzemple, la verbo *aarzelen* origine signifis "poltrone iri malantaŭen" (en direkto de la *aars* = anuso), sed pro daŭra kaj multa uzado ĝi grade perdadis la komencan maldecan farbon por fariĝi egala al la dece konvena signifo "heziti", kvankam oni ankoraŭ klare detektas la vorteron *aars.* Simile okazas ĉe uzado de (fremd)vorto, kiun "ordinaraj" homoj emas imite transpreni de kleruloj aŭ de la lingve malzorgaj amaskomunikiloj, sen ĝusta kompreno pri la vera signifo, eĉ se ilia propra lingvo jam posedas tute adekvatan formon por tiu nocio. Kiu nuntempe ne scias pri la agresiva kaj senĉesa invado de senbezonaj usonismoj en ĉiuj ceteraj lingvoj ? En la sama lingvo mi tiel aŭdis iun malkleran metiiston ofte diri *fiktief* ("fikcie") anstataŭ la ĝusta *effektief* ("efektive") por emfazi la verecon de unu el liaj multaj asertoj.

- Triavice oni trovas ŝanĝiĝojn en <u>la prononco</u> de vortoj. La tre malnova ĝermanida vorto *knight* en la angla, kiu signifas "kavaliro", iam prononciĝis |kniĥt| sed en moderna tempo |najt|.

- Kvare, en tiu sama sulko kompreneble modifiĝas ankaŭ <u>la ortografio</u> de vortoj:: la nunaj francaj *brebis, hôtel* (por ŝafino kaj hotelo) iam skribiĝis *brebix, hostel,* dum latina *parabola* (parolo) fariĝis *palabra* en la hispana. Tiu-ĉi speco de modifado tamen renkontas kutime ankaŭ plej fortan kontraŭstaron, tiele ke povas ekesti

grava diferenco inter skribmaniero kaj prononcmaniero. Tio pleje frapas en ege konservemaj lingvosocioj kiaj la angla kaj franca. Famkonata estas la moka kritiko de G.B. Shaw ke la anglan vorton *fish* oni devus skribi *ghoti,* tial ke *gh* aperas kun valoro |f| en vorto kia *laugh,* dum *o* kun valoro |i| en vorto kia *women,* kaj *ti* kun valoro |ŝ| en vorto kia *nation.* Ekstrem-okaze povas ŝanĝiĝi eĉ la skribsistemo aŭ la literaro mem, kiel demonstras transiro de la turka ek-de araba al latina alfabeto, dum inverse la persa sistemo al araba literaro.

- Finfine aperas devioj eĉ en la gramatiko. En la angla iam ekzistis ĉiuj deklinaciaj kazoj kiuj hodiaŭ ankoraŭ vivas en la germana (nominativo, akuzativo, dativo, genitivo) sed hodiaŭ, escepte en fiksaj esprimoj, oni praktike renkontas nur la nominativon. Specialistoj pri la ĉina deduktas en tiu tamen izolnatura lingvo kie vortoj estas principe tute ne aliigeblaj (per derivado), en antikvaj tempoj posedis deklinacian sistemon. Simil-aĵojn oni vidas en konjugaciaj formoj, kiuj entute mal-aperas aŭ akceptas (pli regulan) formon. Ekz. la nederlandaj iamaj verbaj pasintecoj *woei, ried* (vent-blovis, konsilis) — kiuj ankoraŭ estis uzataj en mia propra junaĝo — nune laŭtas *waaide, raadde* pro analogio kun *draaide, maaide, baadde, waadde ...* Pro ĉio-ĉi necesas piednotoj kaj la studoj de fakuloj (filologoj) por komprenigi al ni modernuloj la signifon de antikva dokumento aŭ poezio, eĉ interne de unu sama lingvokomunumo.

Grandaj majstroverkoj de koncerna literaturo pro tiu senĉesa modifado riskus malaperi en la ombroj de la tempo: germana *Nibelungenlied,* itala *Divina Commedia,* franca *Chanson de Roland,* nederlanda *Elckerlyc,* hispana *El Cid,* kaj tiel plu. Por savi ilin de forgeso, oni do tradukas ilin al aktuala lingvoformo, por ke aktualaj homoj ekkonu sian kulturan heredaĵon. Sed la etoso de tiu antikveco tiam estas perdita, escepte se oni ekstudas la originalojn.

## 3. Arkaikaj tekstoj ene de aktuala lingvo

Lingvoformo el longe mortinta epoko tamen ne necese mortis por ĉiam, kune kun la homsocio kiu ĝin uzadis, sed ĝi ludas rolon ankoraŭ en nia hodiaŭa modernega tempo, kiu ajn estu la motivo por tiu rolado. Por tiaĵojn malkovri, la leganto devas nur fari konscian atenton al la fenomeno en sia propra kulturo, se li ankoraŭ ne familiariĝis kun ĝi sur lerneja benko. La krestomatia parto de tiu-ĉi verko prezentas selekton el tiaj modeloj.

Ankoraŭ, ni devas klare distingi inter "redono de la antikveco mem" kaj "redono de la aspekto de antikveco." Notu ke sociolingvistoj certigas ke "ankaŭ la kodo (formo) estas mesaĝo", alifraze ankaŭ la uzata lingvo-speco foje enhavas en si mem komunikindajn informojn.

Emile Littré, fama franca filologo, filozofo, vortaristo, kaj politikisto, scipovis traduki la majstroverkon de Dante, la *Divina Commedia,* el 14-jarcenta itala al 14-jarcenta franca. Konjekteble unuparte por ekzerci siajn ne ordinarajn faksciojn kaj aliparte por demonstri ilin. Sed li produktis "nur kuriozaĵon", pro tio ke lian kleregan tradukon evidente kapablis legi sole nur liaj kolegoj-filologoj, ne la ĝenerala legopubliko.

Estas ĝuste pro tio ke la franclingva *Les contes drôlatiques* (La petolemaj rakontoj) fare de Honoré de Balzac, kiu estis aŭtoro el la 19-a jarcento, estas verkita en pseŭde arkaika lingvaĵo, memoriga pri Rabelais, kiu estis aŭtoro el la 16-a jarcento. Nome por (re)krei plejeble fortan analogion kun ties satiraj stilo kaj temaro. A.M. De Jong, kiu samstile tradukis tiun verkon nederlanden, rimarkigas tiurilate: "Pro timo resti nekomprenata de la legantoj en sia propra tempo, Balzac elektis iun hibridan formon (de la franca) kiu restis komprenebla sed tamen elvokis impreson de antikveco. Same aŭdacis fari mi en la nederlanda."

Idente agis la fama Walter Scott, verkante sian sukces-romanon *Ivanhoe* per dialogoj en arkaikeca stilo. Rimarkigas li: "Estas vere ke mi nek povas nek pretendas havigi

kompletan ekzaktecon rilate al detaloj de la vestaĵoj, kaj eĉ multe malpli al la ankoraŭ pli gravaj punktoj de lingvaĵo kaj moroj. Sed la sama motivo, kiu malhelpis min verki la dialogojn en aŭtente arkaika anglosaksona aŭ normanda franca, en latina aŭ greka lingvo, kaj kiu malebligis publikigi tiun-ĉi historian romanon kun aŭtente antikvaj litertipoj, man-skribitaj per pinta kano sur kvin rulaĵoj de pergameno, ligita al protekta cilindro kaj provizita per sigelo, tiu sama malhelpis min resti absolute precize inter la limoj de la periodo en kiu mia rakonto estas situigita."

Kaj Edward Bulwer Lytton, aŭtoro de la famkonata *The last days of Pompeii* opinias: "Ĉar la plej granda malfacilaĵo, en prilaborado de iu ne familiara kaj fordistanca periodo, estas igi la rolantojn `vivantaj' kaj `moviĝantaj' antaŭ la okuloj de leganto, tiu-ĉi bezono devas sendube esti la tutunua zorgo de verko de la jena fantazi-historia speco. Ĉiu elmontro de erudicio ĉe la aŭtoro devus esti konsiderata kiel nura rimedo servanta tiun-ĉi, la ĉefan, postulon de fikcia romano. La unua arto de poeto (la kreanto) estas ja: blovi vivospiron en siajn kreitaĵojn. Kaj nur dua estas igi iliajn parolojn kaj agojn konvenaj al la erao en kiu ili devas paroli kaj agadi."

Krom tiuj-ĉi modeloj el literaturo, aperas similaĵoj en kanzonoj kaj abunde en filmoj, kie do temas jam pri parolada arkaikeco ! Mi citos nur du el longa listo:

Angla televizia societo produktis por infanoj la felietonan serion *Catweazle* en kiu komika kaj naiva sorĉisto el tempo de la normanda invado (mila jc. PD) — kiu tial parolas tute eksmode — hazarde trafas en nian teknologian mondon pro fuŝa prononco de magia formulo. Okazas kompreneble miskomprenoj, pro tio ke la antikva heroo kaj juna knabo moderna parolas malsamajn lingvoformojn.

Inverse, en la franca sociokritika TV-serio *Le voyageur des siècles* (la Jarcentojvojaĝanto) rolas duopo de sciencistoj, kiuj per tempoveturilo provas ŝanĝi la francan historion, por ke ne estu okazinta la sanga Revolucio, instruante al Reĝo Louis XVI la uzadon de vaportekniko.

En ambaŭ tiuj kazoj la rolantoj aplikas jen arkaikan jen aktualan lingvaĵon por versimiligi la eventojn. En la dua kazo estas eĉ nepraĵo al la rolantoj paroli arkaike, por ke ili ne perfidu sin kiel fremduloj.

El tiuj-ĉi trafaj ekzemploj, de kiuj oni trovos eĥojn en la krestomatia parto, eliras ke antaŭ ĉio temas pri kreado de etoso pri arkaikeco, kaj ke fakte estas akcesora aŭ eĉ tute malgrava la demando ĉu la elektita formo estas lingvo-historie nepre fidela kaj aŭtenta, aŭ nur imita !

## 4. Tradukado al Esperanto

Se tiel statas, leviĝas konsekvence kaj nature la demando pri tradukado kaj originalverkado en Esperanto. Ni iom esploru ĉu planlingva adapto estas bezona aŭ almenaŭ utila kaj, se jes, ĉu ĝi estas realigebla; ne nur en principo sed ankaŭ en praktiko; kiam kaj kiel.

B.B. Bojesen en MONATO 2005/4 plendas pri la fojfoja senaverta aperigo de latinaj esprimoj en tiu periodaĵo: "Ĉu ĝi iĝas pli internacia per tio? Aŭ ĉu la artikolverkisto simple volas fanfaroni pri sia lingvoscio? (...) Se tiu fikutimo ne ŝanĝiĝos, mi instigos la mezafrikajn kontribuantojn proteste enmeti svahilajn vortojn en siajn titolojn."

M. Boulton en *Faktoj kaj Fantazioj*, ĉapitro "Diversaj Stiloj", lertege enformuligas raportojn pri okazinta evento, stile tute diferencajn laŭ la koncernaj rolantoj en tiu evento: viktimo, policano, kuracisto, krimulo. Ŝi eĉ provas meti slangon en la buŝon de la krimulo. Sed, kiel perfekta klasikulino, ŝi ne tre sukcesas pri ĉi-lasta, ĉar restante tute en la limoj de la Fundamento, kiu ja nur tre rudimente posedas tian sociolekton.

A. Cherpillod, nia eksterordinare talenta filologo kaj eseisto, pritraktis la fenomenon kaj (favore) miajn solvojn por ĝi en la "Lingva Rubriko" de *Le Travailleur Espérantiste,* jarkolekto 1981. Sed en 1998 li publikigis eĉ propran

arkaikecan tradukon de franc-akademiaj diskutoj el 1743 pri … fekado.

F. Faulhaber, la fama nederlanda gramatikisto kaj lingvisto, ankaŭ verkis serion da artikoloj, en kiuj li montris ke ie-tie en nia literaturo la menciitaj sociolektoj vere levis la kapon, kaj kiel la koncernaj aŭtoroj sin elturnis.

Ottó Haszpra tradukis "La Enfermita Reĝedzino", hungara novelo el la 16-a jarcento al supraĵe arkaikigita Esperanto.

K. Kalocsay enŝovis en sian majstran instrulibron por poetoj, *Lingvo, Stilo, Formo* neatenditan noveleton pri "Mezepoka Esperanto". En tiu humurplena rakonto (kiun oni trovos en la krestomatio parto), li donas tradukon de la plej malnova hungarlingva teksto, la t.n. "Mortoprediko" el la 12-a jarcento, en maniero kiu estas enhave ja satira sed lingvoteknike tute serioza.

N.V. Lozgaĉjof en raporto antaŭ la 2-a Urala Konferenco pri Planlingvoj, 1984, analizis la realigeblon de "Premisoj de esperanta slango", juĝante ĝin ebla.

E.S. Perevertajlo (?) en HEROLDO publikigis satiran artikoleton pri entrudiĝemo de la angla lingvo per komikaj slangaĵoj: "Anglismemo, ĉiulingva malvirto". Amuza kaj troiga rakonteto, sed tamen atestanta pri ekzisto de la fenomeno.

G. Waringhien, la nestoro de Esperanto, en sia *Lingvo kaj Vivo,* rilate al la unuaj provaĵoj de Zamenhof, skribis: "Estas sendube fantazio mia — sed, se iam, por iu aparta efekto, tradukisto (aŭ eĉ originala verkisto) bezonus doni la impreson de arĥaismo, ĉu ne estus dezirinde, ke li helpu al si per tiu malnova dialekto de Esperanto, kaj tiel oferu al la meritplena Moskva studento iom de la honoro, kiun ni ĝis nun tro ekskluzive rezervis al la Varsovia Majstro ?"

Jen nur la opinioj kaj faroj kiuj trafis mian okulon. Sendube troveblas ankoraŭ pliaj similaj atestoj pri ekzisto de sociolektaj problemetoj en Esperanto, almenaŭ rilate al

arkaika lingvoformo. Ili daŭre jen kaj jen aperas. Oni do bonvolu ne konsideri min kiel fantaziulon aŭ eĉ mond-fremdan frenezulon !

Tiel ni venas al la demando kiel kontentigi la okazan bezonon je arkaika sociolekto en nia internacia lingvo ?

Kompreneble, la supere granda ĉefaĵo estas transdono de la enhavo, ĝis eĉ 90%, por kio sufiĉas modernalingva traduko, tiel ke la restantajn dek pocentaĵoj — tiujn de la antikveca stilo — oni povas malestime ignori. En sama maniero kaj laŭ sama principo oni povas legi tradukon de la Biblio, Vedoj, Korano aŭ simila altaĝa verko en iu ajn aktuala lingvo, sen reala bezono je legado en originala greka, hebrea, sanskrita, araba ... Estas tio bonŝanco, ĉar aliakaze nia internacia lingvo ĝis hodiaŭ ne disponus tradukojn de tiaspecaj gravegaj verkoj, kaj tuta parto de la mondliteraturo — la historia, la malnova — poreterne restus al ni fermita.

Modeloj de malfideleco ĉi-rilate — kvankam en si mem beletre tre sukcesaj — ŝajnas al mi la *Hamlet* de William Shakespeare laŭ traduko de Zamenhof, la *Balado de Kontraŭdiroj* de François Villon laŭ traduko de Wouter Pilger, la bosnia popola balado *Hasanagaino* laŭ traduko de F. Janić, kaj similaj. Tute simple ĉar devus temi en tiuj-ĉi kazoj pri duobla transpontigo: ek-de la angla, franca, hispana, kroatserba al Esperanto, kaj ek-de malnova lingvaĵo al moderna lingvaĵo.

Iuj niaj tradukistoj, tamen sentante la mankon je "arkaika koloro" kaj de tio ĉagrenite, provis ŝtopi ĝin per apliko de almenaŭ antikva presformo, de malnovaj litertipoj, kaj aldonante historiajn ilustraĵojn. Laŭaspekte la gajno estas belimprese neta, sed tamen trompa, ĉar nur travestia. La teksto mem, la vortoj kaj gramatiko ne eviteble restas tiuj de la aktuala lingvaĵo. Sekve, sole nur traduko kӓj laŭ aspekto kӓj laŭ strukturo povas esti konsiderata tut-kontentige fidela al la originalo ... kondiĉe ke ĝi restu komprenebla por modernulo.

Renato Corsetti [vidu respektive la artikolojn *Lektoj* kaj respondleteron de Giorgio Silfer en *Koncize* n-roj 65 ĝis 69] — male konsideras la ideon pri eventuala planita redono de arkaikeco ankaŭ en Esperanto, kiel nuran ludon, kiel superfluan kuriozaĵon dë kaj pör fantaziuloj: "Provoj ellabori arkaikan Esperantolekton, per aldono de pli komplika finaĵosistemo, ŝajnas al mi kuriozaj amuzaĵoj, kiuj estas sendanĝeraj se oni konsideras ilin kiel simplajn amuzaĵojn. Per la sama procedo oni povus produkti ankaŭ kamparanan Esperanton, kaj multajn aliajn lektojn." ... kion mi cetere ankaŭ faris. Plue: "Specialaj lingvoformoj de malsamaj lingvoj ne estus ĉiam simetriaj kaj meĥanike interŝanĝeblaj. Se vi devus traduki en la italan iun poemon originale verkitan en la svisgermana, en kiun specon de itala lingvo vi ĝin tradukus ? Ĉu havus sencon traduki ĝin en la italan de la lombardiaj kamparanoj ? Se vi devus traduki francan tekston de la 17-a jarcento en la svedan, kian svedan vi uzus ?"

Nu evidente, se oni volas dekomence postuli ke 14-jarcenta teksto estu tradukita per nepre samepoka alilingva arkaikaĵo (kiel faris tion Littré), 15-jarcenta per dua formo, 16-jarcenta per tria, kaj tiel plu, tiukaze la ideo fariĝas tute absurda kaj utopia. *Sed kiu sanmensa homo postulus ion tian ?!* Certe ne mi, eĉ se tio eblus ! Estu do klare kaj nete establita ke ni ne povos ne apliki unu solan formon de arkaikeco por ĉiuj eblaj nuancoj kaj epokoj. Tiu principo validas ankaŭ por la gradoj de antikveco. Teksto el ĵus antaŭa generacio eventuale iom diferencetas, sed tio certe ne sufiĉas por konsideri ĝin arkaika kaj sekve ankaŭ ne indas apliki al ĝi arkaikan tradukformon. Inverse, ĉe la unuaj balbutoj de iu lingvo kutime temas pri formo tiel forte diferenca, ke oni apenaŭ kapablas rekoni en ĝi la idon; ankaŭ tiam estas pli taŭge apliki modernan tradukon, kvazaŭ el tute aparta lingvo. Sed tio neniel malhelpas apliki arkaikecon al ĉiuj interdumaj evolu-stadioj, sendistinge.

Puŝante la opinion de Corsetti al ĝia absoluta ekstremo, oni venus al absurda konkludo ke ĉiuj Belaj Artoj en si

mem estus superfluaj ludoj, escepte de iliaj utilecaj aplikoj en informado, komerco, industrio. Ja, kial ankoraŭ vesti artistojn (vere aŭ ŝajne) laŭepoke en donita historia teatraĵo, dum ili tamen parolas tute aktualan (aŭ eĉ nur tradukitan) lingvaĵon, kiel ekzemple en unu el la multaj adaptoj de *La Muskedistoj* de Alexandre Dumas ? Ankaŭ tie la aldona epoka koloro ja estas nur fantazia suplemento, fakte nebezona, kiel demonstras renesancaj redonoj de scenoj el klasikhelena aŭ el palestinkristana tempo per vestaĵoj, konstruaĵoj, pejzaĝoj, kaj iloj de la propre renesanca tempo. Ĉio-ĉi estas afero de stilo !

Mi do kuraĝas aserti ke, se niaj E-poetoj provas redoni la originalan stilon de iu artoverko per plejeble identa stilo (precipe en la versformo) — kvankam ili plejofte kapablas tute bone redoni käj enhavon käj etoson de la koncerna verkaĵo per iu simila aŭ aliel konforma stilo (eventuale per prozo) — kaj se oni pravigas tiun ilian strebon al ideala fideleco aŭ ĝin eĉ laŭdas, tiam ankaŭ provoj plejeble fidele redoni arkaikecon meritas ion pli bonan ol malestiman epiteton de “amuzaĵo” aŭ “kuriozaĵo” aŭ “frenezaĵo”.

La vera kaj decida malfacilaĵo kuŝas en tio ke ĝuado de antikveco en la strukturo de iu originalo, kutime postulas de legantoj ankaŭ specialan scion pri la koncerna epoka lingvaĵo ! Ĝuste pro tio, multaj antikvaj verkoj — ni diru el la Eŭropa Mezepoko — konsistigas privilegian ĉasterenon de fakuloj, de filologoj pri la koncerna erao, kiuj plimalpli flue lernis malĉifradi tiujn tekstojn. Kaj ĝuste pro tio hodiaŭaj homoj postulas modernan “tradukon” de tiaj gravaj verkoj eĉ el sia propra kulturo. Ĉar ties aliro alimaniere por ili estus tute simple neebla. Ne tial ke ĝi estus vere superflua ludo !

Finfine do estus neta gajno por nia literaturo, se ni povus redoni arkaikan tekston per unu formo de arkaika Esperanto, ĉar temas antaŭ ĉio pri la kontrasto:

Antikvaĵoj rolu precipe en okazoj kie la moderna lingvo **kontrastas** kun la malnova.

## 5. Kiun lingvosistemon elekti ?

Kelkaj niaj aŭtoroj, kaj ne la plej malgravaj, opiniis ke sole jam sufiĉas strangigi la ortografion aŭ litertipon. Mi recitas O. Haszpra, kiu por sia “Reĝedzino” aplikis akcentojn kaj literduobligojn: *edzínonn, fermiss, elvèni.* Kaj mi recitas nian A. Cherpillod kaj lian elfoson de dokumento el 1743, de la fama Franca Akademio, temanta tre serioze kaj tre erudicie pri la moroj rilate al fekado: “Disertacio pri la maniero feki.” Al ties traduko Esperanten li havigis antikvan etoson per enŝovado de la en Esperanto tabuaj literoj **q**, **w**, **x** kaj precipe de la germandevena **ſ** por **s**, kiam meze de vorto: *eſtis, quazau, inextenſe, ſinſequo.* La dua propono efektive generas iun arkaikan stilon, dum la unua … nu, mi ne volas ridindigi gvidantan movadanon. Sed tiel l’unu kiel l’alia nur “kuracas la simptomojn”, sen vere ŝanĝi ion en la gramatika strukturo, dum vera arkaikigo nepre postulas pli penetreman operacion. Bone, sed ĉu por tio ekzistas gvidmodeloj ?

Tio kio unuavice venas en la pensoj, estas la unuaj provoj de Zamenhof mem, kiam li estis ankoraŭ studento. Kiu ne konas la citaĵon “*Malamikete de las nacies; kadó, kadó, jam temp’ está !”*, la komencaj versoj de poemeto en kiu sin esprimas lia jam junaĝa okupiĝo pri la malamikaj sentoj kaj kondutoj inter malsamaj gentoj ? Ĝi estas la plej konata el la manpleno da fragmentoj, postrestantaj de tiu lia *Lingwo Uniwersala.* Kiel raportite, lia patro ĵetis ĉiujn kajerojn pri tiu projekto en la flamojn. La doktoriĝinta oftalmologo el Bjalistok tial estis devigita ĉion rekonstrui preskaŭ de nulo.

Estas do tute nature ke Waringhien, en la antaŭe donita citaĵo, nostalgie revas pri revivigo de tiuj unuaj provoj. Responde al tiu korkrio, du samideanoj efektive klopodis fari la maleblon.

Geraldo Mattos prezentis kelkaj belajn sonetojn, en kiuj li montras ke li certagrade sukcesis rekrei la pralingvaĵon de Zamenhof, sed sen aldoni plene redaktitan eseon aŭ lerno-

libron pri tiu entrepreno. Krome ĝi ŝajnas nur skizo pri la vere farenda laboro, kvazaŭ instigo por aliaj kandidatoj.

En 1992, pli ol dudek jaroj post mia propra provizora Arkaika Esperanto, aperis jam multe pli kompleta studo pri la zamenhofa praesperanto, fare de Rikardo Cash, en kiu tiu aŭtoro donas plurajn proprajn aplikojn de sia sistemo, kiun li (ne tre modeste) opinias "belega lingvo proprarajte, leĝera, luma, poezia." Nome en *La Kancer-kliniko n-ro 64*. (Kial ĝuste en kloaka periodaĵo … ?)

Tamen, neniu el tiuj favorantoj ŝajnas esti al si stariginta la demandon kial ne Zamenhof mem ĝin rekonstruis — li, kiu devus plej bone koni ĝin kaj havi ankoraŭ esencajn regulojn en la kapo ! Sed ne, li rekomencis de nulo, kvazaŭ la *Lingwo Uniwersala* neniam ekzistis. En la laŭdinda monaĥa kompilego de Ludovikito, volumo 5, ĉapitro "Praesperantoj" oni trovas la sekvan konfeson de la Majstro: "En mia memoro ankaŭ restis preskaŭ nenio el tiu tempo. Mi nur memoras ke en la komenco la lingvo havis tre grandan abundon da vortoj, kaj precipe grandan abundon da afiksoj. (…) Poste venis periodo de reago. Konsciante, kiel terure malfacila estos la propagando en la unuaj jaroj, kaj konsciante, ke rompi la unuan glacion mi povos nur en tia okazo, se mi prezentos al la mondo ion eksterordinare facilan, mi komencis per ĉiuj fortoj premadi la antaŭe ekzistintan lingvan materialon, elĵetadi ĉiun 'balaston', t.e. ĉiujn vortojn kaj formojn, kiuj por la unua komenco ne estis nepre necesaj, kaj celadi al tio, ke la tuta lingvo, necesa por la unua tempo, trovu lokon sur malgranda folio." Li do klare mem juĝis ĝin ne inda, ne sufiĉe taŭga, por la granda celo kaj preferis suriri tute novan vojon, tiun de la sukcesa fundamenta Esperanto.

Krom tio, la junaĝa projekto de Zamenhof, jam pro sia vortaro (kvankam limigita) tiel forte konfliktas kun la matura projekto — tiu, kiun ni verduloj ĉiuj aplikas — ke oni fakte staras antaŭ iu speco de Novial aŭ Occidental aŭ Neo, iu lingvo do vere rivala kaj konfliktanta kun la oficiala

Esperanto. Oni povas tion bedaŭri, certe, sed ĝi estas la kruda kaj nuda realeco.

La porbatalantoj de tiu revivigo do senplie supozas ke la Movado ĝin bonvenigos kaj komencos ĝin studi, spite la fakton ke tio estas fortostreĉa entrepreno, ĝuste ĉar ĝi tiom forte devias de la jama kara lingvo. Nu, povas esti ke tiu aŭ alia samideano efektive reagos pozitive; en nia movado renkonteblas personoj riĉe poliglotaj, por kiuj ellerno de nova lingvo estas ne fortostreĉo sed ludo kaj amuzaĵo.

Sed probablege, la granda plejmulto **ne** emos (re)komenci studi tiun ekstran planlingvon, post jama akiro de la norma. Estas jam sukceso se ili pretas nur pasive **legi** arkaikan formon, kiun ili ĉe ekvido tuje kapablas malĉifri, ĉar ĝi estas ankoraŭ facile rekonebla, dum aktive apliki entute novan lingvon estas postuli tro. Kiel instruas la amara sperto, ja estas jam postuli tro, ke ĉiuj komencantoj iĝu ankaŭ progresantoj kaj fine vere fluaj parolantoj de nia norma lingvo !

Por pruvi tion, mi tie-ĉi enmetas modelan teksteton de R. Cash, kiun mi bedaŭrinde ne estis sufiĉe inteligenta por plene kompreni kaj traduki al Arkaika Esperanto, spite intensan kribradon de lia koncerna “lernilo”. Proksimume kvaronon mi devis komplete diveni, manke de jama traduko, pro kio mi tre pardonpetas. La leganto mem decidu kiu el la du versioj estas plej merita, kaj kiu el la du estas: “preskaŭ centprocente tuj komprenebla, sed sufiĉe komplika (…) peza, malgracia, malbela.”

**A -** *Hoj no staré vi nova rio, pen nova mondo. Allomaj al na sorto, no habé la pordo hefakti la lingvo de naj sontoj. Fu-ći lingvo ne esté palloda de millioj homoj, ro no estuj ka mondezo — sed ro potas udi i na litteraturo. Ro esté adada rićedo. No utó rol, e mor naj fanoj mercuj nol !*

**B -** *Hodiez nos staraims antez nowam Apherom, por Mondom nowam. Irontay ad nosam Sortom, nos Oportunescon hawaims, construir Lingwon del nosay Songhoy. Isityu Lingwo ned parolatam estat de*

*milyonoy Homoy, eghi ned heyu Mondolingwo estu — sed eghi utilir powot en Literaturom nosam. Eghi grandan Richescon posedat. Nos eghin uzuy, ed amœ Genepoy nosay nosin dancoit !*

Due, kaj kiom mi kapablas analizi la aferon, estis la ideo de Kalocsay krei latinecan praesperanton, tial ke Esperanto laŭ sia vortaro estas ja proksimume 60-pocente latinida lingvo. Sed ankaŭ ĉi-rilate oni rajtas ripeti la argumenton pri antaŭa studado de aparta nova planlingvo, kion apenaŭ iu ŝatos entrepreni. Laŭ mia scio tiu monumento de nia literaturo ĝuste tial ne ricevis posteulon krom min mem por komplete disvolvi lian eksperimenton. Ĝi restis kaŝita en la ombroj — ne lastrange ĉar K. mem ĝin prezentis kiel amuzaĵon. [Vd. "Primorta Prediko"-n-ro 21]

Tiamaniere postrestas nur mia propra propono pri adapto de norma Esperanto, surbaze de la kaloĉajaj principoj, sufiĉa por doni al ĝi kredindan arkaikecon, kvankam tute artefaritan, sed ne pli komplikitan ol necese por igi ĝin ankoraŭ tuje komprenebla kaj, se dezirate, tre facile lernebla (fare de sperta esperantisto !).

## 6. Konkludo ĝenerala

Certe, ni devas taksi nin feliĉaj, ke la problemo pri arkaika lingvoformo estas nur marĝena afero, ke ĝi ne kapablas bremsi la normalan uzadon de Esperanto. Se ne, ĉiuj planlingvoj ĝenerale, kaj nia sukcesinta Lingvo Internacia speciale, troviĝus en granda embaraso ! Sed tiu "imuneco" de la solida baza korpo ankaŭ ne signifas, ke ni ne disponu fiksan kaj ĝenerale establitan ilon por trakti la koncernan bezonon, kie kaj kiam tiu prezentas sin, en kunvenoj aŭ en beletro. Aliokaze ĉiu verkisto, por redoni arkaikaĵon, devos elturni sin aparte, laŭ la momenta inspiro, kun rezulto ke ni fine havos serion da modeloj sed nek unuecon nek komunecon, kaj certe ne iun aldonan ilon kiun ĉiu ajn (sperta!) esperantisto povos facile apliki. Tio devigas min —

almenaŭ rilate al Esperanto — esperi je oficiala akcepto fare de iu Komisiono, same kiel Zamenhof klarvide postulis oficialan netuŝeblecon por sia Fundamento.

Kompreneble, pli ol esperi mi ne povas, ĉar same kiel la sukceso de Zamenhof elvokis kaj ankoraŭ daŭre elvokas aperon de ree nova rivala planlingvo — “pli bona ol” — ankaŭ mia Arkaika Esperanto riskos daŭre elvoki projektojn de samideanoj, kiuj opinios ke ili kapablas fabriki ion superan kaj “multe pli taŭgan”.

Nu do, sufiĉas teoriaj pritraktoj ! Tiuj kiuj deziras nur legi, tuj iru al la krestomatia parto; en okazo de nekompreno, ili povos ĉiam konsulti la vortareton ĉefine de la libro. Tiuj kiuj deziras aktivan aplikon, iru al la tasko ellerni la man-plenon da gramatikaj reguloj.



# 2. Gramatiko

## 1. Enkonduko

La evoluado de iu lingvo ĝenerale iras de relative simpla organiza fazo, en kiu la reguloj estas klare ekkoneblaj, al komplikiĝoj en ortografio kaj gramatiko; unuflanke pro konstanta riĉiĝado de la vortaro sub fremda influo kaj aliflanke pro formortado de reguloj en kies loko venas subreguloj kaj esceptoj. Tio validas certe por Latino, ekstreme fleksia lingvo, kaj same por la malnova ĝermana kaj por la slava familio. Tre ĝenerale oni povas diri ke sufiksoj emas cedi lokon al prepozicioj kaj ke prefiksoj emas kunfandiĝi kun la unuaj sonoj de koncernaj vortoj. El vidpunkto de gramatika regularo, ni do starigu teorie ke Arkaika Esperanto estu pli fleksia ol la aktuala lingvo, en kiu Zamenhof konservis nur absolute necesajn elementojn kaj evitis mergiĝon de afiksoj kun la radikoj.

Kiomgrade ? Certe ne tiom ke oni staros antaŭ vere nova lingvo, por kiun ellerni oni bezonus same multan tempon kaj same obstinan energion, kiel iam por plene mastri la Fundamenton. Ĝuste pro tiu motivo la praesperanto de Zamenhof mem, kaj la latinigo fare de Kalocsay, ne estas akcepteblaj. Tiukaze ja, kaj nepre prave, malmultoj emus eklerni kaj ekuzi la metodon. Sekve: Arkaika Esperanto estu rimarkinde facile kaj rapide lernebla.

Por tiu celo, ĝi ne rajtas tro forte devojiĝi de la aktuala lingvoformo, laŭ la ora regulo el sciencoj pri "neceso kaj sufiĉo". Ja, se ni konstruus vere novan, apartan, lingvon (gramatike kaj vortare) sen firma kaj tuj ekkonebla rilato kun la nuna, tiamdo la entrepreno estus en praktiko mortnaskita, konsidere al la nombro da konkurencaj planlingvoj kiuj jam ekzistas kaj el kiuj ni devus nur elekti por akiri jam pretan sistemon. Senrigarde ankaŭ la evidentan fakton ke infano devas iel simili gepatron, por ke parenceco ekzistu. Sekve, Arkaika Esperanto restu forte simila al la

aktuala lingvo. Ĉu la nomo de la projekto tion ne jam implicas ?

Por tiujn postulojn kontentigi, mi pensas nepre necesa tutece konservi la vortaron kaj gramatikon de Esperanto en plej alta grado kaj aliigi nur tie kie ne estas danĝero pri konfuzo aŭ pri atenco kontraŭ la identecon de Esperanto. Alimaniere, se ni ŝanĝas iun vorton aw regulon, ni preskaŭ ĉiam devas ŝanĝi tuje alian, por eviti homonimecon kaj miskomprenon.

En praktiko montriĝas — kiel mi esperas demonstri en la sekvantaj paĝoj — ke oni povas sufiĉe forte ŝanĝi la vizaĝon, la eksteran ŝelon, de nia internacia lingvo kaj iomete ĝian skeleton, sen ke pro tiuj transvestoj kaj ornamado perdiĝas ĝia karaktero, ĝia enhavo, kaj iomete ĝia skeleto.

## 2. Rimedoj por arkaikigo

1. Antaŭ ĉio mi transformis la prononcajn sonojn (vokaloj kaj konsonantoj) kio nature transformas la ortografion; almenaŭ se la koncernaj ŝanĝoj estos sufiĉe adapteblaj por iam-tiam interakordigi parolon kaj skribon ! Konsiderante, ke mi jam decidis konservi la vortaron de PIV plejeble sendifekte, tiu-ĉi rimedo prezentas rigorajn limojn. Temos ekzemple ne pri aldono aŭ forigo de konsonanto en tiu aŭ alia radiko, nek pri aliigo de vokalo: *domo* ne fariĝu *dumo* / *penti* ne fariĝu *pendi* / *ruĝa* ne fariĝu *ruza*. Nur kelkaj konsonantoj ricevis duobligon, kiu cetere ne estas tute deviga, sed nur konsilata. Ankaŭ ne temu pri arbitra aliigo, vastigo aŭ malvastigo de la signifo de vortoj: *gracia* ne signifu ankaŭ *gracila* / *iri* ne entenu ankaŭ la nocion *flugi* / aŭ similaj. En fundamentaj radikoj mi adaptis sole iliajn literojn, konformigante ilin al antikvaj kutimoj latinecaj. (Esperanto ja konsistas plejparte el romenidaj vort-elementoj.) Ekzemple: *f* (re)iĝas *ph* / *k* (re)iĝas *qu* aŭ *c* / substantivoj skribiĝas ĉiam kun komenca

majusklo. Tiel-ĉi la aspekto impresas fremda kaj stranga, dum tamen la radikoj, estante ĉefelementoj, restas idente samaj.

2. Koncerne vortotrezoron estas nocioj kiuj malaperas aŭ arkaikiĝas pro malapero de la koncerna objekto, pro ties mumiiĝo en iu kliŝa esprimo aŭ simple pro iompostioma forgesiĝo; estas nocioj kiuj alprenas alian (krom)signifon ol origine. Nu, fidele al la principo ke AE trovu firman apogon sur la hodiaŭa vortaro, tiuj kiuj ŝatus mem apliki ĝin devas klopodi teni sian vortkreademon inter striktaj limoj. Tial mi aperigas en tiu-ĉi projekto sole nur manplenon da "novaj" vortoj aŭ vortelementoj kiaj *Mesirom, Papulom, troquir, egui, no*, cetere listigitaj en la vortareto de AE.

3. Vivantaj lingvoj ŝanĝas sian gramatikon en unuopaj detaloj, kvankam la interna strukturo normale montriĝas esti tre eltenema. Kiel mi jam menciis en la antaŭa ĉapitro, la angla iam estis same fleksia kiel nun estas la germana. Kompreneble, en ĉi-tiu entrepreno oni ne rajtas vojaĝi tiel ekstremen kaj devas nepre konservi la teknikon de interligado de radikoj kaj afiksoj, ĉiu kun siaj fundamenta rolo kaj fiksa signifo. Tial mi ne tuŝis la afiksaron mem (per enkonduko de novaj afiksoj, per forigo de aliaj, kaj simile), sed nur adaptis ĝin tiomgrade ke ĉiu afikso malgraŭe restu facile rekonebla, aŭde kaj vide. Ekzemploj: substantivo indikiĝas per *–om,* kaj adjektivo per *–am,* tial ke esencas nur la koncerna vokalo. Kie eblis tio, sen krei konfuzon, mi diferencigis kelke da afiksoj: *-iĝ* fariĝis *–izz* / *-ebl* fariĝis *–ibil* / kaj tiel plu. Kaj (precipe) la konjugacioj transformiĝetis jene: *-as* (re)iĝas *–ams, -as, aims, ais, ait* konforme kun la koncernaj personaj pronomoj, teoriumante ke tiu diferencigo hodiaŭ perdiĝis. Denove ĉefas konservo en ili de la vokalo, jen |a|, kiu plu indikas estantecan tempon.

4. Samprincipe mi (re)enkondukis dativan kaj genitivan kazojn. La unua en rolo de direkta akuzativo, la dua

en poseda modo. Tiu-ĉi lasta ja cetere “lasis spuron” en la nuna lingvo en la korelativoj, tiu perlo de la inventemo de Zamenhof: *ties, kies* …

5. Fine, kaj super ĉio, mi transformis tiujn **klasojn de vortoj**, kiujn ankaŭ la Majstro mem sentis sin libera modli kaj organizi laŭ interna logiko, nome la:

   korelativoj : *ki-* iĝante *cuy-* / *ali-* iĝante *altri-*
   prepozicioj : *al* iĝante *ad(i)* / *post* iĝante *postez*
   numeraloj : *unu, du, tri* iĝante *unn, dux, trid*
   pronomoj : *mi* iĝante *mihi* / *ni* iĝante *nos* …

   Estas bonŝance, ĝuste per tiuj-ĉi “duarangaj” elementoj (konstrucemento), ke oni plej efike povas ŝanĝi la aspekton de la lingvo, sen pro tio kripligi ĝian internan strukturon (konstruplano), aŭ ĝian fundamentan vorto-trezoron (konstruŝtonoj).

6. En manpleno da okazoj mi ankaŭ “reprenis” la supozindan kutimon de sintaksa **kunfando** de normale dise starantaj vortetoj, precipe de la prefikso *is-* (ĉi-) kaj de la pronomo *on-* (oni) kun sekvanta vorto.

7. Fine, al la **stilo** mi klopodis havigi apartan beletran karakteron, per ofta inversigo de frazeroj, sensubjektaj propozicioj, milda prefero por tiel nomataj neologismoj, neglekto de la artikolo *la,* kaj simile.

*Atentu: estas indikitaj sole tiuj reguloj kaj elementoj kiuj diferencas de la fundamenta gramatiko. La cetero restas identa kaj do ne bezonas specialan mencion* **...** *por sperta esperantisto.*

## 3. Alfabeto

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | a | A | a | O | o | O | o |
| B | b | B | b | P | p | P | p |
| C | c | C | c | Q | q | Q | q |
| D | d | D | d | R | r | R | r |
| E | e | E | e | S | s | S | s |
| G | g | G | g | T | t | T | t |
| H | h | H | h | U | u | U | u |
| I | i | I | i | W | w | W | w |
| L | l | L | l | X | x | X | x |
| M | m | M | m | Y | y | Y | y |
| N | n | N | n | Z | z | Z | z |
| Œ | œ | Œ | œ | Ŭ | ŭ | Ŭ | ŭ |

Por presado oni elektu ornamitajn litertipojn, nekutimajn, prefere uncialajn* kaj gotikajn. Por manskribado estas konsilinde kopii aŭ fidele imiti la simbolojn de la tabelo; ne pro tio ke ili estus iel superaj, sed por havi unuecon, kiu ja necesas, se ni volas ke arkaikaj tekstoj estu klare kaj facile legeblaj tra la tuta mondo. Kompreneble, tio ne estas kaj ne volas esti diktatora devigo.



## 4. Ortografio

| ARKAIKE | AKTUALE | PRONONCO |
|---|---|---|
| *aù, eù* | aŭ, eŭ | **aw, ew** |
| *c* | k | **k** |
| *ch* | ĉ | **tš** |
| *cù* | kv | **kw** |
| *eù* | eŭ | **ew** |
| *gh* | ĝ | **dž** |
| *g(u)* | g | **g** |
| *œ* | œ | **ø** |
| *ph* | f | **f** |
| *qh* | ĥ | **x** |
| *qu* | k | **k** |
| *sh* | ŝ | **š** |
| *tz* | c | **ts** |
| *ù* | ŭ | **w** |
| *w* | v | **v** |
| *x* | ks | **ks** |
| *y* | j | **j** |
| *zh* | ĵ | **ž** |
| *zz* | dz | **dz** |

| AKTUALE | ARKAIKE | PRONONCO |
|---|---|---|
| aŭ | *aù* | **aw** |
| c | *tz* | **ts** |
| ĉ | *ch* | **tš** |
| dz | *zz* | **dz** |
| eŭ | *eù* | **ew** |
| f | *ph* | **f** |
| g | *g* | **g** |
| ĝ | *gh* | **dž** |
| ĥ | *qh* | **x** |
| j | *y* | **j** |
| ĵ | *zh* | **ž** |
| k | *c / qu* | **k** |
| ks | *x* | **ks** |
| kv | *cù* | **kw** |
| œ | *œ* | **Ø** |
| ŝ | *sh* | **š** |
| ŭ | *ù* | **w** |
| v | *w* | **v** |
| k | *qu* | k |

### 4.1 Klarigoj

- La prononcoj estas indikitaj laŭ la sistemo de mia Universala Skribo.
- La ***œ*,** kiu rolas kiel adverba sufikso, estas nove enkondukita fonemo, prononce egala al la germana **ő** en schőn, la dana **ø** en fører, aŭ la franca **eu** en bleu. Tiu kiu ne kapablas ĝin prononci, diru simple ***eŭ***.
- Antaŭ la vokaloj ***i*** kaj ***e*** oni uzas ***qu*** por aktuala **k** kaj ***gu*** por **g**, dum sole ***c*** kaj ***g*** antaŭ la aliaj vokaloj.
- Duobla konsonanto laŭprononce egalas unu solan, escepte por ***-acch*** (=akĉ), ***-ízz*** (=idz), ***-occh*** (=okĉ).

## 5. Deklinacio

1. Estas kvar gramatikaj kazoj, ĉiu kun propra sufikso: *nominativo, genitivo, akuzativo, dativo*. La lasta funtsias kiel la kutima "direkta akuzativo" :

   *la parto* = *Partom* *de la parto* = *Partes*
   *la parton* = *Parton* *al la parto* = *Partod*

2. Substantivoj, adjektivoj, korelativoj, pronomoj kaj *familiaraj* propraj nomoj estas deklinaciataj. Fremda propra nomo aŭ titolo restas senŝanĝa, sed ĝi povas ricevi la novan prepozicion ***no*** kiu anstataŭige ricevas la koncernan deklinacian sufikson:

   *(li) vendis la ĉevalojn de mia malfeliĉa bofrato* =
   *wendit Chewalo**yn** mih**es** powr**es** Bophrat**es***
   *(ni) jam spektis la "Tri Muskedistoj"-n* =
   *yam spektiims **noyn** "Trid Musquedistoy".*

3. La nominativo je *–m* aplikiĝas kiel kutime, por subjekta substantivo kaj adjektivo. Ĝi malaperas en kunmetaĵo:

   *aperis granda profeto, kiu instruis ...* =
   *grand**am** Prophet**om** aperit, cuyu instruit ...*
   *partopreni* = *partoprenir*

4. La genitivo je *–es* aplikiĝas, jen anstataŭ la prepozicio ***del*** jen post ĝi:

   *la glavo de lia spirito* = *Glawom lùi**es** Spirit**es***
   *ŝi manĝis amason da vinberoj* =
   *manghit eshi Amason **del** Winber**eys***

5. La akuzativo je *–n* estas uzata kiel kutime, por senpera komplemento :

   *oni pelĉasos la sovaĝan beston* =
   *sowagh**an** Best**on** oni pelchasot*

6. La dativo je *–d* aperas ĉe direkta akuzativo, kondiĉe ke tiu aperas en la aktuala lingvo, sed ankaŭ post ***grez*** kaj ***malgrez*** :

*al ni malpermesus* = *nosid malpermesut*
*dank'al Dio !* = *grez Diod !*

## 6. Konjugacio

1. INDIKATIVO

| PRETERITO | PREZENCO | FUTURO | EKZEMPLOJ | TRADUKO |
|---|---|---|---|---|
| *-ims* | *-ams* | *-oms* | *mihi pharims* | mi faris |
| *-is* | *-as* | *-os* | *tu pharas* | ci faras |
| *-it* | *-at* | *-ot* | *lùi pharot* | li faros |
| *-iims* | *-aims* | *-oims* | *nos phariims* | ni faros |
| *-iis* | *-ais* | *-ois* | *vos pharais* | vi faris |
| *-iit* | *-ait* | *-oit* | *ilùi pharoit* | ili faros |

La sufiksoj markas gramatikajn personon kaj nombron:

estis = [mi] *estims*, [ci] *estis*, [ĝi] *estit*
farus = [oni] *pharut*, [ni] *pharuims*, [vi] *pharuis*

2. INFINITIVO

| | |
|---|---|
| pardoni | *pardonir* |
| ventumi | *wentumir* |
| baloti | *balotir* |
| konduki | *conduquir* |
| ataki | *ataquir* |
| allasi | *adlasir* |

Ankaŭ la sufikso ***–ad*** tradukiĝas per la infinitiva ***-ir***

legado = *Leguirom*     batado = *Batirom*

3. <u>KONDICIONALO</u>

| | | |
|---|---|---|
| *-ums* | *mihi hawums* | mi havus |
| *-us* | *tu hawus* | ci havus |
| *-ut* | *eshi hawut* | ŝi havus |
| *-uims* | *nos hawuims* | ni havus |
| *-uis* | *wos hawuis* | vi havus |
| *-uit* | *ilùi hawuit* | ili havus |

4. <u>VOLITIVO</u>

| | | | |
|---|---|---|---|
| SINGOLO | *-u* | *silentu mihi !* | mi silentu ! |
| PLURALO | *-uy* | *silentuy nos !* | ni silentu ! |

5. <u>KUNMETITAJ TEMPOJ</u>

<u>Okazas laŭ la kutima metodo</u>:

*estiims perphortantœ* - *ityœ nedconatam estot*
ni estis perfortante - li estos tie nekonata

**7. Pronomoj**

| Pronomoj | Nominativo | Genitivo | Akuzativo | Dativo | Adjektivo |
|---|---|---|---|---|---|
| mi | *mihi* | *mihes* | *mihin* | *mihid* | *miham* |
| ci | *tu* | *tues* | *tuin* | *tuid* | *tuam* |
| li | *lùi* | *lùies* | *lùin* | *lùid* | *lùiam* |
| ŝi | *eshi* | *eshies* | *eshin* | *eshid* | *eshiam* |
| ĝi | *eghi* | *eghies* | *eghin* | *eghid* | *eghiam* |
| ni | *nos* | *noses* | *nosin* | *nosid* | *nosam* |
| vi | *wos* | *woses* | *wosin* | *wosid* | *wosam* |
| ili | *ilùi* | *ilùies* | *ilùin* | *ilùid* | *ilùiam* |
| si | *sihi* | *sihes* | *sihin* | *sihid* | *siham* |

1. <u>Estas bona stilo ignori pronomon, kiam la deklinaciita verbo per si mem sufiĉe klare indikas pri kiu gramatika persono temas:</u>

*ni ne scias kion ni faros* = *ned stziaims cuyon pharoims*
anstataŭ: *nos ned stziaims cuyon nos pharoims*

2. La ĝenerala pronomo ***oni*** aperas ofte kiel prefikso.

   *oni ne premu tro forte* = *onpremu ned tro phortœ*
   *malpermesite estas al oni* = *adoni malpermesitam estat*

3. Ili ne akceptas komencan majusklon, krom por honor-iga emfazo :

   *lùiam Mastrom* sed *Lùiam Moshtom*

4. Estas enkondukita la nova pronomo ***egui*** [gi] kiu indikas personon, sekse neŭtran:

   *radiantam Anghelom, egui lùid dirit …*

## 8. Numeraloj

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| *unn* | *dux* | *trid* | *cùar* | *qùin* | *ses* | *sep* | *oc* | *naù* | *dec* |

| 100 | 1000 | 1000000 |
|---|---|---|
| *tzent* | *mill* | *milyon* |

La kunmetado restas sama kiel en la Fundamento

## 9. Artikolo

1. Difina artikolo ne ekzistas. Se necese, oni anstataŭigu ĝin per ***ityu*** :

   *Renardo la Vulpo* = *Renardom ityu Wulpom*
   *fine ŝi trovis la moneron* =
   *phinœ eshi ityun Moneron trowit*

2. La nedifina artikolo estas ***unn*** :

*vidvino kiu … = unn Widwinnom cuyu …*
*iu vidvino kiu … = heyu Windwinnom cuyu …*

## 10. Korelativoj

| RADIKOJ | |
|---|---|
| ali- | *altri-* |
| ĉi- | *chey-* |
| i- | *hey-* |
| ki- | *cuy-* |
| neni- | *nemy-* |
| ti- | *ity-* |

| FINAĴOJ | |
|---|---|
| -a | *-am* |
| -am | *-ahem* |
| -e | *-œ* |
| -o | *-om* |
| -om | *-ohem* |

*tiaj viroj havas neniun skrupulon =*
*ityay Wiroy nemyun Scrupulon hawait*

1. Ili ne prenas majusklon ĉe substantiva uzo, male al koncernaj substantivoj.
2. Notu ke la radiko ***altri-*** plu ne havas la karakteron de adjektivo, sed estas plenrajta korelativo.

## 11. Adverboj kaj Prepozicioj

| | |
|---|---|
| al | *ad(i)* |
| antaŭ | *antez/prezz* |
| baldaŭ | *baldez* |
| ĉe | *chez* |
| da | *del*[1] |
| dank'al | *grez* |
| de | *del*[2] |
| dum | *dum(que)* |
| eĉ | *eche* |

| | |
|---|---|
| ĵus | *zhused* |
| kun | *cum* |
| kvankam | *cùanque* |
| kvazaŭ | *cùazes* |
| laŭ | *selez* |
| malantaŭ | *postez* |
| malgraŭ | *malgrez* |
| plej | *pluy* |
| pli | *plid* |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| ek-de | *ab(u)* | | po | *pod* |
| eks | *ex* [1] | | post | *post(ez)* |
| ekster | *extrum* | | preter | *predor* |
| el | *ex* [2] | | pri | *prid* |
| en | *in* | | pro | *pru* |
| ĝis | *ghis(quez)* | | sen | *sonz* |
| hieraŭ | *hierez* | | sub | *subez* |
| hodiaŭ | *hodiez* | | super | *suprez* |
| je | *iyed* | | supre | *supri* |
| jen | *yemen* | | sur | *sobrez* |
| | | | tre | *trez* |

## 12. Afiksoj

1. Primariaj sufiksoj estas :

    ***-m -es -n -ed*** por la kvar kazoj

    ***-om/oy -am/ay -y -œ***

    respektive por substantivoj, adjektivoj, pluralo, adverboj

2. Sekondariaj sufiksoj

| PREFIKSOJ | |
|---|---|
| ĉi- | *is-* |
| oni | *on-* |

| SUFIKSOJ | |
|---|---|
| -aĉ | *-acch* |
| -ad | *-ir* |
| -ebl | *-ibil* |
| -ec | *-esc* |
| -end | *-emd* |
| -ig | *-ig(u)* |
| -iĝ | *-izz* |
| -in | *-inn* |
| -ind | *-imd* |
| -oĉj | *-occh* |

## 13. Stilo

1. Estu tendenco, sed ne devigo al ::

- inversigo de frazeroj:
*mi bone komprenas tion* = *bonœ ityon comprenams*

- sensubjektaj aŭ senobjektaj frazoj (escepte ĉe konfuzo):
*al Li oni obeos, al la Majstro* = *Luid onobeot, Maystrod*

- prefero por neologismo anstataŭ "mal"-vorto:
*malrapide la pordo malfermiĝis* = *lantœ Pordom apertizzit*

2. Eliziado povas okazi iel ajn [escepte ĉe konfuzo] :
*ne eblas* = *nedeblat*  *al vi* = *adwos*
*niaj okuloj* = *nosay Oculoy* = *nos'Oculoy*

3. Oni evitu seninterrompan sinsekvon de deklinaciaj kazoj identaj :
*multeys identeys declinatzireys Cazeys* →
*multeys declinatzireys Cazeys identay*

## 14. Aldonaj Komentoj

1. Ĉiuj radikoj de la Fundamento (PIV) kiuj ne apartenas al la antaŭaj gramatikaĵoj aŭ al la aparta Vortlisto (32), reŭtiliĝas, adaptante nur la ortografion al AE.

2. Oni rajtas faligi ***ĉu*** kiam la demandosigno (aŭ la parol-tono) sufiĉas.

3. Ĉiuj propraj nomoj, samkiel la substantivoj, ricevas majusklon, escepte en adjektiva formo; nur ne la unika "*Esperantam*".
*rawam Buquedom del 12 parizaj Rozoy*

# 3. Anekdotoj

La kutimo de institutoj, butikistoj, kaj metiistoj, reklami sian ekziston al la potenciala klientaro preterpasanta, per iu tipiga trafnomo aŭ bildo estas jam malnovega. En antikvaj tempoj kompreneble estis ĉefe alegoriaj bildoj, foje kun subskribo, kiu ne malofte estis en formo de sprita poemeto aŭ vortludo.

El granda kompilaĵo nederlanda [*De Uithangtekens* — Van Lennep & Ter Gouw — Leiden, 1866], la postaj elĉerpaĵoj.

**1 ==========================================**

Kie kamparaj vojoj interkruciĝas, estis ofte taŭga loko por establi gastejon. Tial oni tiun-ĉi ŝerce ankaŭ nomadis "kapeletoj" ĉar tiaj ja estas troveblaj precipe ĉe vojkruciĝoj. Tute nature vojkrucejo liveris al koncerna gastejestro motivon por elpendigi krucosimbolon, kolorigitan aŭ eĉ orumitan, por ke la vojaĝantoj jam de malproksime ekkonu la domon. En iu punkto, inter Dunchurch kaj Daventry en Anglujo, estas tri vojoj kiuj kruciĝas. Iam troviĝis tie gastejo, kun la cirkonstanca anonctabulo *In Trid Crutzoy*. Okazis foje ke la tiam fama dekano Swift dumvojaĝe en ĝin enpaŝis. Ĉar li estis ne tre elegante vestita, kaj tamen faris sufiĉe da bruo por ke oni rapide servu al li, la forte okupita estrino malafable siblis ke ŝi ne povas atendigi siajn ceterajn klientojn pro aĉulo kia li. Nia dekano, kiu disponis nek paciencon nek modestecon, je tio skribis jenan epigramon sur la fenestrovitron:

*Adi Gasteyestrom:*
*Gasteyes Insignom cùar Crutzoyn exmontrut*
*se wosan Edzinnon apudœ expendut.*

**2 ==========================================**

Iu urbano el la kvartalo Spuiwater (defluiga akvo), en Roterdamo, iam ĉizigis en la ŝtonfasadon de sia domo:

*Cuyahem penegœ laborintœ*
*multhomom Meriton adgaynontœ,*
*Insultoyn ophtœ nur ritzewat*
*isityal cùazes hontir dewat.*

Per tio li volis diri: "Kiam oni multe laboradis por akiri honoron kaj pozicion kaj tiujn fine pro siaj penoj meritus, tiam oni ofte renkontas anstataŭe nur honton kaj insultojn."

Iu najbara burĝo el la Longa Turstrato legis tiujn vortojn kaj li opiniis ilin tiel trafaj, ke li masonigis ŝtonon en sian propran domfasadon, kun la certigo:

*Ityel estat !*

Sed ankoraŭ alia, loĝanto de la Beginostrato, kiu evidente ne sciis pri kio envere temas kaj pelate de la inklino — propra al ĉiu estaĵo de virino naskita — kontraŭparoli, sen prokrasto metigis siavice antaŭ la hejmo:

*Ityel ned restot !*

Jen demonstro pri la maniero laŭ kiu foje estiĝas strangaj kaj — por ĉiu kiu ne posedas la ŝlosilon de la enigmo — nekompreneblaj anoncotabuloj.

**3 ==========================================**

La delonge bonkonata "Senkapa Virino" aŭ la "Bonulino" estas tra Eŭropo same fama kiel ĉe ni en Nederlando: *the good woman, the silent woman, the quiet woman* en Anglujo; *la femme sans tête* en Francujo; *la buona moglie* en Italujo — ĉie estas same. En Italujo ŝia ŝildo kutime pendas ĉe gastejoj, en Anglujo ĉe oleovendistoj, kaj nialande ĉe ŝufaristoj. En Francujo ŝi ofte ricevas kroman komenton: *tout en est bon, fors la tête* ("ĉio pri ŝi estas bona, escepte de la kapo").

Iu ŝuisto en Amsterdamo skribis sub sia Bonulino:

*Cuyœdie in Mondom Wirom estat*
*cuyu honestœ declarir capablat,*
*qu'Edzinnon sihan ned considerat*
*isityœ Shuoyn sonzpagœ ritzewat.*

Estis tio tre normala spritaĵo ĉe ŝufaristoj, nome imito de la verso sub la t.n. "Botulo de Gouda". Tiu botulo estis pentraĵo el 1567, en la kvartalo Ten Doelen de la urbeto Gouda, reprezentanta la notarion Diephorst kun paro da botoj je la dekstra brako kaj sonileto en la mano. Sub tiu bildo oni povis legi:

*Isityun Botparon wolontœ donatzums*
*Wirod cuyu Edzinnon sihan ned timat.*
*Sonileton mihan tintir, bruir, woquir iguims,*
*sed lùin ancorez daùre ned trowims.*
*Ityelœ stziwolams, cuyel onwidat,*
*chu innos Urbes Walom loghir powut*
*cuyu is=Botoyn deprenir meritut.*

Eble tiu-ĉi pentraĵo mem estis pruntinta sian spriton de tiu aŭ alia komika teatraĵo ?

En la Nov-Liliostrato oni ĉizis la Senkapan Virinon en fasadoŝtono kun subteksto: "La Bonulino". Sur la alerumo estis donita la jena virisma komento:

*Ned sonzmotiwœ is=Wirinnom bonam nomizzat;*
*char se Capon hawut eshi, malghustœ ityel nomizzut.*
*Pru cuyom oni rarœ widat, que Innoy condutait*
*cuyel detzat ed yustat, char Wirpestom ophtœ estait.*

Malan bildon de la Senkapa Virino troveblas — sed denove kun la boto — en la ĉi-kuna reprezento, kiu videblas tiel en Francujo kiel en Belgujo: virina kapo, simio, kaj kato sidas en boto. Oni povas vidi ĝin i.a. en trinkejo de la urbo Hasselt en Limburgo, kun la jena teksto: *à la Botte pleine de Malice* (en la boto plena je malico).



Kroman imitaĵon ni trovis en Diepenbeek, apud la sama urbo Hasselt: *in de Kwâ Vrouw* (en la malbona virino). Tamen estas tute la sama bildo kiel tiu de la Bonulino. La inversigo de la atributo okazis jenmaniere. Okazis antaŭ kelkaj jaroj, ke forta ventoblovo ŝiris la elpendaĵon for de la rustiĝintaj ringoj, per kiuj ĝi pendis sur elstaranta stango, kaj ĝin flugigis al la kapo de preterpasanta kamparano. Tiu estis serioze vundita. Post tiu okazintaĵo, la Bonulino plu ne estis ŝatata kaj oni eknomis ŝin la Malbonulino…

# 4. Aventuroj de Franciskano

[F. Olbrechts – *Vlaanderen zendt zijn zonen uit* – Davidsfonds, Leuven 1942]

Kiam la franciskana fratulo Pieter Fardé (1686-1691) el Gent en Flandrujo eknavigis en Majo 1686, por okupi gravan postenon ĉe sia ordeno en Jeruzalemo, li certe ne imagis ke lia sorto estos ĉio escepte serena administrado en la Sankta Lando. Jam tri tagojn post kurta ŝiphalto en Lisabono, la ŝipon, sur kiu li estis pasaĝero, sovaĝe atakas kvino da alĝeriaj piratŝipoj. Tiutempe tia atako ne estis raraĵo, ĉar en la arabaj landoj oni bezonegis sklavojn, ĉu kiel servistojn aŭ kiel galeroremistojn. La kristana ŝipo estis sufiĉe bone armita por tia eventualaĵo, sed kontraŭ floto de malamikoj ili apenaŭ havus ŝancon. Okazas arda marbatalo kiam rapide formiĝas uragano kiu rapide disbatas ĉiujn ŝipojn kaj ĉesigas la batalon. La kristana ŝipo postrestas sola, sed nombras multajn mortintojn kaj vunditojn. Kun granda peno, post restarigo de la frakasita ĉefmasto, la kapitano sukcesas stiri sian ŝipon al la sekura haveno de la Acoro-insuloj. Tie ĉio estas riparata kaj post tri monatoj oni denove velas al Mediteraneo. Feliĉe, plu ne montras sin kaperistoj … ĝis proksime al la insulo Kreto. Tie islamaj piratoj sukcesas baldaŭ bruligi la kristanan ŝipon, kiu minacas eksplodi pro la kanona pulvo stokita. Ĉiuj saltas en la maron kie parto de la anaro dronas sed la plimulto estas elfiŝita kaj kaptita. En la urbo Bone oni vendas sur la merkato jam kvar el la kaptitoj, inter kiuj nia franciskano. Fratulo Pieter havas la bonŝancon esti aĉetita de riĉa muzulmano, kiu dum jaroj mem estis sklavo en Italujo kaj vere humane traktas siajn "posedaĵojn". En Agadeso, je la alia flanko de la Hamada-dezerto, la monaĥo konstruas por sia mastro specon de itala vilao, estante sperta pri pluraj metioj. Sed unu el la renegatoj — Eŭropanoj kiuj pro tiu aŭ alia motivo kunlaboras kun la araboj — ĵaluza pro ĉiuj privilegioj kaj bonfarto de Pieter, igas lin per falsa akuzo ĵeti en karceron, kie oni kruele torturas lin. Lia mastro fine sukcesas lin liberigi kaj lin flegi tiele ke li kapablas relative rapide resaniĝi. Li ankaŭ ricevas okazon

sendi leterojn al sia ordeno kaj sia familio en Flandrujo, por konigi siajn travivaĵojn kaj peti sendon de elaĉeta monsumo. Tio fariĝas kaj la bonkora mastro for-liberigas sian monaĥan sklavon, kvankam kun ĉagreno, al portugala komercejo ĉemara, kun provizoj kaj ekipaĵoj, piedirante. Sed ve, la fratulo nerimarkite erarvojaĝas kaj falas en la manojn de maŭraj rabistoj, kiuj forprenas ĉion de li, ĝis eĉ liajn vestaĵojn. Nuda kiel vermo li vagas dum kelkaj tagoj tra la dezerto, ĝis kompleta elĉerpiĝo. Jam sur la sojlo de la morto, denove venas savo en la formo de preterpasanta karavano de nigruloj. La estro lin kunveturigas kaj prizorgas. Finfine li do tamen atingas liberan havenon en Angolo, de kie li denove povas ekspedi leterojn hejmen. Ĉu nun finite pri liaj misfartoj ? Tute ne. Li ja normale enŝipiĝas, sed ie en la regiono de insulo Sankta Helena, lian velŝipon surfalas terura ŝtormo. Granda fulmo disbatas la navigilon kaj nia fratulo rekonsciiĝas en la maro, ĉirkaŭbrakante lignan trabon. Kiam la ŝtormo kvietiĝas li vidas sin tute sola, meze de derompaĵoj. Kuraĝe li sukcesas iel kunligi lignaĵojn kaj sur tiu flosaĉo lasi sin drivi ĝis iu nekonata insuleto, apenaŭ pli ol klifo. Ĝi estas tute senhoma sed provizas sufiĉe da fiŝoj kaj trinkebla pluvakvo por konservi lian vivon. Preskaŭ tuta jaro pasas antaŭ ol iu ŝipo denove preternavigas. Oni rimarkas liajn furiozajn signalojn kaj li povas enŝipiĝi. Kie ? En pirato-ŝipo. La islama kapitano akceptas lin transporti je kondiĉo ke li repagu (per altega sumo) tiun servon, laboregante en ŝipfarejo apud Rabat. Tiel okazas kaj, kiel laboristo kaj ne sklavo, li denove povas sendi novaĵojn pri sia farto. Oni alifoje ekspedas elaĉetan monon kiu atingas sian celon. Li reveturas surmare kaj (evidente) post pluraj novaj ŝtormoj kaj malhelpoj, li atingas la germanan havenurbon Hamburg. De tie li reatingas en 1691 sian hejmurbon kaj sian klostron. Li mortas, post malgranda vojaĝo, en Aachen, fizike plu ne eltenante. Parenteza rimarko: dum siaj “vojaĝoj” li sukcesis konverti multajn homojn al Kristanismo …

Ĉi-sekve la epizodo de la unua marbatalo.

Nu is het tijd om kennis te nemen van de verwoestingen die het vijandelijk artillerievuur aan boord van “De Liefde” heeft aangericht. De beschrijving die Fardé, in al het ongekunstelde van zijn stijl, hiervan ten beste geeft, kan niet verbeterd worden:

*Nu, al in stilte zynde, gingen wy allegaeder de welke nog leefden, en niet bezonders gequetst en waeren, overzien de gesteltenisse van ons schip, het welk wy qualyk niet meer en kenden, door de groote ruïne van het zelve; het was een groot schip, met alleen het overblijvzel van het klein mastjen, genaemt de Focque-mast; de blinde zeylen waeren wy ook queyt, dat zyn de voorste uytsteekende zeylen die aen het voorste van het schip zyn; de keuken rond uyt den heelen boord van het schip, de Cahuyt, de Capiteyns camer, met geheel de Gaelderye, was afgeschoten gelyk of er geen geweest en hadde. Voorts het schip was doorschoten, meer als in 50 plaetsen, maer het slimste dat er van was, was dat het schip in 7 plaetsen lek geschoten was, en het schip was wel het derde deel vol water, zoo dan niet zonder perykel en zyn geweest van te zinken; het eerste dat wy deeden, was dat wy ophaelden het Cruyszeel met de Focq, en dan met alle man het water uyt het schip gepomt en uytgegoten, en alle leekgaeten gestopt hebbende in de tyd van 4 uren, lieten het schip alzo dryven op Gods genaede, naer hetwelke wy t’avontmael kregen; maer wy en hadden in dit avontmael zooveel brood niet van noode als in het voorgaende, want den hoop al vry wat gemindert was van doode en gequetste; wy waeren allegaeder als Monsters mismaekt, zwart van het poeder en schieten, gescheurt en rood van het bloed, dat er overvloedig was loopende en verklontert lag in alle plaetzen van het schip; het scheen dat ons schip in een Slaghuys der Menschen verandert was, want waer men gonck men vont er niet dan dooden. Het gehuyl en kermen der gequetzte was zoo vreezelyk om hooren, dat ons hert scheen te bezwyken van droefheyd.*

De doden worden geteld — er waren er drie-en-twintig — overboord gelaten en in zee begraven.

♦ Nun estas tempo por informiĝi pri la detruoj, kiujn okazigis la malamika artileria fajro al la ŝipo *De Liefde* (La Amo). La priskribo kiun donis Fardé, en sia senartifika stilo, ne estas plibonigebla:

*Nun, estantœ silentœ, nos cheyuy cuyuy anocorez wiwiims ed ned tro wunditay estiims, Situatzion noses Shipes controliims, cuyun apenez reconiims, pro grandam Ruinizzom eghiam. Grandam Shipom estit, cum solœ Etmastom postrestintam, Zhibom nomatam. Ancez Phrontoweloy perditay estiit, ityuy antezay exstrechantay Weloy estait. Ityuy Cuireyom, Bordom chirquezam, Cayutoy, Capitanes Chambrom, cum tutam Galeriom phorpaphitay estiit, cùazes nemyahem eczistiit. Pluœ Shipom in plid ol 50 Locoy trapaphitam estit ed iyed tridonom per Acwom plenam, secwœ in Dangherom sinquit trowizzit. Unnam Apherom cuyun phariims, estit supred hisir Stayon cum Zhibom, ed ityahem corpœ ed corœ Acwon ex Shipod pumpirir ed exwershirir. Post cuyahem cheyuyn Lictruyoyn shtopitayn estiims in 4 Horoy Tempes, Shipon driwir lasiims selez Dies Plachom, ed Wespermanghon ritzewiims. Sed in Ismanghom ned ityohem del Panes bezoniims ol prezzœ, pro Mortintoy ed Wunditoy. Nos cheyuy cùazes Monstroy estiims, nigray pru Pulwom ed Paphirom, shiritay ed per Sangom cowritay, cuyu abundœ phluit aù coagulitam estit in cheyuy Locoy Shipes. Shaynit cùazes Shipom nosam transphormitam estit adi Bucheyod Homeys, char aynœ cuyœ onirit cheyœ Mortintoyn ontrowit. Hurlirom ed Ghemirom Wunditeys ityel teruram estit por awdir, que Coroy nosay pru Chagrenom colapsir shaynut.*

La mortintoj estis nombritaj — estis dudek tri — transbordigitaj kaj en la maro entombigitaj.” ♦

# 5. La Paroĥo de Mizero

## Barbet-Kaptistoj (I)

[*De Parochie van Miserie* – John Wilms – Antwerpen 1973]

Tiu-ĉi populara rakontaro pri “La Paroĥo de Mizero”, kiu folklore priskribas buntan vivon de la proletaro en la havenurbo Antverpeno, ĉirkaŭ fino de la 19-a jarcento, entenas multajn dialogojn en la loka dialekto, sed ankaŭ citaĵojn el antikvaj tekstoj. En jena ĉapitro temas pri la kvazaŭ sporta kaptado de paruoj, popularnome “barbetoj”, kaj aliaj kantobirdoj por ilin kantigi konkurse.

* * * * * * * * * * * *

♦ La emon kaptadi barbetojn devas esti hereda sangotrajto de la “Sinjoroj” [kromnomo por denaskaj antverpenanoj] ĉar en la tagĵurnalo *Antwerpsche Nieuwsblad* de 5 Oktobro 1819 ni trovas la ĉi-sekvan artikoleton, kiun ni volonte transprenis ĉar ĝi demonstras ke jam tiutempe estis tio malnova popoldistraĵo kaj ke iuj moroj kapablas tenace pluvivadi en la tradicio.

> *Hierez Matenom iyed 7-am Horom in Larghostratom, in iyed Rosier-Cwartalom, cumiguitam trowizzit Anarom del triddec aù cùardec Yunuloy, cheyuy egalœ per contzernay Yacoy aù per bluay Chemizoy Camparaneys westitay, del Muzicom Harmonies acompanitay. Isityom por grupœ Urbon exirir tzelœ adi Barbetcaptirom: cum traditziam Strigom ed Pechowergoy. Sed, prezz ol phoririr, ilùi amase chirquez-starantan Publicon surstratœ per gayam Cantirom regaliit. Ityom subez Pluwetom ocazit, cuyu bedaùrimdœ plud daùrit ed ecche phortizzit, ityelœ que sihan planitan Plezuron ilùi rezignir dewiit ed chesiguir; almenez cuyohem Birdocaptirom contzernit. Shaynœ ned sonzcuraghiguitay estiit, ityalque eghin phatzilœ per altriay Amuzoy anstat-*

*eziguir powiit. Multay isityeys yunay Phriponetoy, por tzertœ ned malphruir, yamen abu Prezzwesperom cumiguir comentziit, in modestam Gasteyom adi is=Tzelom destinitam. Ancorez altriay Sotzietoy por samam Amuzom phonditay, hierez cumay weniit, cay samœ del Pluwom malhelpitay estiit. Onwidat des qu'isityu Eczertzom, yamen del ityel longuœ propram adi Antwerpenanoy estantam, chez ilùi pludwiwat. Eghi chez actualam Yunularom ecche cum Ardom practicatam estat, ed del Manghed Trincphestenom secwatam, ghisquez in Noctom prophundam.*

*Similay Spectacloy, prid Carnawalam Westirom memorigantay, ed del curaghay Geyunuloy exlaboritay, anquez hodiezmatenœ ocaziit. Stratoyn tra cuyuy dephiliit, ilùi per Gayescom ed Agemom pleniguit, post cuyahem ilùi Naybararon sihes Cumweneyom, dum Partom Noctes, iyed Dormom sonziguitay estiit, pro sihay Trumpetirom ed Bruirom. Cuyam Suphlorom, ityam Actorom ...*

Estis specife antverpena amuzaĵo, tiomgrade ke niaj urbanoj iam tiam ankaŭ la moknomon "barbetkaptistoj" devas aŭdi. Ĝi aludas la multenombrajn societojn de antverpenaj amatoroj, kiuj iamtempe "ekiris kun sia strigo" por kapti paruojn. La anoj de tiaj grupoj, 20- ĝis 30-opaj, vestis sin kiel kamparanoj per blua kitelo kaj ruĝa ĉirkaŭkola tuko. Ili ĉiuj kunportis rektan aŭ kurban bastonon, ŝmiritan per peĉo aŭ gluo. Ĉekape de la grupo paŝadis komike kostumita ŝercemulo, portanta birdokaĝon kaj vivantan strigon.

Kantante laŭ la ritmo de tamburoj, ili marŝadis per vicoj de du homoj ekster la urbon, por kapti birdojn. La barbetoj lasis trompi sin de la alligita strigo, kaj laŭvorte gluiĝis al la bastono. Unu el la antverpenaj ĵurnaloj raportis, ke en 1866 iu societo tute sola sukcesis kapti pli ol 850 birdojn dum nura seso da ekskursoj ! Koncernaj refrenkantoj el tiu tempo havigas kolorplenan bildon

pri tiu “sporto”, klare indikante ke ĝi estis nura preteksto por la ĉefaĵo: festeni.

Ĉiu kompanio havis propran kanton, kiun ĝi kutime aŭdigis antaŭ la gastejo, kie okazus la “sensoifigo”. La membroj cirkle sin arigis kaj elektita kantisto, starante en ilia mezo, laŭtvoĉe kantis la strofojn, dum la ceteraj ĉiufoje respondis per la refreno, laŭ la maniero de kafejkoncerto.

Ĉiu grupo ankaŭ posedis puniston, kiu daŭre tintigis ladan monerujon sub la nazoj de la membraro, postulante dek cendojn da monpuno pro tiu aŭ alia — plejofte imaga — peko kontraŭ la regularo. La anoj pagis senproteste, sciante ke la punmono je fino de la eskpedicio ja trafluos iliajn gorĝojn, en formo de ŝaŭmanta hordeobiero aŭ juniperbrando.

Nia urbo nombris multajn tiajn klubojn de birdokaptantoj, kies strigoj portis la nomon de tiu aŭ alia fama militisto. Kiam unu el tiuj logbirdoj mortis, oni solene diskonigis tion al la kolegaj kluboj, invitante ilin veni por saluti la korpon de la formortinto. La kadavron ili eksponis en sia klubejo, inter brulantaj kandeloj, kaj la ceremonio finiĝis per funebra komunmanĝado, dum kiu oni laŭdis la kvalitojn de la “forpasinto” per kortuŝaj oratoraĵoj.

La aktuala leĝa malpermeo pri ĉasado je insekt-manĝantaj birdetoj feliĉe metis finon al tiuj barbaraj buĉ-ekskursoj. Tamen, pro tio la kluboj ne disfalis. Kvankam kaptado de barbetoj nun estas malpermesita, ili plu portas sian titolon kaj eĉ floradas pli ol iam antaŭe. La kaĝoportisto laŭtradicie daŭrigas marŝadi ĉekape de la kompanio. Nur la vivantan strigon anstataŭas pajloŝtopita kolego. Ili ankoraŭ ekskursadas eksterurben, sed nur por tie kunsidi ĉe la manĝotablo de konata gastejo kaj fini la tagon per gaja festeno. ♦

**[La sekvon kun dialektaj dialogoj oni povas legi en la tria volumo de mia Sociolekta Triopo: “Popido, la Verda Dialekto”.]**

# 6. La Kariljono de Antverpeno

[El *Beiaardconcerten 1970* – urba turisma eldono]

> Wanneer precies de eerste beiaarden ontstonden weet men niet met zekerheid. Wel staat vast, dat na Duinkerke (1477) Antwerpen een van de oudste beiaardtradities bezit. Reeds in 1478 was hier een klokkenpel in gebruikt, nl. in de kapel van Onze-Lieve-Vrouw: *Anno 1478, den 12 february, op eenen Vrijdagh, is tot Antwerpen in de nieuwe kapelle van Onze Lieve Vrouwe in de voorst. kercke aldereerst begon te singen. Onze Lieve Vrouwenloff ende op de orgelen te spelen, oock met de clocken aldereerst te spelen oft te byerden ...*

♦ Sonoriloj estas uzataj de ne memoreblaj tempoj. Proksimume mil kvarcent jarojn antaŭdate la Ĉinoj jam mastris la arton de sonorilfandado. Tamen daŭris ankoraŭ longe ĝis disvolviĝis plenvalora sonorila muzikado. Estas sole en la sesa jarcento postdate ke oni mencias sonorilojn, nome en la itala provinco *Campania*. Tra la jarcentoj oni utiligis tiujn-ĉi bronzajn muzikilojn por ĉiuspecaj celoj kaj iom post iom oni havigis al ili specifajn taskojn en la komunuma vivo. Tiumaniere elkresis ampleksa sonoril-tekniko, kun altaj artismaj kvalitoj, al kiuj kontribuis precipe la sonorilmuldistoj mem, dezirante atingi plej grandan perfektecon tiel sur plastika kiel sur akustika terenoj.

Pli poste, ĉefe pro influo de la ĝenerala dica kultursituacio — en kiu la sonorilgisa metio okupis elstaran pozicion — la izolita sonorilo en sia aktuala formo disvastiĝis tra la tuta mondo. Tial estas jam preskaŭ neniu lando en kiu ne trov-eblus sonoriloj.

Rilate kariljonojn, do sonorilarojn, statas iomete malsame. Tiuj-ĉi kompleksaj instrumentoj gajnis konatecon nur mal-rapide, ekster la dicaj landlimoj, spite la fakton ke multe da fremduloj raviĝis pro la mistera sorĉo de nederlandaj sonorilaroj, kutime muntitaj en altaj turoj por dissemi sian muzikon tra la tuta urbo. Princoj, reĝoj, kaj imperiestroj

esprimis sian admiron pri la ĉarma turmuziko; artodesegnistoj, poetoj, kaj muzikistoj kiaj Charles Burney, Joost Van den Vondel, Victor Hugo, Peter Benoit, kaj Alfred Ost, laŭ propra certigo ofte trovis inspiron aŭskultante la arĝentajn kariljonsonojn.

Precize kiam estiĝis la unuaj kariljonoj oni ne scias kun certeco. Tamen jes certiĝis ke post *Duinkerke* (1477), estas Antwerpen kiu posedas unu el la plej malnovaj kariljonaj tradicioj. Jam 1478 funkciis tie sonorilaro, nome en la kapelo de Nia-Kara-Sinjorino Maria, kiel atestas ĉi-sekva fragmento el la urbaj arkivoj: *In Yarom 1478, estantœ Wendredom, unnamphoyœ cantirir oncomentzit in nowam Capelom Sanctes Dipatrinnes in ityu Chephpregheyom del Antwerpenom, ocazœ carsinyorinnes Laùdom cay Orgenon ludir ed anquez Carilyonon, cuyom Sonorilom estat ...*

Kvindeko da jaroj poste iu monaĥo, el la Abatejo de Sankta Miĥael en Antverpeno, rakontas kiel tiu unua kariljono funkciis: ... *ed in samam Yarom in Antwerpenom onludir comentzit iyed Sonoriloy, ityeys Cordegoyn per Bastonoy tirigantœ.*

Pri kiom da sonoriloj temis kaj kiuj estis iliaj gisintoj, ne estas sciate. Verŝajne tio koncernis instrumenton kun dek aŭ dudek sonoriloj, ĉe kiu nombro la eblecoj por muzikadi nature estis limigitaj.

Iom post iom tiele estiĝis kariljona tradicio, kunkonstruata de bonaj kaj malpli bonaj kariljonistoj: Eliseus (1481-15??), Sampson Van Sollborch (1539-1560), Jacques Rieulin (1560-1585) — kiu lasta "*Carilyonulom*" aŭdacis agaci la tiamajn regantojn ludante *"Baladoyn malpiayn"* anstataŭ la kutimajn psalmojn — Jean Rieulin (1585-1629), Hubert Cramme (1629-1687). ♦

**[Necesas tie-ĉi rimarkigi ke fervora kaj sperta esperantisto, Jo Haazen, siatempe prezidanto de la Esperantoklubo "La Verda Stelo" en Antverpeno, ankaŭ dum pluraj jaroj ludis tiun kariljonon. Li eĉ iĝis profesoro pri kariljonado, ne nur propralande sed ankaŭ eksterlande. Li i.a. sukcesis interesigi Japanojn por la instrumento, sekfe de kio pluraj ekzempleroj tie instaliĝis. - ndlt]**

♦ Post kiam oni ekpensis en 1651 riparigi la urban kariljonon de Antverpeno, oni atingis interkonsenton nur en Novembro 1654 kun la specialisto François Hermony, sed ne antaŭ ol esti faliginta la unuan planon ŝarĝi iun Florent de la Cour per tiu tasko. Komence oni kontentigis sin per kariljono de 32 sonoriloj, surbaze de centra sonorilo kiu estis unu tutan tonon pli basan ol la antaŭa, nome per **d’** kun diametro de 1386 mm kaj pezo de proksimume 1575kg. (La ekzakta valoro de tiutempaj mezurunuoj ne estas tutprecize determinebla.) La novajn sonorilojn gisis en 1655 François Hemony kaj ties frato Pieter. Ĝis kioma grado la horindika sonorilego “Gabriël”, muldita de Jan kaj Willem Hoerken en 1459, tiam formis parton de la ludilaro, estas ne tute klare. Tri jarojn poste tiu-ĉi **a**°-sonorilego (diametro 1948 milimetroj, pezo ĉirkaŭ 6000 kg), tamen estiĝis bazo de la kariljono. En 1658 nome muntis François Hemony inter la ekzistanta horindika sonorilo kaj la kariljono pliajn kvar sonorilojn, tiele formante serion de 37 sonoriloj. Rimarkindas ke la kvar novaj bronzaj iloj fandiĝis en Amsterdamo fare de François kaj ne de Pieter Hemony, kiu lasta interdume ek-loĝis en Gent kaj tie establis propran sonoril-muldejon.

En 1751 la instrumentegon vastigis per tri malgrandaj sonoriletoj la gisisto Joris du Mery el Brugge. Sekvis fine en 1912 plia vastigo per 7 sonoriletoj fare de Felix van Aerschodt el Leuven. Tiumaniere la kariljono atingis sian hodiaŭan amplekson de 47 sonoriloj tra kvar oktavoj.

En la kvindekaj jaroj ĉiuj sonoriletoj de du Mery, escepte de unu, plus tiuj de Van Aerschodt anstataŭiĝis per serio fabrikita de M. Michiels el Doornik (Tournai). Krom la pri-parolita kariljono ekzistis dua en la turo de N.S. Sinjorino, ankaŭ gisita de F. kaj P. Hemony. Tiel-ĉi Antverpeno posedis du kariljonojn en unu kaj sama turo, kio atestas pri la grandvaloreco de Antverpeno kia artocentro, kia komercocentro, kia mondhaveno, kia Hanso-urbo. Bedaŭr-indege oni translokigis tiun duan kariljonon en 1957 al Hoogstraten, kie ĝi ankoraŭ nun troviĝas.

Antaŭ nelonge farita scienca esploro demonstris ke la urba kariljono de Antverpeno estas unu el la plej bonaj, se ne la entute plej bona metiaĵo de la famaj sonoril-gisistoj F. kaj P. Hermony. Precipe pro tonpureco kaj homogeneco de la instrumentego. Kiom koncernas tonpurecon estas ja sciinde ke ĉiu sonorilo havas, apud sian fraptonon (ĉef-tonon), tutan serion da kromtonoj aŭ harmonoj, akord-igitaj ĝis eĉ unu centono de duontono ! Strange, diras vi. Kiel eblas do, ke tiom da kariljonoj sonadas "false" ? Unua-vice oni devas enkalkuli la fakton ke ĉiuj antikvaj sonoril-aroj fandiĝis laŭ la "ne temperita tonsistemo", al kiu niaj dudek-jarcentaj oreloj plu ne kutimas. Krome necesas enkalkuli ke multaj malnovaj sonoriloj estas eluzitaj aŭ "koroditaj" de la atmosfero, de pluvo kaj vento al kiuj ili dum tiom da jaroj estis elmetitaj senprotekte. Kaj ne nur tio, sed ankaŭ moderna malpurigado de la atmosfero, kaŭze de ĥemiaj el-lasogasoj el aŭtomobiloj, el hejmoj kaj fabrikejaj fumtuboj, forte atakadas la sonorilan bronzon. Evidente estiĝas tiu-maniere tondevioj kiuj foje aĉimpresas la aŭskultantojn de kariljona koncerto. Alia faktoro, partoprenanta en "falsigo" de kariljona sonado, estas la vento kiu pro sia ŝanĝiĝema forto misformas la disen ŝvebantajn sonoriltonojn.

Tamen, malgraŭ ĉiuj-ĉi malfavoraj cirkonstancoj, kariljono estas kaj restas tre tipa instrumento, kun mistereca ĉarmo, sonanta el neatingebla altejo kaj inspire efikanta al homoj kiuj ŝatas romanecan stilon. ♦



# 7. La Dormanta Profeto kaj la Majaoj

Edgar Cayce (1877-1945) estis usonano kun fortaj parapsikaj kapabloj, kiujn li mem ne povis irigi aŭ regi, sed ja alia persono je kiu li fidis. Tiukaze li kuŝiĝis, perdante la konscion, kaj eniris trancon dum kiu lia spirito vagadis tra spaco kaj tempo, por trovi respondon al demando kiun oni al li estis stariginta. Multaj malsanuloj, ne trovinte resaniĝon ĉe la oficiala kuracistaro, venis lin konsulti. En spirito li vidis tiam la originon de koncerna malsano, ĉu mensan aŭ korpan, kaj preskribis kuracmetodon aŭ medikamenton. Apud kutimaj aŭ hejmfaritaj rimedoj, tio povis esti io kion konis nur iu tribo en Afriko, aŭ io kiun iu kuracisto el antaŭa jarcento kunmetis, aŭ kio ankoraŭ ne ekzistis. Liaj sukcesoj estis tiom multaj, ke la homoj amase provis kontakti lin, kaj pro kio li baldaŭ ricevis la kromnomon "Dormanta Profeto". Li ja ne nur priskribis la sanstaton kaj personecon de donita paciento, sed — por tiuj kiuj kredas je ĝi — ties antaŭajn "enkarniĝojn" kaj la ĉirkaŭaĵon aŭ regionon en kiu tiu tiam vivis. Tiamaniere iom post iom amasiĝis sciindaĵoj — la tiel nomataj *readings* — precipe pri la tre fora pasinteco (Atlantis), kiun kolektis speciale fondita societo, la *Association for Research and Enlightenment,* kaj kiujn "legaĵojn" tiu ankoraŭ daŭre ekzamenas. La fona doktrino de Cayce [khejsi], rezultanta el kunmetado de la milpeca puzlo, tamen impresas kiel nokta premsonĝo. Nu, kio aparte interesas nin tie-ĉi estas fakto ke la Dormanta Profeto entrance parolis tute nekutiman lingvaĵon, kun arkaikaj parolturnoj kaj enigmaj envortigoj. Jen el la libreto *The Maya* [Carolyn Hatt – ARE Press – Virginia 1976] mallongan ĉerpaĵon:

**Maya Origin according to the Cayce readings**

> … The cradle of Maya civilization, say the readings, lies in the ancient days of Atlantis. Since the story of Atlantis is not only a material history, but also a spiritual history of early man, from the time spirit takes form and enters the earth plane as a material being, let us begin there.

The advent of man occurred in five different places, referred to as the “five projections”, that is, the simultaneous creation of the five races on earth. Man’s entry on this planet happened much earlier than is accepted by scientists, about ten and one-half million years ago.

In Atlantis, those souls taking on matter took on: ... *that form as the red, or the mixture peoples – or others; known then later – as the red race.* (364-3)

As the races were developing, the red race in Atlantis for some reason was able to develop faster than the others: *These, then, able to use in their gradual development all the forces as were manifest in their individual surroundings, passing through those periods of developments as has been followed more closely in that of the yellow, the black, or the white races, in other portions of the world; yet with their immediate surroundings, with the facilities for the developments, these became much speedier in this particular portion of the globe than in others.* (364-3).

When man entered the material realm, the earth’s surface was vastly different than what we know today. For change in the earth’s surface: ... *has come forth since this period, era, age of man’s earthly indwelling. – Many lands have disappeared, many have appeared and disappeared again and again ...* (5748-1,2).

For example, the polar regions were tropical, the Sahara was fertile, the Urals were a tropical land. As to the location of Atlantis, it occupied roughly the area which Plato ascribed to it: *The position – the continent Atlantis occupied is – between the Gulf of Mexico on the one hand – and the Mediterranean upon the other. – That along the Atlantic board (of the United States] formes the outer portion then, or the lowlands of Atlantis.* (364-3, 13).

Even as the red race was rapidly developing in Atlantis, the readings indicate that at an early stage dissensions began to divide the Atlanteans into two camps. At first it was not a definite separation, but gradually the breach widened until finally it was irreconcilable. Some of the people had begun to use their advent on earth for sensual pleasure and purely selfish gratification losing sight of the divine realm from whence they

had come. These were the periods, says reading 618-3: ... *when there were the encasements and indulgencies of many that had put on matter or material bodies.*

The loss of divine attunement happened gradually: ... *and there crept in those pollutions – that brought contempt, hatred, bloodshed and those that build for desires of self without respect of others' freedom, others' wishes – and there began, then, in the latter portion of this period – dissenting and divisions among the peoples in the lands.* (364-4)

An important concept is being described here. These readings are saying that God allowed his companions, these entities that were once part of the divine consciousness, to explore and experience the universe as they chose. When these souls decided to take on materiality, God did not interfere, for He had endowed each of them with the gift of free will. Thus it is that man who turned his back on the godliness of his own being, who dulled his sense of oneness with the Father to such an extent that he eventually lost all memory of his own divinity. As the readings say, he became "encased" in a three-dimensional world, heavy with form, unable to move freely back into the spirit realm, not even desiring to do so. The readings call those who had lost all contact with God, the Sons of Belial, and describe: ... *the gratifying, the satisfying, the use of material things for self, without thought or consideration as to the sources of such nor the hardships in the experiences of others. Or, in other words, as we would term it today, they were those without a standard of morality. The sons of Belial had no standard, save of self, self-aggrandizement.* (877-26).

However, there were other entities who, although not able to move at will back into the state of union with God, retained the memory of their previous state and were motivated by the desire for return. They sought to show the way to others, to use the material gains and spiritual forces in beneficial ways. The readings call them "Sons of the Law of One", and tell us they believed: ... *that the soul was given by the Creator or entered from outside sources into the projection of the mental and spiritual self – that was the standard of the Law of One, but was rejected by the Sons of Belial.* (877-26).

> Now the stage is set for the first destruction of Atlantis (the readings mention three), the egress of peoples from that continent, and the eventual peopling of the Yucatan peninsula.

### Origino de la Majaoj laŭ la Cayce-legaĵoj

♦ La lulilo de la majaa civilizo, diras la legaĵoj, troviĝas en la praaj tagoj de Atlantis (Poseidonia). Ĉar la historio de Atlantis estas ne nur la materia, sed ankaŭ la spirita historio de la praa homo, ek-de kiam tiu spirito akceptis formon kaj eniris la terebenon kiel konkreta entito*. Do, komencu ni tie.

La apero de la homo okazis en kvin malsamaj lokoj, indikitaj kiel "kvin projekcioj", tio estas la samtempa kreo de kvin rasoj sur Tero. La homa alveno sur tiu-ĉi planedo okazis multe pli frue ol akceptate de sciencistoj; proksimume antaŭ unu kaj duon milionaj jaroj.

En Atlantis, la animoj kiuj akiris materion, alprenis: *ityan Phormon cuyel rughay aù mixitay Gentoj - aùdie coloray; postez conatam cuyel rugham Rasom.*

Dum tiu rasoj disvolviĝis, la ruĝa raso de Atlantis iukiale sukcesis pli rapide evolui ol la ceteraj: *Isityuy des, capablay cheyuyn Phortoyn maniphestizzantayn in ilùiam Chirquezazhom utiliguir, ityuyn Periodoyn Diswolwizzes trapasiit, cuyuyn spertiit anquez plid intimœ ityuy phlawam, nigram, aù blancam Rasom in altriay Partoy Mondes; tamen cum sonzperam Chirquezazhom, cum ityes Eblescoy por diswolwizzir, ilùi plid rapidœ in isityu spetzipham Partom Globes progresiit, ol in altriay.*

Kiam la Homo enpaŝis la materian regnon, la terusurfaco estis vaste diferenca de tio kion ni konas hodiaŭ, ĉar ŝanĝiĝoj en la tersurfaco: *... ophtegœ ocazit abu isityu Periodom, Eraom, Epocom del homam Enloghirom. Multay Landoy malaperiit ed multay aperiit ed malaperiit, reœ ed reœ.*

Ekzemple, la polusaj regionoj estis tropikaj, Saharo estis fekunda, Uralmontaro estis tropika lando. Kiom koncernas la situon de Atlantis, ĝi pli-malpli okupis la areon kiun Platoon al ĝi atribuis.(1) *... Pozitziom, cuyun Atlantisom ocupit, inter Golphom Mexiques unnphlanquœ estit ed Mediteraneom altriphlanquœ. / Ityom selezlonguœ del (nord-americam] atlanticam Marbordom ityahem exteran Parton del Ebenazhoy Atlantises phormit.*

Dum la ruĝa raso estis rapide evoluanta en Atlantiso, la legaĵoj indikas ke jam en frua fazo malkonsentoj komencis dividi la Atlantojn en du kampojn. Unue ankoraŭ ne estis definitiva separo, sed laŭgrade la fendo pli kaj pli larĝiĝis ĝis fine ĝi estis ne riparebla.

Iuj popolanoj ekkutimis utiligi sian aperon surteran por sensaj plezuroj kaj personaj kontentigoj, perdante el la vido la dian restadejon el kie ili estis venintaj. Tiuj estis la periodoj dum kiuj legaĵo 618-3 diras ke: .. *estit ityuy Encapsuligoy ed Memindulgoy multeys, cuyuy Materion surmetiit aù Corpon materian.*

La forperdo de dia akordiĝo okazis iom post iom: *enshtelizziit ityuy Polutzioy, cuyuy Malestimon, Malamon, Sangexwershon cumportiit, ed ityay cuyay adconstruait por Uzom Inclineys indiwidueys, sonz Respectom por altrieys Liberescom, altrieys Deziroy; ed ityahem, in postam Phazom isityes Periodom, Malacordoy ed Disdiwidoy equit inter Gentoy Landeys.*

Tie-ĉi estas priskribata grava koncepto. La legaĵoj indikas ke Dio permesis al siaj kunuloj, la entitoj* kiuj iam formis parton de la dia konscio, esplori kaj sperti la universon laŭ ilia plaĉo. Kiam tiuj animoj decidis materiiĝi, Dio ne enmiksiĝis, ĉar Gi* estis dotinta ĉiun el ili per la donaco de libera volo. Tiele estis la homo mem kiu turnis sian dorson al la dieco de sia propra estaĵo, li mem kiu malakrigis sian senton pri unueco kun la Patro, ĝis tia grado ke li finfine perdis ĝis la memoron pri sia propra dieco. Kiel diras la legaĵoj, li iĝis “enkapsuligita” en tridimensia mondo, peza

pro la formo, ne kapabla libere moviĝi retre al la spirita regno; eĉ ne dezirante tion.

La legaĵoj nomas tiujn kiuj perdis ĉiun kontakton kun Dio la "Filoj de Belial", kaj eksponas: *... ityuyn Plachigon, Contentigon, Utiligon Obyecteys Materieys por Memom, sonz Pensom aù Considerom por ityeys Phontoy, nec por Supheroy in Spertom altrieys. Aùdie, per Wortoy altriay, cuyel nos hodiez ityon phormuluit, estiit ilùi ityay sonz Normoy prid Moralom. – Gephiloy Beliales nemyun Condut-regulon hawiit estzeptœ prid Memom, prid Memglorigom.*

Tamen ekzistis aliaj entitoj* kiuj, kvankam ankaŭ ne estante kapablaj libere moviĝi returne al la stato de unueco kun Dio, konservis memoron pri sia antaŭa stato kaj estis motivigataj per la deziro returni. Ili klopodis montri tiun vojon al aliaj, uzi materian profiton kaj spiritajn povojn en bonfara maniero.

La legaĵoj tiujn nomas "Filoj de la Leĝo de Unu" kaj instruas ke ili kredis: *... que Animom donatzitam estit del Creintom aù ex exteray Phontoy inirit Proyectzion prid mensam ed spiritam Memescom. Ityo Normom prid Leghom Unnes estit, sed eghi phorzhetatam estit pharœ del Gephiloy Beliales.*

Tiel-ĉi la scenejo estis starigita por la unua detruo de Atlantis (la legaĵoj mencias tri tiajn), la elmigrado de popoloj el tiu kontinento, kaj la eventuala popolizado de la duoninsulo Jukatano. ♦

= = = = = = =

(1) Nia fenomena filologo, historiisto, kaj vortaristo André Cherpillod verkis tre detalan kaj kompetentan eseon pri la skribaĵoj de Platoon rilate al Atlantis: *Atlantido, la perdita kontinento* (Courgenard, 1997]. Al tiu mi ŝatus aldoni ke la helena historiisto Herodotus, reprenante tiun antikvan rakonton, situigis la legendan kontinenton "trans la kolomoj de Herakles" kion oni ĝenerale interpretas kiel "trans la Roko de Gibraltaro". Sed ŝajnas ke en iu el la antikvaj helenaj dialektoj, la vorto *stele* ankaŭ povis signifi "altaro". Se tiel, estas ne malfacile identigi la antikvan esprimon kun la grandaj megalitoj (dolmenoj, menhiroj), kiuj iam borderis la okcidentan marbordon de Eŭropo, ek-de Iberujo ĝis Skandinavujo. Hodiaŭ postrestas de tiu kelta (?) murĉenego nur kelkaj

areoj kun ruinoj, ĉar tra la jarcentoj kaj jarmiloj tiuj ŝtonegoj konsistigis bonvenan trov-materialon por konstrui la fundamentojn de domoj, fortikaĵoj, urboj. Vide al la longega mezoceana montoĉeno fendita, kiun oni malkovris submare en la pasinta jarcento, estus miaopinie pli realisme konsideri tiun mitan landon ne kiel vere kontinuan teramason (kontinenton), sed plivole kiel grandan arĥipelagon laŭ la modelo de Indonezujo, Japanujo, Filipinoj kotopo.

M.H.




La Majaoj utiligis du specojn de kalendaroj. Unu, ne tre akurata, por religiaj celoj. Alia (supre), kiu estis tre akurata, por praktikaj celoj. Ĝi estis bazita sur jaro de 365 tagoj kaj 20 monatoj de po 18 tagoj plus ekstraj 5 tagoj fine de la jaro.

# 8. Instruoj

En antikvaj kolektoj de medicinaj preskriboj, gastronomiaj receptoj, kaj procedoj por ion realigi, oni povas foje trovi ankoraŭ ĉiam validajn informojn, sed ofte ili impresas nur komike en la lumo de niaj modernaj scioj kaj teknologio.

## 1. Botaniko

En la Epoko de Renaskiĝo salte antaŭenpaŝis la natursciencoj, precipe pro tio ke pioniraj sciencistoj komencis persone kaj konkrete kontroli kion grekaj kaj latinaj aŭtoritatuloj nur elpensis aŭ senkritike transprenis de antaŭuloj. Unu el tiuj estis Rembert Dodoens (1517-1585), botanikisto kaj kuracisto, kiu en sia epokfara *CruijdeBoeck* (herbolibro) el 1554 skribis la jenon pri la planto abrotano (*Artemisia abrotanum*) en formo de alinea frazo:

> Tsaet … drooch en rouw ghepoedert, oft in water oft in wijn ghesoden, ende ghedroncken, es goet ende seer behulplich den ghenen die haren adem niet wel en kunnen ghesceppen, ende verstopt van borsten sijn, ende dien haer zenuwen ghetrocken ende ghespannen worden, die dat sciatica hebben, die haer water niet wel en kunnen ghelossen, ende den vrouwen die haer natuerlijcke cranckheyt niet wel en kunnen ghecrijghen, want door zyn subtyl cracht soo verdryuet, verteeret, ende doet scheyden alle couwe vochticheyt, slim ende taye fluymen, die longhene, nieren, blase, ende moeder verstoppende syn … in wijn ghedroncken es goet tegen alle fenijn den mensche hinderlyck ende doodet die wormen.”

> ♦ *Eghiam Semom, sequœ ed crudœ pulworiguitam, aùdie in Acwom aùdie in Winom cuiritam, ed trinquitam, bonam estat ed utilam por ityuy cuyuy malphatzilœ sihan Spiron cherpir capablait, ed obstructzitan Bruston hawait, ed cuyeis Nerwoy tiritay ed strechitay estait, cuyuy Isqui-algion hawait, cuyuy ned bonœ sihan Acwon phorphluiguir powait, ed Wirinnoy cuyuy ned suctzesat sihan naturan Malsaneton aquirir, char per siham subtilam Powom eghi*

*ityelœ phorpelat, diguestat, ed secretzat cheyuyn malwarmayn Humidescoyn, phiayn ed tenatzayn Mucoyn, cuyuy Pulmoyn, Renoyn, Wezicon, ed Uteron obstructzait … in Winom trinquitam eghi bonam estat contrez cheyuyn Wenenoyn adi Homoy ghenay ed Wermoyn mortigat.* ♦




Crǔydeboeck.

In den welcken die ghehee le historie/dat es Tgheslacht/tfatsoen/naem/natuere/cracht ende werckinghe/ van den Cruyden/ niet alleen hier te lande wassende / maer oock van den anderen vremden in der Medecinen oorboorlijck/met grooter neersticheyt begrepen ende verclaert es/met der seluer Cruyden natuerlick naer dat leuen contrefeytsel daer by ghestelt.

DEr hooghgheboorne ende alder doorluchtichste Coninghinne ende Vrouwe/ Vrouw Marien Coninghinne Douagiere van Hungheren/ ende Bohemen ꝛc. Regente ende Gouuernante van des K. M. Neerlanden/toegheschreuen.

Duer D. Rembert Dodoens/Medecijn van der stadt van Mechelen.

## 2. Gastronomio

Strangan antikvan recepton publikigis la eklektika Marjorie Boulton en Monato 6/86, dirante: "Ĉu eble en Britio nun re-modiĝos du tradiciaj pladoj, ne viditaj dum jardekoj aŭ pli ? Iam apud Luton oni boligis la *clanger* — eble <sonorpudingo> — vintre satigan rengrasan paston kiu, rulaĵforma, enhavis viandon norde [frunte] kaj marmeladon sude [voste]. Kaj kuireja virtuozaĵo de la mezepoko estas la <bazilisko> — aliloke mortiga monstro, sed ĉe-table farĉita rostaĵo, konsistanta el duono de ansero aŭ kapono, kudrita al duono de porkido eta. *Ansorko* eble, aŭ *porpono* ?



COKYNTRYCE

TAKE a Capoun, and skald hym, & drawe hym clene, and smyte hym a-to in the waste athwart ; take a Pigge, and skald hym, and draw hym in the same maner, and smyte hym also in the waste ; take a nedyl & a threde & sewe the fore partye of the Capon to the After partye of the Pygge ; and the fore partye of the Pygge to the hynder party of the Capon, & then stuffe hym as thou stuffyst a Pygge ; putte hym on a spete & roste hym : & when he is y-now, dore hym with yolkys of Eyroun & pouder Gynger & Safroun, then wyth the Jus of Percely withowte, & serve it forth for a royall mete.

♦ ***BAZILISCOM***

*Caponon prenu, eghin sonzplumigu, malphermu ed Intestoyn extiru. Postez eghin dishacu selez Larghescom del Taliom. Ityahem Porquidon prenu, eghin sonzharigu, anquez eghian Intestaron phorigu, ed samœ eghin selez Larghescom del Taliom dishacu. Nun Nadlon prenu ed Phadenon ed antezan Parton Capones adi postezad Partod Porquides cudru. Ambez cumcudrazhoyn plen-shtopu, samcuyel prid Porcom completam onpharat. Eghin sobres Turnrostilod picu ed eghin rostu. Cuyahem eghi phinrostitam estat, eghin per Owophlawazhom ornamu ed pudrizu per Zinguibrom ed Saphranom. Ityahem sobrezwershu per Petroseles Sucom ed cuyel reghan Pladon sobreztabligu.* ♦

## 3. Matematikoj

♦ Ĉirkaŭ la dekunua jarcento oni enkondukis en Eŭropo la kalkuladon per abako, kiu ilo helpis en la penega kalkul-ado per romiaj ciferoj. Gvidlibroj ĝis en la renesanca epoko do amplekse traktis pri la *Calculirom per Linioy*. Sed en la daŭro de la dekkvina jarcento montriĝis rimarkinda ŝanĝiĝo en disvolviĝo de la matematikoj. Ĝis tiam, la pezo-centro de instruado kuŝis ĉe kleraj universitataj profesoroj, kiuj docentadis en Latino pri la geometrio de Euclides, aŭ ĉe katolikaj monaĥoj, kiuj utiligis la hereditan matema-tikan sciaron por kalkuli la datojn de la Paskofesto. Tiam-ĉi kontraŭe estas — precipe pro influo de la floranta komerco internacia — praktikeca kalkulado kiu venas en la interesocentron. Komercistoj en multaj landoj iom post iom anstataŭigis en sia librotenado romiajn ciferojn per hindo-arabaj, kaj lernejaj instruistoj komencis dediĉi sin al instruado de la aritmetiko per la novaj ciferoj kaj tio en ilia popola te. nacia lingvo. Tiu evoluo plenumiĝis unue en riĉaj komercaj urboj de Norda Italujo kaj Suda Germanujo; iom poste ankaŭ en Francujo kaj la Malaltaj Landoj (Nederlando+Flandrujo). Ĝin ankaŭ forte progresigis la invento de la presada tekniko ĉirkaŭ 1450, kiu ebligis facilan disvastigon de simplaj kalkul-libroj, redaktitaj en la koncerna popola lingvo, anstataŭ en Latino.

La unua kalkulada libro en presita formo aperis en 1478 en la nord-itala urbo Treviso. Baldaŭ poste aliaj verketoj vidis taglumon, ia. en Firenze (1481) en Bamberg (1483) kaj Venezia (1484). La plej malnova dica kalkulada libreto portas la jarnombron 1508. Nur du ekzempleroj de tiu-ĉi altvalora aritmetika etverko sukcesis konserviĝi; unu restadas en la Reĝa Biblioteko en Bruselo. Sur ĝia lasta paĝo oni povas legi ke ĝin presis iu Thomas Van der Noot en Bruselo:

> *Presitam chez mihi, Thomas vand'Noot, loghantam in printzam Urbom Bruselom in /Domom/ Marcawalirom, /in/ Yarom 1508-am, iyed 9-am Tagom Septembres.*

La titolo de tiu-ĉi malgranda libro de nur 96 paĝoj, tekstas originale jene :

> *Die manire om te leeren cyffren na die rechte consten Algorismi. Int gheheele ende int ghebroken.*
>
> *(Manierom por Tzipheriron lernir selez weram Artom Algorismes. Per Entyeroy ed per Phractzioy.)*

"Algorismi" estas latineca kripligo de la nomo de la fama araba matematikisto Muhammad ben Musa al-Ĥwarismi, kiu vivis ĉirkaŭ 850 PD kaj skribis verkon pri kalkulado helpe de hindo-arabaj ciferoj. La titolo sekve signifas: "La maniero por lerni kalkuladon per arabaj ciferoj." La aŭtoro de tiu libreto tamen ne estas konata. Estus ne malverŝajne ke la presisto mem ĝin kompilis el aliaj prikalkuladaj lerno-libroj.

Ni nun iom pli intime konatiĝu kun ĝia enhavo. En antaŭparolo oni montras al la granda graveco de aritmetiko: *Nemyu bonecstziir capablat nec chielayn nec terayn Apheroyn, /ityalquœ/ lùi unnœ Arton stziir dewat prid Nombroy*; *ity'estat prid Aritmeticom.* Iom plue ni ankoraŭ legas: *Cuyuy ned lertay estait prid Calculirom, seniguitay restoit iyed cheyuy Artoy.*

En tiu "Maniero por lerni ciferadi" oni povas distingi tri partojn. La unua parto (ĉapitroj I ĝis VII) instruas la ĉefajn operaciojn kun entjeraj nombroj; la dua (VIII ĝis XIV) traktas pri frakcioj, kaj la tria estas kolekto da demonstraj problemoj. Ĉapitro I instruas la *"numeratio" — ityom estat /Metodom por/ Sumon scribir ebliguir ed comprenir per ityu samam, cuyahem eghi scribitam estat, cuyohem eghi walorat.*

Por tiu celo estas en la *"Artom Algorismes": naù Phiguroy aù Tzipheroy, per cuyuy cheyuyn Nombroyn onscribir powat ... Cay decam estat yemenam: 0 = Isityu lastam in sihi mem ned Nombron reprezentat, sed pru Locom incuyu starat, eghi altriajn Phiguroyn actzeptir igat ityan Waloron, cuyahem se antez ilùi starut altriam Phigurom."*

La aŭtoro tiam donas la nomojn de la ĉef-unuoj: *"Unn, dec, tzent, mill, decmill, tzentmill ed mill mill."* La termino "miliono" tie-ĉi ne estas uzata. Poste ni vidos kiam tiu vorto unuan fojon estis uzata en la nederlanda. En ĉapitroj II kaj III estas instruataj la unuajn du ĉefoperaciojn, nome adiciadon kaj subtrahadon. La sekvantaj du operacioj estas *"mediatio"* (ĉapitro IV) kaj *"duplatio"* (ĉapitro V). "Mediatio *nemyom altriam estat ol Sumon duxoniguir aù disduxir."* — "Duplatio *estat Sumon cromphoyon plid grandam pharir ol eghi estat".* Kvankam ambaŭ tiuj-ĉi operacioj estas nur specialaj kazoj, aŭ de dividado (dividi per 2) aŭ de multiplikado (obligi per 2), oni ofte traktis ilin kiel apartajn operaciojn, ĝis en la 16-a jarcento. Ĉapitroj VI kaj VII estas dediĉitaj al obligado kaj dividado de entjeroj. Por tiuj malsamaj kalkuloj la libreto instruas ankaŭ kiel oni povas kontroli la rezulton, farante elprovon. Ni kutimas fari por tiu celo naŭprovon. Rimarkinde estas tie-ĉi ke oni aplikas, ne provon per naŭ, sed provon per sep.

Kun la oka ĉapitro komenciĝas la dua parto de nia "Manierom" — *"cuyu pridtractot cuyel onprotzedir ed laborir dewot chez Phractziirom".* — Kiel terminojn por "frakcio" oni renkontas jen *Phractziitom* kaj jen *Phractziom.* Ĉiu frakcio konsistas el *nominatoro* kaj *denominatoro.* La denominatoro ĉiam estas skribata sub la nominatoro — *"cay onraytat inter ambez Strequeton cribir se deziratœ".* La frakcion kvin dekduonoj oni do povas skribi kiel 5/12 sed ankaŭ kiel 5 12 sen streko inter ili.

[La oblikvaj streketoj tie-ĉi devus esti horizontalaj.]

Por frakciojn sumigi oni devas unue kontroli ĉu la denominatoroj estas *unnes Nomes.* Kiam tiel ne estas, oni devas procedi sekvamaniere: *Cuyahem aditzir wolas Phractzioyn cuyuy dipherentzayn Denominatoroyn hawait, cuyel 2/3 adi 3/4, ityahem ilùin crutzmanierœ multiplicu, dirantœ: 3 oblœ 3 estat 9 ed 2 oblœ 4 estat 8. Isityu /lastam/ adi 9 aditzizzat, pharizzantœ 17. Post ityom Denominatoroyn multiplicu cumay, dirantœ: 3 oblœ 4 estat 12 cuyun metos sub 17. Ed isityelœ ecstarat 17/12, ityom estat 1 ed 5/12.*

La jena citaĵo klare ilustras la metodon laŭ kiu en "Manierom" oni instruas la ĉefoperaciojn: oni celas lernigi la necesajn kalkuladajn regulojn. En tio-ĉi la "Manierom" ne diferencas de aliaj en nacia lingvo redaktitaj kalkulolibroj el la 15-a kaj 16-a jarcentoj.

La *"unnam ed chepham Regulom"* estas la *"oram Regulom, cuyu Lombardanoy Regulom Trides nomait, ed eghi anquez propræ Regulom Proportzieys nomizzat."* Tie-ĉi oni celas la faman regulon de la tri, kiu en la Mezepoko ĝuis grandan estimon kaj estas amplekse traktata en tre multaj prikalkulaj libroj tiamaj. Post ĝi venas la *Regulom Sotzieteys:* du aŭ pli da *Negotzistoy aù Companianoy* kunigas monon; demando estas kiel oni devas distribui la profiton, se ĉiu gajnu *selez Contribuom,* tio estas proporcie al lia monenmeto. En la *Regulom Troquires** pritraktiĝas tasko pri interŝanĝado de varoj.

La ĉi-sekva problemeto *Prid Leporom* apartenas plivole al matematika distro. Ĝi estas fama problemeto konata sub la nomo latina *De cirsu canie et fuga leporis,* kiu mem havas ĉinan originon:

*In Camparom curantam Leporom in unn Minutom (del cuyuy 60 in unn Horom estait) transcurat 12 Wergoyn* del Grundes. Leporhundom, ityon widantœ, eghin secwat ed in unn Minutom 15 Wergoyn del Grundom tracurat. Sed, prezz ol Hundom curir comentzit, Leporom yamen 200 Wergoyn phorcurintam estit. Estas nun Demandom iyed cuyohemam Minutom ed cuyohemam Wergom Grundes, Leporom pharœ del Leporhundom captizzot ?*

Ankaŭ la sekvan restproblemon oni ofte vidas en mezepokaj aritmetikaj manuskriptoj:

*Irit Wirinnom adi Comertzoplatzom sharghitam per Owoy, sed dumwoyœ Owoy eshiay phracasatay estiit pharœ del Drincacchulom. Ityu Wirinnom Drinquemulon wenordiguit*

*antez Tribunalod. Ityahem Yughistarom eshid demandit cuyohem del Oweys eshi adi Comertzoplatzom portintam estit. Wirinnom respondit que calculir eshi nedpowat, sed qu'estit eshi metitam ilùin in Corbod duxopœ. In Phinom adeshi ityel 1 Owom postrestit, ed porqu'eshi paran Nombron hawu, ityahem ilùin in altriad Corbod metit cheyahem tridopœ; sed anquez ityahem 1 Owom postrestit. Ityahem eshi cùaropœ ilùin inmetir clopodit ed denowœ 1 Owom postrestit. Ityahem cùinopœ, cay ancorez 1 Owom postrestit. Ityahem sesopœ cum samam Rezultom. Phinphinœ sepopœ ed ityahem suctzesit paran Nombron aquirir. Nun Demandom estat cuyohem del Oweys ityu Wirinnom comentzœ posedit.*

La "Manierom" entenas krome problemetojn pri pezoj kaj alojoj, pri transkalkulado de mon-specoj, pri distribuado ktp. Ĝi fermas per jena pentrinda enigmotasko:

*Drinquemulom tutœ solam extrinquir capablat 1 Ameon* del Bieres in Daùrom 14 Tagueys. Cuyahem lùiam Edzinnom cumœ drincat, ityahem ilùi ambez Ameon in 10 Tagoy extrinquir powat. Demandom nun estat in cuyohem del Tempes Edzinnom lùiam solcapablut tutan Ameon extrinquir, samcuyel prezzœ trincantœ ?*

El la antaŭo montriĝas ke *Manierom por Tzipheriron lernir* estas tre simpla prikalkula libreto, sen iu ajn pretendo. Tio-ĉi ne malhelpas ke ĝi tamen havis sufiĉan influon dum la unua duono de la 16-a jarcento. Kredeble ĝi estis dum plenaj tridek jaroj la ununura Aritmetiko dica de ia graveco. Ke ĝi ĝuis eĉ relative grandan popularecon, aperas inter aliaj el la fakto ke ĝi plurajn fojojn represiĝis. Tiele oni konas eldonon el ĉirkaŭ 1510, presitan en Antverpeno fare de Willem Vorsterman kaj alian el 1569 same en Antverpeno. De tiuj-ĉi du presaĵoj posedas ekzempleron la Universitata Biblioteko en Amsterdamo.

Pli antaŭe ni rimarkigis ke la termino "miliono" ne figuras en la unua preso de "Manierom"; anstataŭ ĝin oni uzis

*duysent duysent (millœ mill).* En la du antverpenaj presoj kontraŭe, jes aperas la vorteto *milyon.* Kiom sciate, estis la unua fojo ke ĝi montriĝis en dica verko. “Miliono” aŭ *millione* havas italan originon. Ĝi devenas el latina *mille* (mil) per alligo de itala sufikso *–one,* kiu havas grandigan funkcion. *Millione* sekve signifas “milego”.

Pri la plej malnova presita kalkulolibro en Dicujo restas ion lastan por mencii: tiu-ĉi laŭŝajne malgrava verketo influegis ĝis ekster la dica lingvoteritorio. Ĝi ja nome tradukiĝis tiel en la francan kiel en la anglan. La franca traduko aperis ree en Antverpeno en 1529 kun titolo:
*“La maniere pour aprendre a cyfrer et compter par plumes et gectez selon la vraie science de Algorisme, en nombre entier et rompu.”*

Multe pli grava estas la angla traduko. La plej malnova presita libreto prikalkula en la angla lingvo publikiĝis en Saint-Albans en 1537. Du jarojn poste ĝi represiĝis en Londono mem kun titolo: *“An introduction for to lerne to recken with the pen, or with counters accordynge to the threwe cast of Algorysme, in hole numbers or in broken.”*

Analizo de jena angla libreto malkaŝas ke ĝi estas grandaparte traduko de la “Manierom”. Ĝi entenas ankaŭ fragmentojn el franca Aritmetiko presita en Lyon inter 1530 kaj 1537.

Konklude al tiu-ĉi mallonga artikolo, ni proponas al legantoj solvi la supre cititajn problemetojn. Ni deziras al ili multan plezuron dum nombrado de ovoj aŭ analizado de bestokonkurso, kaj ni esperas ke ili restos pli sobraj ol la *Drinquemulon ed lùiam Edzinnacchom.* ♦

[Tradukita kun afabla permeso de D-ro Paul Bockstaele, profesoro en la Universitato de Leuven/Belgio, el la kvaronjara matematika periodaĵo *Wiskunde Post — jarkolekto 1966, 1* — kiu ĉefe okupiĝis pri instruado de moderna grupteorio, sed ankaŭ iam tiam publikigis artikolojn pri evoluo aŭ pri historio de la matematikaj disciplinoj. La solvojn al la problemetoj oni trovas ĉi-poste.]

**Leporom ed Hundom**

12x + 200 = 15x el kio:

$$\begin{cases} \text{Tempo} = \dfrac{200}{3} \text{ Sekundoj} \\ \text{Distanco} = 1000 \text{ Vergoj} \end{cases}$$

**Drinquirom**

Ĉiutaga porcio

$$\begin{cases} \text{Viro + virino} = \dfrac{1}{10} \text{ Ameo} \\ \text{Viro sola} = \dfrac{1}{14} \text{ Ameo} \\ \text{Virino sola} = \dfrac{1}{x} = \dfrac{1}{10} - \dfrac{1}{14} = \dfrac{1}{35} \text{ Ameo} \end{cases}$$

**Owoy**

Plej malgranda komuna oblo (inter 1 ĝis 7) plus 1 unuo

= 720 + 1 = 721 ovoj

***Del Homeys cùar estait:***

*Ityu, cuyu ned stziat ed ned stziat que ned stziat.*
*Ityu malsagham estat; lùin lasu.*
*Ityu, cuyu ned stziat ed stziat que ned stziat.*
*Ityu simplam estat; lùin stziigu.*
*Ityu, cuyu stziat ed ned stziat que lùi stziat.*
*Ityu malatentam estat; lùin atentigu.*
*Ityu, cuyu stziat ed stziat que lùi stziat.*
*Ityu clarwidam estat; lùin secwu.*

[ El “Arabaj Maksimoj” de la sepa jarcento, kompilita de Husein Al-Amili]

# 9. La plej Malnova Abatejo de Anglujo kaj ... Aŭtomata Skribado

## 1. Antaŭparolo

La abatejo, kiu koncernas nin, estas tiu katolika de Glastonbury, iam la plej granda, plej grava, plej bela el ĉiuj en Anglujo, sed de kiu hodiaŭ postrestas nur mizeraj ruinoj. Ili troviĝas en Suda Anglujo, ne malproksime de la ankoraŭ pli fama vidindaĵo Stonehenge, eble ne hazarde. Ĝiajn ĝeneralan aspekton, okupitan terenon, kaj apartajn konstruaĵojn spektakle sukcesis malkovri la brita arĥeologo kaj arĥitekto Frederick Bligh BOND (1864-1945), unuparte per lia tute faksperta kaj eĉ avangarda procedado, sed aliparte per la parapsika metodo konata kiel “aŭtomata skribado”, kiu havigis al li abundajn informojn pri la abatejo, ties konstruaĵoj, enloĝantoj, kaj historio. Sed unue iru ni al la embria komenciĝo de tiu fama abatejo, kiu situas ... en la Sankta Lando, baldaŭ post la morto de Jesuo Kristo.

La disĉiplaro, pro predikado de la apostoloj, estis atinginta tian amplekson ke la juda teokratio vidis sin devigata elradikigi la “herezularon” per senkompata persekutado. La historio de Saul, kiu transformiĝis de arda oficiala persekutisto al la same arda porbatalanto Paulus, estas sufiĉe ilustra tiurilate. Multaj Kristanoj tiel pereis, dum aliaj fuĝis el sia lando. La apostoloj kaj ties ordinitaj disĉiploj jam sen tio tramigris ĉiujn landojn ĉirkaŭ Mediteraneo kaj transe por ĉie alporti la Bonan Novaĵon kaj bapti novajn sekvantojn. Tiele Jacobus kristanigis tutan Iberion, dum Lazaro kaj lia familio (Martha, Maria Magdalena, kaj akompanantoj) priplugis la sudan Francujon — [Fakte tiu historio estas en si mem ege interesa, sed tie-ĉi ekstertema.], — la apostolo Thomas laboris ne nur en Hindujo sed eĉ ĝis Mongolio kaj Japanujo, kotopo. Ŝajnas nun, ke ankaŭ Josef el Arimatea iam (ĉirkaŭ 64 PD ?) forlasis Palestinon. Manke de pli firmaj donitaĵoj, mi konjektus ke li ricevis averton pri la (en 70 PD) okazonta invado fare de Titus kaj

liaj legioj, kiuj metode detruis Jeruzalemon kaj precipe la judan Templon, forrabante ĉiujn valoraĵojn kiujn ili renkontis.

Ĉiel ajn, laŭ la legendoj, Josef portis kun si la pokalon kiun uzis Jesuo en la Lasta Vespermanĝo por la vino kiu estu Lia sango. Nu, tiu kaliko ne estis nur iu hazarda trinkilo aĉetita en butiko, sed enigma objekto, kiu datus jam el la tempo de Noaĥ — kiu ricevis ĝin de mistera vira triopo — kaj estis uzata de Melĥisedek por demonstri al Abraham kiel tiu faru oferadon al Dio. Ĝi estis transdonata tra generacioj, por atingi la tempon de Jesuo, kie ĝi kuŝis nekonate inter rezerva vazaro de la Templo. Sub inspiro tie ĝin aĉetis riĉa virino, sekvantino de Jesuo, poste konata per la kromnomo Veronika. Tiele, tra jarmiloj, ĝi providence venis en la manojn de Jesuo por plenumi la plej solenan agon, la kristanan sakramenton, kiu ebligu al ĉiu sacerdoto iam ajn kaj ie ajn rekrei (sensange) la sinoferan Morton sur la Kruco. Do, nenio stranga ke la Arimateano volis savi ĝin el paganaj manoj kaj zorge kunportis ĝin al iu sekura loko, nome Anglujo.

## 2. Antaŭhistorio

Kial li elektis ĝuste Anglujon ? Nu eble ĉar ĝi estis unu el la malmultaj kampoj ankoraŭ ne plugitaj de la apostoloj kaj ties disĉiploj, kaj relative facile atingebla. Relative facile, ĉar tiutempe ekzistis sufiĉe intensa komerca intertraktado tralande kaj eĉ pli per navigado tra la tuta Mediteraneo. (La Romianoj antaŭ jarcentoj fondis la havenon Masilia (hodiaŭa Marsejlo], la Fenicoj eĉ jam en 1100 AD la urbon Cadiz]. Do, Josef bezonis nur enŝipiĝi en unu el la “regulaj” komercadaj navigiloj kiu — albordiĝante en oportunaj lokoj dumvoje — celis la stanminejojn de Somerset en suda Anglujo. Laŭlegende li tiel fine albordiĝis en (hodiaŭa)



La internaĵo de la ĉefpreĝejo, kiel Bond ĝin povis rekonstrui laŭ la parapsikaj donitaĵoj de la monaĥoj mem.

Cornwall en loko kiu nun nomiĝas Wearyall, proksima ĝuste al Glastonbury. Aktuale tiu-ĉi situas ĉirkaŭ 25 km dis-de la marbordo, sed geologiaj esploroj montras ke tiu regiono antaŭe troviĝis sub akvo, tiele ke la marborda linio tiutempe troviĝis nete pli interne en la lando. Povus eĉ esti ke Glastonbury iam estis insulo — la insulo de Avalon ! Tiu regiono estis sufiĉe priloĝata (multe da varbotoj) kaj konsistigis areon en kiu la keltaj druidoj praktikis sian kulton en pluraj centroj, kiuj situis sur esoteraj "centroj de kosma energio". Glastonbury troviĝus eĉ sur interkruciĝo de pluraj tiaj energilinioj *[Ley-lines]*. Inter tiuj centroj daŭre imponas Stonehenge, kun siaj megalitaj monumentoj.

En la kultejo de Glastonbury li do komencis predikadi kaj agadi, verkante konvinkajn miraklojn. Spite la furiozajn kontraŭstaron kaj insidojn de la druidoj, li efektive sukcesis konverti grandan parton de la tiea gento al Kristanismo. La pagana kultejo transformiĝis al kristana preĝejo el ligno, kie Josef oficadis kiel ordinita sacerdoto. Tiele ĝi kredeble estiĝis la plej malnova katolika preĝejo en la mondo, dediĉita al la Virgulino Maria, antaŭa eĉ al la Preĝejo de Romo. Ĝi tiel fariĝis la lulilo de Kristanismo en tuta Anglujo; staradis dum pluraj jarcentoj, sed forbrulis en 1184. La tiamaj monaĥoj kaj iliaj posteuloj rekonstruis ĝin per ŝtono, kio markis la definitivan naskiĝon de efektiva abatejo. Ili ankaŭ regajnis multan grundon el la maro, konstruante marbordajn digojn.

Je la morto de Josef lin ĉirkaŭis jam komunumo de monaĥoj, de li ordinitaj, kiu komunumo nur kreskis kaj kreskis, ĝis ĝi atingis la amplekson de giganta abatejo kun cento da konstruaĵoj kaj centoj da monaĥoj. Kiel ankaŭ en multaj aliaj lokoj tra Eŭropo, abatejo en la Mezepoko formis centron ne nur religia, sed ankaŭ kultura kaj ekonomia, pro kio ĝi progresigis la tutan ĉirkaŭan regionon, kio ne malofte rezultis en ekesto de vera urbo.

Estas memkompreneble, ke la relikvoj de Josef restis longatempe honoregataj, allogante milojn kaj milojn da pilgrimantoj. Probable ili venadis ankaŭ pro la Sankta

Kaliko tie kultata. Nu, la historion de Glastonbury priskribis iu kronikisto laŭ nomo William of Malmsbury, kiu rajtis laŭplaĉe konsulti la abatejajn arĥivojn kaj el tiu kopii. En 1130 li skribis sian latinlingvan *De Antiquitate* pri la originoj de la abatejo kaj la rolo de Josef el Arimateo kiel ĝia fondinto. Liaj meritoj kiel historiisto ne estas pridiskutataj. Bedaŭrindege, tiu originala verko malaperis kaj anstataŭ ĝi aperis en 1270 kopio fare de nekonata aŭtoro;  kopio kiu estas tute nefidinda pro interteksado de fabelaj rakontoj pri Reĝo Arthur.

Ja okazis al tiu originala dokumento, kio okazis ankaŭ al kelkaj aliaj gravaj historiaj skribaĵoj, kiel ekzemple la Evangelio de Barnabas aŭ la verkaĵo de Dionysos la Areopagido: iu posta uzurpanto alproprigis al si la prestiĝan manuskripton, aldonis al ĝi proprajn ideojn aŭ travivaĵojn, ilin eĉ tiel integrigis ke postaj generacioj plu ne kapablas distingi historion kaj fabelon, fruan epokon kaj postan epokon, manke de komparaj versioj. La historio pri Josef el Arimateo kaj lia Sankta Kaliko tiel mergiĝis kun legendoj pri la Kavaliroj de la Ronda Tablo, Reĝo Arthur, kaj la de multaj serĉegata Sankta Gralo — portante okazintaĵojn el la unuaj jarcentoj de nia kalendaro al la plena Mezepoko. En tiu falsigita teksto troviĝas mencio ke la monaĥoj en 1189 malkovris (aŭ ree malfermis) iun gravan tombon sur siaj terenoj, tiun de la legenda nobla reĝo, kies ostaron ili solene deponis sub larĝa nigramarmora plat-ŝtono antaŭ la ĉefaltaro. Evidente, se tia afero vere okazis, povus nur temi pri transporto de la honoregataj postrest-aĵoj de la sankta fondinto, kiuj estis tien transportitaj okaze de renovigo aŭ grandigo de la ĉefpreĝejo.

## 3. Posthistorio

Pereo alvenis kiam la angla reĝo Henry VIII (1509-1547) suriris la tronon. Male al sia patro, tiu neniel favoris la grandiozan abatejon. Li estis konata kiel avida, volupta, orgojla, kaj kruela viro, kiu eniris fatalan konflikton kun la

Papo de Romo, ĉar tiu ne konsentis deklari lian edziĝon malvalida. (Cetere sekvis ankoraŭ aliaj edzinoj, el kiuj pluraj estis senkapigitaj.) La reĝo rompis ĉiujn ligojn kun la Katolika Eklezo, deklarante sin mem kaj sian posteularon absolutan estron de la Eklezio en Anglujo.

Tio liveris al la reĝo eblecon konfiski kaj detrui multajn bienojn de la malamegata roma eklezio, kaj tute speciale la grandiozan kaj plej prestiĝan abatejon en Glastonbury. La avertitaj monaĥoj sukcesis savi parton el la amaso da valoraĵoj de la Abatejo, ĉu enterigante ilin en sekretaj lokoj aŭ igante ilin forporti al fidindaj personoj; unuavice kaj evidente la "Sanktan Gralon". Mistikaj fontoj indikas ke tiu-ĉi estus kaŝita en preĝejo dediĉita al la arĥanĝelo Miĥael, el kie ĝi denove venus al la taglumo je fino de la tempoj. Malfeliĉe ekzistas du tiaj sanktejoj, unu je la suda marbordo de Grand-Britio, ne tre impona kaj ne tre konata, kaj alia je la ekstrema pinto de Normandio en Francujo. Ĉi-lasta estas granda turisma vidindaĵo, fondita de Benediktanoj jam en la 8-a jarcento, kaj kiu estas lardita per sennombraj sekretaj ĉambroj kaj koridoroj, de kiuj la prizorgistoj de tempo al tempo malkovras novajn !

Do, katastrofe, jen la fino de la granda kaj fama abatejo, de kiu postrestas nur la menciitaj ruinoj.

## 4. La arĥeologiaj elfosaĵoj de 1908 ĝis 1921

Tie-ĉi ni atingas la kernon de la ĉapitro: la malkovrojn kiujn F.B. Bond sukcesis fari dum deko da jaroj dank'al (precipe, sed ne sole) esoteraj komunikoj donitaj al li de (la spiritoj de) iamaj monaĥoj vivintaj en la fama abatejo. Ĉio komenciĝis kiam li amikiĝis kun pensiumita brita oficiro, same kiel li interesita pri strangaj psikaj fenomenoj. Nur pro scivolemo kaj eksperimentemo ili kunigis la dekstrajn manojn en kiuj ili tenis krajonon super kelke da paperfolioj. Bond faris demandon pri la ruinoj, kiujn li estis komisiita baldaŭ esplori. Kaj jen, je konsterniĝo de la amikoj, aperis per aŭtomata skribado la respondo !

Tio estis nur komenciĝo. Tra la jaroj la informoj fare de tuta serio da spiritaj informantoj akumuliĝis, instruante al li ne nur ekzakte kie li devus fosadi por trovi koncernajn konstruaĵojn plu ne videblajn, sed ankaŭ kiel tiuj iame aspektis kaj eĉ kial kaj en kiuj cirkonstancoj ili estis starigitaj ! Ĉio-ĉi estis tiel fantasma, ke nek Bond nek lia amiko kuraĝis malkaŝi sian sekretan fonton de indikoj. (Kurioza konstato: ili ne sukcesis produkti la aŭtomatajn skribaĵojn ĉiu aparte, sed nur kiam ili agis kunlabore.)

La sukcesoj de Bond estis evidente mirkonsternaj por la ekstera publiko kaj por la societo kiu organizis kaj financis la esplorojn. Sed jen, ĝuste tiuj nekredeblaj sukcesoj vekis la ĵaluzon de kolegoj, kiuj provis saboti lian laboron kaj igi lin maldungi. Krome estis disputo pri kiu instanco jure posedis la terenon. Fakte la *Church of England* estis plej grava en la decidoj. Je la fino, kiam Bond tamen malkaŝis la precipan fonton por liaj celtrafaj laboroj, la entrepreno estis kondamnita. Ekleziaj aŭtoritatuloj ĉion ĉesigis kaj la koncernan societon malfondis — neniu praktiku nigran magion ! Bond mem, spite liajn eminentecon kaj famon, estis senhonore kaj senbrue forsendita kvazaŭ temus pri sensignifa helplaboristo. Tiu anatemo pezas ĝis hodiaŭ, ĉar en la surloka turisma vendejo pri memoraĵoj kaj libroj, oni vane serĉos eĉ unu el la multaj fakverkoj de Bond. Kaj plej certe ne lia ĉefverko *The Gate of Remembrance* (La Pordego de Rememorigo.)

Depost tiam la esploroj plu ne estas reprenitaj, kvankam la skribaĵaj informoj neniel estas elĉerpitaj ! Tipe: oni eĉ ne provis fosi en lokoj indikitaj kiel kaŝejoj de trezoroj, kiujn la reformacia uragano ne sukcesis akapari; jen la obskuriga forto de racionalismo ligita al sektismo. Tamen, kun moderna metaldetektoro …




Specimeno de la parapsikaj skribaĵoj, jen en latina lingvo

## 5. Specimenaj tekstoj ricevitaj en mezangla lingvaĵo

[Stephan A. Schwartz – *The Secret Vaults of Time* – Grosset & Dunlop, New York, 1978]

He had been digging along the south side of the nave in his search for the towers when, at a "depth of three feet", he came across "a very curious interment," the skeleton of an elderly man who must have been close to six feet nine inches when alive, buried not in a graveyard but casually along the wall. Even more peculiarly, the skeleton had no coffin, though there was a complicated kind of stone cradle for its head and between the legs at the feet lay the skull and the bones of yet another body. // Here the problem was not locating the object, since Bond had stumbled onto this particular burial quite by accident, but interpreting it. Although there was no coffin, the burial could hardly have been either an accident or an attempt to hide some crime — the carefully carved stone cradle for the head ruled out these hypotheses. And how to explain the skull between the leg bones of the elderly giant ? A traditional archaeologist would be hard pressed to come up with a plausible explanation. Bond recognized this fact and, in his report, did not even try to explain it. He knew what had happened,

though, because on September 19, 1908, shortly after he had found the bones, he was given the following reconstruction of events:

[The monk] *Radulphus Cencellarius, who slew Eawulf in fair fight, did nevertheless suffer by his foeman's seaxe, which broke his bones asunder. He dying after many years, desired that they who loved him should bury him without the church where he was wont to feed the birds in his chair. The sunne did shine there, as he loved it, for his blood was cold. It is strange yet we know it is true. The head of Eawulf* [who apparently had been slain and buried at the same spot many years before] *was* [there]. *As they digged around the body they knew not that the head of Eawulf fell, and so lay between his feet. And thus ye have found it.*

In answer to Bond's question about Radulphus and his fight with Eawulf, the monks went on to explain:

*Radulphus the Treasurer was Norman of the time of Turstinus* [also known as Thurstan, first Norman Abbot of Glastonbury] — *annose One Thousand and Eight-Seven. Ralph was hee. Eorwulf* [Eawulf] *of Edgarley, on in years, was wroth because the soldiers of Turstinus did slay Saxon monks. Ralph the Norman and Treasurer of Turstinus slew him.*

It was tragic, both for Bond and for science. If the purpose of archaeology extended beyond locating and accumulating to reconstructing and explaining the past, as the discipline claimed, then here was a unique chance to do so. The Watchers had presented new material, inaccessible to archaeologists through any traditional method, material that provided lines of future research not only for archaeologists but for anthropologists and historians as well.

Abbot Thurstan is a known historical figure, and his outrages against the Saxon monks of Glastonbury, after the Benedictine monastic order was imposed on them by Rome and a Norman king in place of the earlier Irish order, is also part of the historic record.

♦ Li estis fosanta laŭlonge de la suda parto de la navo, serĉante la turojn kiam, en profundeco de tri piedoj, li puŝis kontraŭ tre strangan enterigaĵon, la skeleton de maljuna viro kiu povus havi staturon de 6 futoj kaj 9 coloj (± 1,9 m) dumvive, kaj entombigita ne en tombejo sed hazarde ĉe la ekstera muro. Eĉ pli bizare, la skeleto ne ricevis ĉerkon, kvankam enestis komplikita speco de ŝtona ripozilo por ĝia kapo kaj inter la kruroj ĉepiede kuŝis kranio kaj ostoj de ankoraŭ alia korpo. // Jen la problemo ne estis situigi la objekton, tial ke Bond stumblis kontraŭ tiun nekutiman entombigon tute akcidente, sed ĝin interpreti. Kvankam mankis ĉerko, la entombigo apenaŭ povis esti akcidento aŭ provo kaŝi iun krimon — la zorge entajlita ŝtona niĉeto por la kapo eliminis tiujn hipotezojn. Kaj kiel eksplikі la kranion inter la krurostoj de la altaĝa grandegulo ? Tradicia arĥeologo troviĝus en embaraso por trovi akceptindan klarigon. Bond bone perceptis la situacion kaj en sia raportaĵo eĉ ne provis doni eksplikon. Li tamen sciis kio estis okazinta, ĉar je 19 Septembro 1908, mallonge post malkovro de tiuj ostoj, li ricevis la sekvan rekonstruon pri la eventoj:

*Radulphus Cencellarius, cuyu non Eawulf in yustam Batalom mortiguit, tamen mem pru lùies Malamiques Bataladzom supherit, cuyu lùiayn Ostoyn disphendit. Post multay Yaroy mortontœ, dezirit lùi que ityuy cuyuy lùin amait lùin exter Pregheyom entombigu in Locom cuyœ shat-irit in Seghom siham Birdoyn nutrir. Sunom ityœ shaynit, cuyon shateguit, char Sangom lùiam malwarmam estit. Strangam estat, sed stziaims nos que Werom estat. Capom del Eawulf, cuyu mortiguitam estit ed entombiguitam in ityu samam Locom, multayn Yaroyn prezzœ, ityœ cushit. Cuyahem chirquez Corpom onphosit [por nowan Corpon eniguir], ned rimarquit oni que Craniom del Eawulf glit-phalit ed ityelœ inter Piedoy lùies eccushit. Ed ityel eghin tu trowit.*

Kiel respondon al la demando de Bond pri Radulphus kaj ties lukto kun Eawulf, la monaĥoj plu eksplikis:

*Radulphus, ityu Casistom, Normandom estit ex Tempom del Turstinus* [konata ankaŭ kiel Thurstan, la unua normanda abato de Glastonbury] — *in Yarom mil sepdec oc. Ralphom onnomit lùin. Eorwulf* [Eawulf] *ex Edgarley, yamen agh-izzintam, coleram estit char Soldatoy del Turstinus saxayn Monaqhoyn mortiguiit. Ralphom, ityu Normandom ed Casistom del Turstines lùin mortiguit.*

Estis dramo, ambaŭ por Bond kaj por scienco. Se la celo de arĥeologio etendiĝas trans situigado kaj akumulado [de faktoj] por rekonstrui kaj ekspliki la pasintecon, kiel postulas la disciplino, tiam jen estis unika okazo tion fari. La Gardistoj estis prezentintaj novan materialon, nealir-eblan por arĥeologoj ajne per kiu tradicia metodo, materialo kiu havigis direktojn por estonta esplorado, ne nur por arĥeologoj sed same por antropologoj kaj histori-istoj.

La abato Thurstan estas konata historia persono, kaj liaj perfortoj kontraŭ la saksajn monaĥojn de Glastonbury — post kiam la benediktana monaĥeja regularo estis al ili trudita fare de Romo kaj normanda reĝo instalita anstataŭ la plifrua eira ordeno — ankaŭ formas parton de la historiaj dokumentoj. ♦

---

Esperu ni, ke alvenos pli tolerema epoko, kiu konsentos apliki ankaŭ parapsikajn metodojn al scienca esplorado, por progresigi ĝin en direktoj ĝis nun al ĝi fermitaj. *M.H.*

**Nowam Ecwidom werdes Comedes**

**in Nowembrom isityes Yares 1577 sobrez Augsburg aperintam**




MONATO 8/85

# ANONCOJ

Okaze de festoj kun iu rilato kun la historia pasinteco de organizaĵo, urbo, aŭ nacio, estas kutime ke rolantoj surmetas tiuepokajn vestojn, ke oni ludas tiuepokan muzikon, ke oni elmetas surskribojn en koncerna arkaika lingvaĵo — folkora amuzaĵo kaj kulturo samtempe.

Sed foje eĉ ne necesas tia memoriga grandorganizo. Sufiĉas iu festa okazo kiel travestia balo, jubileo, naskiĝo, geedziĝo, al kiu oni ŝatas doni amuzan historian koloron per aplikado de arkaika lingvaĵo. Ĉi-poste tri tiaj modeloj, unu invito al balo, unu anonco pri edziĝa festmenuo, kaj unu pri nova bebo.



# 10. Piratobalo



Les frères de la côte de la table d'Anvers vous invitent au grand Boucan National 1965 dans la ville natale de notre regretté frère Mercator sise à 10 milles en amont de leur baie.

le signal d'abordage du bastion Scaldiana à Rupelmonde sera donné le samedi 13 mars 1965 à 19h.30.

droit de péage: 350 pistoles par tête de frère ou captive.
à verser avant le 3 mars au c.c.p 499222 du Scribe M. Janssens, 12 montebellostraat, Antwerpen.

ne privez pas vos captives de la nuit la plus ahurissante qu'elles aient jamais vécue,

le succès de l'opération dépend de votre présence, venez nombreux partager le butin :

- la rasade au "Boomke„
- l'ordinaire du bord
- le plaisir vineux
- le labeur des engagés
- le souvenir aux captives.

un équipage de chaque table contribuera à l'esbaudissement général.

accoutrements souhaités


Marbordam Phratarom del Batalrondom ex Hispaniolom
inwitat wosin adi Grandam Piratophestom Internatziam
cuyu in Yarom 1973-am ocazot in Nascolocom noses phames Idolom
Ruphobarbulom, situantam iyed 10 Meyloy contrezphluæ del Golphom chephurbam.
Signalom por Caperirom del Bastionom "Hotel Ritz" ondonot Sabaton 13-am Yunies
iyed 19-am Horom. Partoprenam Tributom phixitam estat adi pod 50 Pistoloy
por cheyu Corsaranom aùdie Captitinnom; eghin onpagu prezz 3-am Aprilom adi Contom
DP-075-1 del nowam Trezorgardistom: Phratom X. Unnocul, Sabrostratom 2, Shipurbom.
Ned riphuzuy wosayd Captitinnoyd Nocton pluy grandiozan cuyun heyahem wiwiit !
Suctzesom del wosam Chezestirom dependat. Des multenombræ wenuy richam
Rabazhon diwidir: Manghazhoy, Winoy, Alcoholazhoy,
Tabacazhoy, Phrandazhoy ...
(Conwenay Piratwestazhoy postulatay .)

# 11. Edziĝfesta Menuo

„Heere, seghen ons ende alle die speysen...”



## Speysenleyst

van 'tintymelicke

**Verlovingsmael**

van Jonckvroue metten Jonckheere

**Lea Verhaeghe** **Walter Sassen**

op den Dagh Onzes Heeren als men screef

3 Maerte 1957

binnen 'thuys der Bolwerckstraete ghenommert 8 tot Antwerpen

'tBeghint met gheurighe cruydenaftrecksels uyt Italyën oeck met eenen barbaerschen naeme ghenommeert **Aperitieven** ende metten eetlustweckenden **Porto** uyt het land van Lusitaniën, oeck wel eens Portugal gheheeten. Ende omme het scrale ende soete daer-van weghteneemen, so gaet het voert bi een vette **Kuyckensoep metter Balleckens**

Daernaer volght den gesmolten en omcorsten Kaes uyt Hollant, so geseyde **Kaeskraecketten** terweyl men scencken sal den edelen robeynenweyn uyt Bourgonjen, ghenaemt **Pommard.** Ende compt dat alles wat verdout te syn, so sal men afcomen metten ghebraeden **Brusseler Hoenders** met warm omcorsten **Grontappeldeegh** ende **Sla** ofte **Ooftappelenmoes** naer keuse. Ende omme de vierigheyt binnen 'tleyf enigher-maeten af te coelen, 'twordt dan een pronckstuck, uyt **Eys** verdaerdight, opghebraght waernaer men 'tbeelthouwerck der **Verlovingstaert** sal aensneyen bi enen beecker edelen bruyschaert uyt Vranckrycke ghenaemt **Champanje Mumm Cordon Vert** inne 'tFranchoys.

'tSal daerop gloeyende **Moka** uyt Arabiën worden geslurpt uyt heerlick gheurende commeckens ende nogh genoeten worden sneuckelariën allerhande als daer syn **Prasliniën, Studentenhaever, Ooft** ende dierghelevcken.

'tVolght dan eene reecse van alcoholische plantenaftrecksels ofte **Lickeuren,** die men eliksers pleeght te noemen sowel uyt 'tlant selve als uyt Vranckrycke. Men sal sich oeck kunnen overgheven aan de wulpsheyt bi 'troecken van gherolde toebacksblaederen, sogeseyde **Sigharen,** ende toeback binnen papieren hooscens ofte **Sigharetten.**

Eenen Ridder van de Aedele Orde van St Jooris sal aen het gevierde Koppelckeyn sinen **Heyldronck** uytbrenghen.

Also gheordonneert om stiptelicke te worden uytgheboert ende verorbert soals hier-boeven voerseydt.

***» Sinyorom Diom, nosin ed isityuyn Manghazhoyn benu ! «***

# *Menuom*

## *del intimam gueedzizzam Manghom*
## *Esquires Peter ed Damseles Helena*
## *in Tagom Noses Sinyores 5 Yuliom 1948*
## *in Domom Numerom 7 del Tulipstratom Amberes*

*Per aromay Inphuzazhoy ex Italuyom oncomentzot, anquez Aperitiwoy nomatay, ed per apetitigam Portowinom ex Landom Lusitaniom, Portugaluyom cromnomatam.*

*Por Troacron aù Trodolchon phorprenir, oni per grasam Coquinsupom cum Wiandbuletoy daùrigot.*

*Post ityom Phromaghon phanditan ed crustiguitan ex Holenduyom serwot, ite. Phromaghay Phritbuloy, dum wershatam estot noblam Rubenwinom ex Burgonduyom, Pommard nomizzatam.*

*Cuyahem cheyom ityom digestitam estot, alportot oni rostitayn Cocoyn Bruselayn cum warmœ encrustitam Terpompastom ed Salatom aù Pomcompotom, selez Plachom.*

*Por Ardon in Corpom, pru ityo creitan, heyomœ mildiguir, Ornamtruncom ex Glatziazhom phabriquitam prezentotam estot.*

*Ityahem Witzom estot del Geedzizzam Tortegom, belegœ phasonitam. Eghin oni distranchot ed acompanigot del noblam Shaùmantazhom ex Phrantzuyom, cuyun Phabriquistoy Champagne Mumm baptiit.*

*Gastoy post ityom agrablœ odorantan ed warmegan Mocacaphon ex Arabuyom sorboit, ed Dolchazhoyn cheyspetzayn ghuoit, cuyel: Pralinoy, Mixphrandazhom, Phructoy.*

*Secwot Colectom da alcoholay Plantinphuzazhoy altriel Licworoy aùdie Elixiroy, ityohem ex propram Landom cuyohem ex Phrantzuyom, cuyon Damoy spetzialœ aprezoit. Mesiroy sihin dedichir powoit adi Phumirom Tabacpholieys in Phormom rulitam, Tzigaroy, aù in Papertubetoyd showitay, Tzigaredoy.*

***Phinpharan Toston Cawalirom ex Ordenom Sanctes Gueorgues***
***iyed Bonphartom del Yunparom organizot.***

***- Ityelœ ordonitam por plenumir ed enbushiguir cuyel suprez reguistritam. -***

# 12. Naskiĝo


e blye Maere wort U conde ghedaen /
alsdat ons een joncksken is gheboren
opten vijf-en-twintigsten van de scone
Maent van April / in 't Jaer Onzes
Heeren MCM zes-en-vijftig.
t Wert over de Vunte ghehouden door
Syne Meter Machteld Lanens
ende
Synen Peter Hendrik Wanten
dye assisteerden ende als Ghetuygen
int Doopen teghenwoirdigh waeren ende
creegh de soet gevooisde Naemen van
de Heiligen

Jan - Frans - Everard

Dit melden U met groote Blydscape
ende volle Vreught de gheluckige Vaeder
ende Moeder
Leo en Roza Wanten-Lanens
Waert ghebeurde
Sint Augustinus, Wilrijk
Waert woont
René Carelsstraet 42, Borgerhout

Cum grandam Phelichom adwos
ghoyigan Phamon anontzaims |
que nosid Philom nasquizzit
iyed duxdec sepam Tagom
del belam Monatom Mayom |
in Yarom noses Sinyores 1940 ||



Super Baptocuwom lūin teniit



* Baptopatrinnom Helena Catuno
ed Baptopatrom Enrico Gantes |
cuyuy asistiit cuyel Atestantoy
del Tzeremoniom | dumcuyud
ritzewit lūi dolchosonayn Nomoyn
pieys Sanctuleys:

IOANNES - FRANCISCUS - HIOB

Genpatreys Nomoy:
Ward & Ava Gantes-Catuno ||



Ocazintazhes Locom:
Acusham Institutom in Hagom ||
Heymam Adresom:
Potplant-stratom 67, Zeist ||



# 13. … Tabakreklamo

Por reklami sian rultabakon, de tipo Semois, la plantisto Achille Welle montras al potencaj klientoj la sekvan antikvatekstan atestilon (sen citi la daton!), supozante ke veras la sentenco *In vetustate virtus* = *In Oldescom Wirtom (estat):*

♦ *Ityel widims que prid Tobacoy samestat cuyelquœ por Winoy; comprenu que dirir wolams que samay Decliwoy ophtœ ned saman Cwaliton donait. Des consilindam estat, por sihi rezerwir nurœ Ricoltoyn perphectayn ed prid ilùi prudentan Selecton pharir; ityel samœ netzesam estat ityuyn Tabacoyn controlir abu Phermentirom ghisquez Tranchirom. Ityelœ cheyahem pharims mihi ed adi Postœuloy Weron consilams dirir ed pru iscuyalom ed altriay Tabacoy mihay ancorez cheyahem pluybonay restait.*

*R.P.J.H. Daujon* ♦

Or ai ja veü qu'il en estoit pour tabacs mêmement que pour vins, entendez que veuil dire que mesmes costeaux ne donnoient point souventefois mesme qualitez.

Estoit donc cautèle et utile se réserver récoltes parfaictes et d'icelles faire judicieuse sélection mèmement estoit nécessaire surveiller lesdits tabacs depuis fermentation jusques à coupe.

Ainsi ai toujours faict et conseillez à successeurs vray de dire et pour cette raison et aultres sont mes tabacs encore toujours les meilleurs.

Renommée Champestre
la Nicotiane R.P.J.H. Daujon

# 14. AUM, la magia vorto

♦ *Yemenam anticwegam sanscritam Silabom, in Hind-ismom cuyel pluy sanctam inter cheyuy Mantroy consideratam — ie. Phraz(er)om cum Potentzom misticam. Eghin ondiserigat in Sonoyd A-U-M cuyuy comentzœ del Estizzom Uniwerses wiwiguœ wibriit. Porprezentu ilùi trid Mondoyn (Teron, Aeron, Chielon) ed trid tzentrayn Dioyn (Brahma, Wishnu, Shiwa), pro cuyo isityu Silabom simbolam Encorpigom Uni-werses estu.* ♦



Laŭ fidinda mistika fonto la vorto en realo origine estis la nomo de homo, aganta kiel profeto kun sorĉaj povoj, kiu naskiĝis kiel bastarda nepo de Noaĥ, estis sekrete adoptita de Tubalkain, ties plej aĝa filo, kiu donis tiun nomon pro koncerna narkotiga planto ial kuŝanta sur la bebo trovita antaŭ lia tendo. Plenkreskinte Aŭm elmigris suden al Hindujo, dumvoje varbante disĉiplojn por sia religia doktrino en kiu la fajro estis adorata. Li mortis relative juna kaj estis de postaj generacioj diigita. Estus li kiu kunigis du riverojn de Himalaja por krei Gangeson. Fine postrestis nur lia nomo kun la konata interpreto. La menciita drogo ludis rolon ankaŭ en la religio de Zoroastro, pro kio eble estis unu sama persono ?

# 15. … La Eta Bild-Biblio

Ĝenerale deviga lerneja instruado estas atingaĵo de la 20-a jarcento kaj de riĉaj landoj. Ĝis tiam — kaj relative ofte ankoraŭ hodiaŭ — la multaj homoj kiuj ne, aŭ apenaŭ, kapablis legi kaj skribi, ricevis instruon tra bildoj. Unu tia en Nederlando, por instrui la Biblion, estis *De Kleine Print-Bybel.* Ĝi estis speco de instrulibro por ekzerci plen-kreskulojn en parkerado de edukaj citaĵoj el ilia Sankta Libro. En ĉiu bildeto mankis kelkaj ĉefvortoj, kiujn anstataŭis simbolaj figuroj, kies signifon oni diveni devis. Tiamaniere ĝi estas konsiderebla eĉ kiel speco de rebuso. En la de mi konsultita ekzemplero bedaŭrinde mankis la frontispica folio, kaj kun ĝi ankaŭ la aŭtora nomo, eldon-jaro, kaj eldonisto.



**Malnov-slava “Patro Nia”**

Apocal. 5 W. 5 141

Cay unn del Presbiteroy admihi dirit: ploru ned

widu,



ex Tribom Yehudes,



Dawides

wenquit; Lùi des



malphermot



ed eghiayn sep

**Leonon Yehudes, gloran Wenquinton, widims Capon adlewir, char Powon posedat Libron sepsiguelan malphermir.**

1 Cor. 6 W. 19 134

Aù ned stiziais wos que ityu
Corpom estat
wosam del





cuyu inwos estat, ed cuyun
del Diom hawais, ed que
ned adwos memes apartenais ?

**Se Corpom wosam del Spiritom estat Templom
cheyahem ityon exmontruy per wos' Eczemplom.**




Yustulom conphidat ghisquez




**Malbonulon propram Malitzom condamnat**
**Yustulon in Mortom Wiwom atendat.**

II Cron. 20 W. 12

Ho, nosam



ned ilùin yughos Tu ?

char nemyu Phortom innos restat

contrez multnombrad ityud Arod,

wenantam nosid rencontœ, ed

ned stziaims cuyon pharoims; sed



nosay Tuid directitay estait

**Aqh, Diom, contr'ityad multegarod nedeblat stariguir Reziston**
**Tuid nos Oculoy rigardait, sawu Tues Popoles Ecziston**

# 16. Fratulino Bertken, ermitino

La kutimo de piaj kaj meditemaj kristanoj, disigi sin de la socio en kiu ili vivas, por dum multaj jaroj aŭ eĉ dumvive loĝadi en iu tute izolita loko, en kabano aŭ kaverno sen komforto, estiĝis en landoj oriente de Mediteraneo. El tie la “modo” disvastiĝis tra tute Eŭropo.

Kiam la ekzemplo de tiuj ermit(in)oj komencis altiri pliajn mistikemulojn aliĝi al la antaŭaj, por formi etan komunumon ermitan, la “ermitismo” ĉirkaŭ 900 PD eĉ ricevis kondutregularon fare de la franca pastro Grimlaicus, mem ermito. Li konsilis ke la faktaj loĝoĉambroj havu nur malgrandajn dimensiojn kaj estu prefere ĉirkaŭbaritaj per solida muro, kaj ke la ermitejo prefere estu konstruita lige al iu preĝejo kaj havanta kun tiu komuna fenestro. Tiamaniere la “enmurigitoj” kapablis vidi la altaron kaj asisti la Sanktan Meson (katolikan aŭ ortodoksan), kaj ricevi la sakramentojn. Eta fenestro aŭ eĉ nura klapo en la ekstera muro utilis por traŝovi nutraĵojn, mesaĝojn, kaj aliajn necesaĵojn. Interne de la ĉirkaŭmuro tamen ofte ekzistis ĝardeno aŭ kampeto por kultivi florojn kaj manĝeblajn plantojn. La sama monaĥo ankaŭ preskribis kiel oni laboru, sin vestu, manĝu, kaj kiujn religiajn ekzercojn kaj preĝojn oni faru. Poste tiaj ermitejoj elkreskis ĝis klostroj kaj abatejoj kun foje multaj enloĝantoj kaj plej diversaj okupoj, kvankam ĉiam restis tiaj kiuj preferis vivadi tute solece.

Individua ermito aŭ ermitino, serĉegante plejeble intiman kontakton kun Dio, forpuŝas de si ĉion kio povas ĝeni tiucele, precipe mondajn ĝuojn kaj plezurojn. Ermitejo tial disponis nur *Poton, Cruchon, ed Teleron,* apud simplajn ilojn por manlaboradi kaj librojn por meditado aŭ preĝado. La vivo tie estis do tre severa kaj asketa, kio neniel malhelpis al la enŝlosito(j) esti feliĉa(j) en sia(j) arda amo por Jesuo. Similan fenomenon oni kompreneble renkontas ankaŭ en aliaj religioj, precipe Hindismo kaj Budhismo,

kvankam tie temas pri homoj kiuj askete strebas, jen ĉesigi la turniĝantan radon de enkarniĝoj, jen mergiĝi kun la kosma energio.

La supera ekleziularo spronis siajn laikajn gekredantojn viziti tiajn “enkarceriĝintojn”, ĉar la popolo havis altan estimon por ili. Oni ofte frapis al la sola loko de komunikado — fenestro aŭ klapo — de ermitejo por peti asiston per preĝado aŭ ricevi konsilojn en malfacila problemo. Sed ne nur ordinaruloj vizitis tiajn ermit(in)ojn; ankaŭ superaj ekleziuloj mem kaj same nobeluloj. Kompreneble pleje imponis ermitoj/ermitinoj kun profetaj kapabloj.

La fama dica ermitino Bertha (diminutive Bertken) naskiĝis ĉirkaŭ 1426 en la nederlanda urbo Utrecht. Jam de juna aĝo ŝi estis tre pia kaj devota, tiel ke nur 24 jarojn aĝa ŝi iĝis monaĥino en la ordeno de Kanonikinoj de Sankta Augustinus. Eĉ tiun jam rigore religian komunumon ŝi forlasis por apartigi sin en propra ĉelo, flanke de la granda klostro, 30-jaraĝa. Laŭ sia biografo ŝi konstante portadis vilharan, do dolorigan, subveston sur la nuda korpo kaj ĉiam iris nudpiede, por pentofari anstataŭ obstinaj pekantoj. En 1514 ŝi mortis. Kvindek sep longajn jarojn ŝi tie vivadis en ega malhavo, sed ankaŭ en mistika unueco kun sia ĉiela Fianĉo Jesuo, ricevante ne esprimeblajn gracojn kaj viziojn pri la vivo de Jesuo kaj Maria. Grandega popolamaso alsvarmis por ĉeesti la funebran ceremonion. Hodiaŭ, la siatempe tiel honoregata ermitejo kune kun la preĝejo senspure malaperis kaj super ŝia tombo bruadas la moderna trafiko.

Unu el ŝiaj registritaj vizioj estas tiu pri la naskiĝo de Jesuo en mistika perspektivo. El tiu mi selektis mallongan fragmenton.

Als de geboorte aanstaande is ziet suster Bertken in een visioen Maria temidden van een grote massa jubelende engelen uit de drie hoogste hemelkoren: serafijnen, cherubijnen en tronen. Maria zelf zweeft in een halo van bovennatuurlijk licht een stuk boven de grond en als zij in het diepste geluk haar Zoon heeft gebaard, laat zij Hem aan de engelen zien. Dan volgt een lief, huiselijk tafereel: Maria en Jozef maken hun huisje gezellig. Jozef timmert een schemerlampje aan de muur. Maria voedt het hongerige Kindje. Daarna gaat Jozef bij zijn geliefde Maria zitten en samen mijmeren zij wat over vroeger.

(…) Hieronder volgt een uittreksel uit de tekst zoals die door Berntz in 1518 werd gepubliceerd:

*Doe dye ure na by was, dat Jhesus waerachtig god ende mensch geboren soude werden, doe ghevoelde dye moeder Jhesu sonderlinghe treckinghe of suete eyschinghe in haer. Soe was Maria die moeder Jhesu van binnen gheroert ende in ghetogen, doe die tijt des barens na by was. In deser jubilacien daer sie in was, so waren grote scaren van engelen omtrint Maria, dye hoghe hemelsche reden hyelden met Maria; dese waeren vanden dryen overste choren. Doe alle dese voergheteikende hoghe lovinghe geschiet waeren met onbegripeliker vrolicheit, doe sy haer aldus vol weelden bevoelde ende die godlike radien so crachtelik verschenen tot haere herten ende sy began heet te werden ende doorschynich, doe stont sy haestelick op ende maecte haer altemael bloot vanden hoofde totten voeten. Aldus stont die gloriose moeder ende was over al haer preciose lichaem vucht; recht of sy bedauwet hat geweest, ende gaf suete roke van haer. Dese vuchticheit en was niet met ghewelde van pijnlike moeyenisse gheperst vvt haren preciosen lichaam, mer van overvolte jubilacien suetlick vvt vloyende. Want si en was niet alleen sonder wee, mer vol hemelscher weelde. Aldus stont si verheven van der eerden, omset met veel enghelen die haer te dyenst stonden, vanden dryen hoochsten chooren, haer preciose lichaem om vanghen mit een claer blenckende wolcke daer doet schenen die radyen des godliken lichts. Doe baerde die moeder gods haren sone alsoe snellike sonder hinder ofte quetsinghe. Ende also wert*

*dye coninc der glorien met glorien ende met groter eeren ontfangen vanden oversten hemelschen gheesten. Ende die moeder Jhesu nam den sueten Jhesum, en wanten in doecken ende leyden neder in een Cribbe. Doe screyde dat suete saerte kind Jhesus; hem dorste na de suete meechdelyke melck zijnre geminder moeder, ende moeder gaf haestelic haren sone haer meechdelike borst te suken. Dat suete kint Jhesus was doe tevreden ende sweech. Deo gratias.*

♦ Kiam la naskiĝo estas ekonta, fratulino Bertken vidas vizie Maria en la mezo de granda amaso da jubilantaj anĝeloj el la tri plejaltaj ĉielaj ĥorusoj: serafoj, ĥeruboj, kaj tronoj. Maria mem ŝvebas super la grundo kaj kiam ŝi kun plej profunda feliĉo naskis sian Filon, ŝi Lin montras al la anĝelaro. Poste venas ĉarma, hejma sceneto: Maria kaj Josef instalas sian dometon intime. Josef fiksas lampeton je la vando. Maria nutras la malsatan Infanon. Tiam Josef eksidas apud sia amata Maria kaj kune ili memorigas okazintaĵojn el la pasinteco. (…)

*Cuyahem Yoseph cum Mariam wenintam estit in ityu Dometom, incuyu Sinyorom nosam nasquizzotam estut, ilùi cumay Dion laùdiit ed danquiit. Post cuyahem ilùi cumœ Domon heyohem aranghitay ed comphoritguitay estiit, ed Yoseph Lampeton phixitam iyed Wandom Domes, lùi chez Mariam ecsidit ed ilùi dolchœ interparoliit, Mariam ed Yoseph. Reracontiit ed renowiguiit multayn Apheroyn pas-intayn.*

*Cuyahem Mariam ree solam estit, eshi rapidœ Genuyoyn sihayn phlexit ed sihin por Dilaùdom preparit. Adi Yoseph, cuyu exterœ trowizzit por Mirigazhoyn spectir ed aùdir, montratay estiit multay Mirimdazhoyn, adityu Yoseph bonam. Bonan Yosephon ityuy Mirimdazhoy imponiit; ityelay Ardom ed Bonodorom estizzit que bonam Yoseph corpremizzit; ecsidir dewit lùi ed swenit. Mariam cantetir comentzit. Ityu Yoseph bonam, dolchan Wochon noses cares Dames aùdantœ, rewequizzit. Ityu oldam Patrom Yoseph*

*surgenuizzit ed Dion danquit pru Riwelom cuyun ritzew-intam estit, char ghisquez superay Ecconoy wenintam estit. Cuyahem Yoseph sihayn Preghoyn pharintam estit, lùi adi Yesuom proximizzit. Mariam Yesuon exwolwit ed Yoseph cum grandam Piescom ityuyn Bruston ed sanctayn Manoyn ed Piedoyn dolches Inphanes quisit, ed per grandam Ghoyom pleniguitam estit. Yoseph in Mensom siham altœ inspiritam izzit ed inityu Inspirom plenœ non Mariam ecconit, cum Tzertescom stziantœ qu'eshi Wirgulinnom puram estit ed Patrinnom Dies. Yoseph serwemam estit adi dolcham Inphanom ed Patrinnom ityes, ed daùre plenumit eshiayn Deziroyn selez Powoy sihay.* ♦



# 17. Superstiĉoj

La vasta kredo je la doktrino de la Kristanaj Eklezioj en okcidento kaj oriento, kiu pozitive efikis je la morala ekvilibro kaj la rilatoj inter homoj, havis kiel negativan flankon grandegan timon por demonoj kaj inferaj influoj. Granda analfabeteco kune kun foresto de ekzaktaj sciencoj kaj ties kompreno pri multaj naturfenomenoj kaj pri la homa psiko, kondukis al ĝeneraligitaj superstiĉoj eĉ plej fantaziaj kaj malraciaj, kun ne malofte teruraj sekvoj.

Ĉi-poste tri ekzemploj: la "Unukornulo", la "Orgio de Sorĉistinoj", kaj la aplikado de speciala "Sorĉistina Pesilo".

La unua temis pri la unika korno de legenda besto similanta ĉevalon, kiu gin portus surfrunte kaj kiu fantazia elkreskaĵego laŭfame estus senkompara kiel rejunigilo, protektilo kontraŭ venenoj, medikamento kaj tiel plu. Ĝin mencias ia. la latinlingva *Naturhistorio* de Plinius. Ekzempleroj de ĝia korno, iam uzataj kaj nun ankoraŭ konservataj en muzeoj, fakte montriĝis esti nur la dentego de narvalo.

Sorĉistoj kaj sorĉistinoj estus homoj, kiuj pro forvendo de sia animo al "la" Diablo, akirus malbonefikajn povojn supernaturajn super objektoj, plantoj, bestoj kaj homoj. Pro tiu tenaca superstiĉo suferadis tra tuta Eŭropo kaj ĝis relative freŝdata epoko, granda nombro da senkulpaj malfeliĉul(in)oj, ĉu pro tio ke ili timige aspektis, iomete strange kondutis, efektive posedis iun parapsikan kapablon, aŭ tute simple pro envio aŭ venĝemo de mal-amikoj. Ofte sufiĉis simpla akuzo, almenaŭ ĝis alveno de la Inkvizicio, kiu devigis al proceso. Estas evidente ke torturoj preskaŭ ĉiam sukcesis elpremi la deziratajn konfesojn, el tiaj-ĉi "posedatoj" same kiel el (supozataj) krimuloj ordinaraj, ĝis kiam la viktimoj komencis invente akuzi eĉ la aŭtoritatulojn mem kiel kunkulpulojn, kio kreis plu ne elteneblan situacion.

## 1. La Unukornulo



Manierom por Unncornulon captir.

## 2. Ŝabato* de la Gesorĉistoj



*Shabatom, ityel anquez Noctcumwenom nomatam estat, cuyœd Sorchistoy ed Sorchistinnoy weturait, tra Aerom flugantœ, cay cuyœ ilùi Diablon adorait, dum blasphemam Nigram Mesom.*

[Bildo el *Histoire de la magie* de P. Christian, Parizo 1870]

Firakontoj pri tieldiraj seksrilatoj kun viraspekta (*inkubo)* aŭ inaspekta diablo *(sukubo),* fine estigis ankaŭ kredon je grandega diboĉa ceremonio dumnokta, prenanta la formon de parodio pri la kristana Mesofero, kiu okazus en tiu aŭ alia kaŝita loko, kutime je la unua de Majo, en la "Nokto de Sankta Walburg". La ĉi-suba teksto venas el la *Huis-houdelijk Woordenboek* (Mastrumada Vortaro) de Noël Chomel, eldonita en Leiden (Holendo) en la jaro 1775. La artikolo traktas pri tia festo, nomata Ŝabato — kredeble pro antikva antisemida implico ke je ĝia origino troviĝus Judoj, tiuj ĉiamaj viktimoj de "bonaj " kristanoj, samkiel de aliaj –anoj kaj –istoj.

 ***Sabbat***

Dus word ook de nagtvergadering genoemd, daer men verondersteld dat zich de Tovenaers en Toverkollen door de lucht heen zwevende, na toe begeeven, en alwaar zij den Duivel aenbidden. Zie hier hoofdzakelijk de beschrijving die Del Rio van die Sabbat geeft. Hij zegt dat de Tovenaers of Toveressen, zich in de eerste plaets met eene zalf bestrijken door den Duivel zelven bereid, en zulks aen zekere deelen van het lighaam, inzonderheid onder oxels; dat zij vervolgens een besemstok, hooi- of mestvork tusschen de beenen neemen, of wel op een Geit, Stier of Hond gaen zitten; dat is te zeggen, op een Duivel, die een van deze gedaentens heeft aengenoomen. In die toestand, worden zij met de vlugste snelheid, en in een ommezien, na ver afgelegene en eenzaeme plaetsen gevoert, zo als bij voorbeeld, na een woud of wildernis. Hier staet dan in 't midden van een ruime vlakte een groot vuur te branden, benevens een verheevene throon, waar op den Duivel die bij de Sabbat presideert, gezeten is, en zulks onder de gedaenten van een Bok of Hond; men knielt voor hem of wel men naedert hem ruggelings, een toorts van pik in de hand houdende, en eindelijk doet men hem hulde, met hem voor zijn agterste te kussen; nog verscheidene andere verfoeijelijke schandelijkheden worden er bedreven, om hem te eeren. Dit voor afgegaan zijnde, zet men zich aen tafel, en de Tovenaers verzadigen er zich met vleesch en wijn, 't welk hen door den Duivel word bezorgd, of 't geen zij zelfs hebben medegebragt. Deeze maeltijd word zomtijds vooraf gegaen en zomtijds gevolgd, door in 't rond gaande dansen, waar onder gezongen of veel eer op een afschuwelijke wijze gehuild word.

Men doet er Offerganden, elk verhaalt daer de betoveringen dien hij heeft gedaen, de bezweeringen dien hij heeft in ’t werk gesteld; den Duivel moedigt aen, of berispt na mate men hem wel of kwaelijk heeft gediend. Eindelijk komt het oogenblik, dat alle lichten uitgaen. De Tovenaers en zelfs de Duivels vermengen zich als dan met de Toveressen en hebben vleeschelijke gemeenschap met dezelve; maer daer zijn er altoos eenigen, inzonderheid nieuw aengekoomenen die den Bok met zijne liefkozingen vereert, en met wien hij gemeenschap heeft. Dat gedaen zijnde, worden de Tovenaers en Toveressen wederom op de zelfde wijze door de lucht na huis gevoert als zij gekoomen waeren. [Del Rio, *Disquisit. Magic. lib.II quaest XVI*]. Gelukkig dat wij zulke tijden beleeven, waer in het bijgeloof zo verre door de reden is overwonnen, dat geene of ten minsten zeer enkele gevallen van dien aert, in de Pleitzaele van onze Gerechtshoven worden gebracht.

## *Shabatom*

*Ityelœ anquez nomatam estat Noctocumwenon in cuyu onsupozat que Sorchistoy ed Sorchistinnoy, tra Aerom shwebantœ, irait cay cuyœ ilùi Diablon adorait. Yemen pretzipœ Pridscribom cuyun Del Rio prid ituy Sahabatom donat. Dirat lùi que Sorchistoy, aùdie Sorchistinnoy, unnawitzœ sihin per Ungwentom chirquez-shmirait, del Diablom mem preparitam, ed ityom iyed diphinitay Partoy del Corpom, pretzipœ subez Axeloy; que postœ balailan Bastonon, Phoyno- aıu Stercophorcon inter Gamboyn prenait; aùdie sobrez Caprinnon, Taùron aù Hundon ecsiadit, ite. sobrez heyun Diablon, cuyu unn del ityay Phormoy adprenintam estat. In ityu Pozitziom transportatay ilùi estait per pluy-grandam Rapidom ed in Momentom ad Locoy malproximay ed solescay, cuyel exemplœ adi Arbarom aù Sowagheyom. Isityœ ityahem, inmezœ heyes Ebenazhes, Phayregon bruligat, apud altiguitam Tronom sobrez cuyu ity Diablom sidirat, Shabaton prezidantam, in Phormom del Wircaprom aù Wirhundom. Ongenuphlexat antez lùi aù onproximizzat dorsturnœ, in Manom pechan Torchon tenantœ, ed phinœ lùin onhonorat per Quisirom lùies Postazhes. Altriay*

*abomenay Hontindazhoy ancorez plenumatay estait por lùin honorir. Yemenom prezzirintam estantœ, chez-tablœ oni ecsidat ed Gesorchistoy sihin satigait per Wiandom ed Winom, pharœ del Diablom liweritay, aù cuyuyn ilùi mem cumportiit. Isityun Banquedon heyahem prezzirait, heyahem postsecwait Rondodantzoy, dumquœ oncantat aù plid ghustœ terurmanierœ hurlat. Opherazhoy pharatay estait; cheyu ityœ Sorchazhoyn racontat cuyuyn werquit, magiayn Phormuloyn cuyuyn prononctzit. Diablom ityu curaghigat aù roprochat, selez que onestat bonœ aùdie malbonœ lùin serwintam. Phinœ Momentom wenat iyed cuyu cheyoy Lumoy estinguizzait. Sorchistoy ed eche Diabloy ityahem sihin cum Sorchistinnoy mixait ed carnan Rilaton cum islastay ocazigait. Sed cheyphoyœ quelcay estait, pretzipœ Nowadwenintoy, cuyuyn Bocom per Caresoy sihay phaworat ed cumcuyuy sexœ asotziizat. Cheyom isityom pharitam estantœ, Gesorchistoy reœ selez samam Manierom tra Aerom adi Heymom transportatay estait, cuyelque wenintay estiit. Phelichœ que nos Tempoyn wiwaims incuyuy Superstichom ityohemgradœ del Ratziom wenquitam estat, que plud nemyu aù alemenez nur mal-multœ del ityeys Cazeys in Pledosalonoyd del nosay Tribunaloy portatay estait !* ♦

========================

Similaj "gvidlibroj" cirkuladis en multaj landoj, sed plej horora eksterdube estis la *Hexenhammer* aŭ *Mallum maleficarum* fare de Sprenger kaj Institoris (du inkviziciaj juĝistoj) en Germanujo, kiu atingis 29 reeldonojn kaj estis longatempe uzata en la juĝejoj mem kiel fidenda konsultilo ! *Cuyam Epocom, cuyam Condutom !* Tamen: oni ne akuzu la Mezepokon pri tiuj hororoj — ili okazadis ja dum … la Renesanca epoko (15-a / 16-a jarcentoj) kaj … eĉ poste. Kliŝoj malofte proklamas veron.

## 3. Atestilo pri Pesado



# Atestilom prid Pesirom

Dezhorantom Urbes Pesiles in Oldewær
ad cupu contzernat,
per isitpu Ghartom declarat ed tzertigat
que Mesirom/Damom*
Petrus Paulus Elcerlyc
sobrez munitzipam* Pesilom pezit 149 Phuntopn
del itpeps Pesazheps cupapn isitpœ onuzir cutimat,
cap cupu Pezom bonœ acordizzat cum
Proportziop naturap del Pesit/inn/es Corpom.

§. Itpalque ondewiguitam estat Weron proclamir,
isitpu Leterom ad Lũi/Eshi liweritam estat,
por serwir in Tempom cap Tzirconstantzom
cupahem eghi bezonam aũ deziratam estut.

§. Sonz Ruzom nec Phalsigom, pru cupom
yemenam Chartom prowizitam estat
per munitzipam Sigelom.

§. Pharitam in Parom noses Sinpores 1936
iped 21 -am Tagom
del Septembram Monatom.




Theophrastus B. Altaheym



ISITYU ATESTOM TRID SOLDOYN COSTAT

En la urbeto Oudewater en Nederlando ankoraŭ ekzistas oficiala urba pesilo por personoj, kiu iam estis uzata por pesi akuziton pri sorĉado. Oni ja kredis ke sorĉist(in)o estis tute malpeza por povi flugi tra la aero. La pesilo tion malkovru. Alia tia procedo estis ĵeti la akuziton en la riverod, manojn kaj piedojn ligitaj. Se li (aŭ ŝi) restis flosanta, li estis kulpa kaj estos ekzekutita. Se li dronis, li estis kompreneble senkulpa, sed bedaŭrinde mortis pro malŝanco ! Aktuale tiu pesilo ankoraŭ funkcias folklore por turistoj, kiuj povas akiri koncernan atestilon en arkaika nederlanda.



# 18. Tritavola Homstrukturo

La okcident-eŭropa Mezepoko (9-a ĝis 14-a jarcentoj) estis periodo dum kiu sociaj, ekonomiaj, sciencaj konsideroj — male al la situacio en nia aktuala ĝisfreneze farema kaj evoluanta mondo — ludis apenaŭ rolon en la kultura vivo kaj larĝasence ankaŭ en la publika vivo. Tiu ja estis en tre forta grado regata de la Rom'Katolika eklezio kaj de ties doktrino kun ĝiaj moralaj implicaĵoj.

Oni do ne troigas asertante ke estis epoko kun statika mondopercepto. Centre staris la koncepto ke unuainstance gravas Dio, la absolute senmova Movanto kaj ĉiopova Providenco. Duainstance gravis la interna homa spirito, la animo, kreita por postmorte unuiĝi kun la Kreinto. Ĉio tera, la individua homa vivo, la sociaj priokupoj, estis preterpasaj, efemeraj, kaj do ne tre konsiderendaj, eĉ malestimindaj. Post morto de la korpo, ĉiu homo ja iras ĉu al eterna Paradizo de feliĉo aŭ al ĝia malo, la tormentega Infero. Alegorie: la okuloj ĝenerale estis direktitaj supren kaj ne malsupren. Kaj la ĝenerala konvinko ankaŭ estis ke "kiel estas supre, tiel estu malsupre" — la firmamento ŝajnante ja esti absolute senŝanĝa en sia rondirado. Pri progresado oni ne havis ideon, eĉ malpli pri la tasko kiun la homo povas havi tiudirekte; la evoluismo ankoraŭ ne estis malkovrita.

Estas malfacile tranĉi kiuj homoj estis pli feliĉaj aŭ malfeliĉaj, la mezepokuloj aŭ ni modernuloj. Pozitiva aspekto de la Mezepoko almenaŭ estis la ĝenerala konvinko pri universala ordo kaj vivosenco. En tia medio kapablis floradi religie inspirita arto, precipe la tiel nomata mistika literaturo. Ekzistis ja nur unu filozofio (la skolastikismo) kaj nur unu scienco (la teologio), de kiuj ĉiuj ceteraj disciplinoj estis la humilaj servantoj.

Sendube plej bone konata kaj ankaŭ inspirite verkanta mistikulo en mezepoka Dicujo estis Jan van Ruusbroec, asketa monaĥestro vivinta apud Bruselo dum la 14-a jarcento. Lia verkaro en popola lingvo anstataŭ en Latino

akiris grandan influon, ankaŭ eksterlande kaj eĉ dum lia vivo; ĝi tradukiĝis unue al Latino kaj poste ankaŭ al pluraj naciaj lingvoj, pro ĝiaj penetremaj pensoj kaj saĝaj vivokonsiloj por kristanoj; tiomgrade ke oni baldaŭ kromnomis lin *Doctor Divinus* (ĉiela instruisto). Li mem konsideris sian verkon *Die cierheit der gheestelijker brulocht* (*Sublimescom del misticam Nuptom*) kiel la plej kompletan esprimon de sia spertado.

El tiu mi elektis la ĉi-postan fragmenton traktantan pri la triopa aŭ trielementa strukturo de la homo. Tiu principo lia estas des pli rimarkinda, ĉar en la teologio kaj filozofio de lia tempo solregis la principo de Aristotelees ke la homo konsistus el nur du elementoj: korpo kaj spirito. Ĝin senkritike adoptis ankaŭ R. Descartes, fondinto de Raciismo en la 17-a jarcento, pro kio la ideo pri homa dualismo postvivas ĝis hodiaŭ. Oni povas nur konjekti ĉu Ruusbroec akiris tiun scion el propra inspiro kaj cerbumado aŭ kiel plenaplikon de la verso de la apostolo Paulus [1Thes.5:23] “Viaj spirito kaj animo kaj korpo estu plene konservitaj senkulpe.”

> *Drierhande eenicheit vintmen in allen menschen natuerlijcke, ende daertoe overnatuerlijcke in goeden menschen. // Die eerste ende die hoochste eenicheit es in gode; want alle creaturen hanghen in dese eenicheit met wesene met levene ende met onthoude, ende scieden si in deser wijs van gode, si vielen in niet ende werden te niete. Dese eenicheit es weselijc in ons van natueren, weder wij sijn goet ochte quaet, ende si en maect ons sonder ons toedoen noch heylich noch salich. Dese eenicheit besitten wi in ons selven ende doch boven ons selven, als een beghin ende een onthout ons wesens ende ons levens. // Eene andere eninghe ochte eenicheit es oec in ons van natuere, dat es eenicheit der overster crachten, daer si hare natuerlijcke oorspronghe nemen werkelijckerwijs: in eenicheit dies gheest ochte der ghedachten. Dit es die selve eenicheit die in gode hanghet, maer men neemse hier werkelijcke ende daer weselijcke; nochtans es die gheest in elcke eenicheit gheheel, na alheit sire substancien. Dese eenicheit besitten wij in ons selven*

*boven senlijcheit; ende hier ute comt memorie ende verstannisse ende wille, ende alle die macht gheestelijcker werke. In deser eenicheit heetmen de ziele gheest. // Die derde eenicheit die in ons is van natueren, dat is eyghendoem der lijflijcker crachte in eenigheit des herten, beghin ende oerspronc des lijflijcks levens. Dese eenicheit besit die ziele inden live ende inde levendicheit dies herten; ende hier ute vloeyen alle lijflijcke werke ende die –v- zinnen. Ende hier af heetet die ziele ziele, want sie des lijfs forme es, ende den lichame animeert, dat es dat sine levende maect ende levende onthoudet. // Dese drie eninghen staen inden mensche natuerlijcke alse een leven ende een rijcke. Inden nedersten es men ghevoelijc ende beestelijc; inden middelsten es mem redelijc ende gheestelijc; inden oversten wertmen onthouden wesenlijc. Ende dit es natuerlijcke in allen menschen.*

♦ *Triopam Unnescom in cheyu Homom trowizzat selez-naturœ, ed del Homoy bonay anquez supernaturœ posedatam estat.*

*Unnam ed pluyaltam Unnescom in Diom estat: char cheyuy Creitazhoy in isityu Unnescom per siham Estom pendait, pru que eczistait, wiwait, ed conserwatay estait; ed estuit ilùi del Diom disiguitay, ityahem in Nemyod phaluit ed eczist-irir chesuit. Isityu Unnescom pru Naturom mem innos estat, chu bonay estaims aù malbonay; ed eghi sonz Agirom nosam nec sanctam nec beatam pharat. Isityun Unnescon in nosam Memom posedait, sed tamen anquez super nosam Memom, cuyel Origuinon ed Conserwiron Eczistes noses ed Wiwes noses.*

*Duxam Unnigom aù Unnescom samœ selez Naturom innos trowizzat: Unnescom Plidaelteys Poweys estat, incuyu isityuy sihan Origuinon naturan prenait ephectiwœ; yemen Unnescom Spirites aùdie Penses. Samam Unnescom estat, cuyu in Diom pendat, sed eghin istiyœ onconsiderat esentzœ ed cuyel Estiron; tamen Spiritom in cheyu Unnescom tutam estat selez Tutescom Substantzes sihes. Isityun Unnescon in-*

*nos posedaims super Sensescom; ed ex isityœ Memorom shprutzat, Intelectom ed Wolom, ed tutam Phortom per cuyu mensœ laborir powaims. In isityu Unnescom Animon "Spiritom" onnomat.*

*Tridam Unnescom, cuyuy prunaturœ innos restat, Proprescom estat Corpeys Phortoy in Unnescom Cores, Comenstzom ed Origuinom del Wiwom Materiam. Isityun Unnescon Animom posedat in Wiwescom Corpes; ed in Wiwantescom Cores sihes; ed exisityœ cheyuy Laboroy Corpes ed cùin Sentumoy phluait. Ed abu isityœ Animom "Animom" nomizzat, char eghi Inphormigom Corpes estat, ed Corpon pelat; ite. eghin aù wiwigat aùdie Wiwon phorprenat.*

*Isityuy trid Unnigoy in Homom prunaturœ starait quazes [distinguemday] Wiwoy ed Regnoy. In pluy malaltam oni sentemam ed bestam estat; in mezam oni prudentam ed spiritam estat; in pluy altam oni [phardel Diom] conserwatam estat. Ed isityel selez Naturom in cheyuy Homoy estat.* ♦



**Jan van Ruusbroec (1293-1317)**

# 19. Kantoj

Eble pli ol literaturaj tekstoj antikvaj, apartenas al la kulturo de popolo ĝiaj kantoj kaj rimoj el malnovaj tempoj, kiujn infanoj devas parkeri en la lernejo. Jen du el ili, ambaŭ tradukitaj al Arkaika Esperanto: Kristnaska kanteto en C el la 16-a jarcento de Flandrujo, kaj religia himno al la Dia Triunuo el Italujo 15-jarcenta, aktuale de ĥoroj tre ŝatata pro ĝia flua melodio.

***Nu syt wellecome !***

Nu syt wellecome, Jesu lieven Heer,
Gy komt van al soo hoghe, van al so veer.
Nu syt wellecome van den hoghen hemel neer,
Hier al in dit aertryck syt gy gesien nooit meer.

Christe, Kyrieleison, laat ons singhen bly,
Daarmeed oock onse leisen beghinnen vry.
Jesus is gheboren op den heiligen Kerstnacht,
Van een maghet reine, die hoogh moet syn geacht.

d'Herders op den velde hoorden een nieu liedt,
Dat Jesus was geboren, sy wisten 't niet:
"Gaet aen geender straeten en gy sult hem vinden claer,
Bethlem is de stede daer 't is geschiet voorwaer."

d'Heylighe drie koon'ghen uyt soo verren landt,
Sy sochten onsen Heere met offerhandt.
S'offerden ootmoedlick myrh, wieroock ende goudt,
T'eeren van den Kinde dat alle dinck behoudt.

Kyrieleis !

Theodorus

# 1. Nun estu Bonwenam !




*Cristom Kirieleyson, ghoyœ cantuy nos /*
*por donir Melodiod piesqu'Etos' //*
*Nasquit nos' Mesiom in isityu noctam Hor' /*
*Wirgulinnom puram, estimimdegam Phlor' //*

*Ho, Pashtistoy simplay, aùduy Nowrephren' /*
*que Promesitom wenit, car' Suweren' //*
*Serchuy ityun Straton ed trowois Lùin content' /*
*ityœ in Betlehem, Destinom del Ewent' //*

*Ex phoregam Landom, regham Tridowir' /*
*serchirit nos' Sinyoron por adorir //*
*Or', Intzenzon, Mirhon opherdonit cum Humil' ' /*
*honorant' Inphanon, del cheyom Apogil' //*

## 2. Altam Triunnom Beatam

***Alta Trinità Beata***

*Alta Trinità beata; da noi sempre adorata;*
*Trinità gloriosa, unità maravigliosa,*
*Tu sei mannà saporosa, e tutta desiderosa.*




Adapto de ikono el Rumenujo, plena je etoso de timiga soleneco, en kiu ĉiuj tri Personoj de la Sankta Triunuo – baza kaj centra dogmo de Kristanismo - aperas alegorie kiel trivizaĝa ĉefpastro.

10

Man-ghom es - tat bon - gu - ste - gam

V

cay tu - toe de - zi - re - gem - dam.

# Altam Triunnom Beatam

# 20. Heredanto de la Diablo

[Honoré de Balzac – *Les contes drôlatiques*]

Honoré de Balzac (1799-1850) estis franca amasverkisto. Precipe lia verkego *La comédie humaine* (La homa komedio) kiu ampleksas ne malpli ol 90 romanojn kun sume 2000 rolantoj, kaj el kiuj jam multaj aperis kiel filmo, apartenas al la mondliteraturo. Ankaŭ eseojn li skribis kaj teatraĵojn por eksponi siajn ideojn pri politiko, sociologio, filozofio, mistiko, historio. Balzac estis tre atenta observanto de ĉio kio ĉirkaŭis lin kaj li tion senrezerve verŝis en siajn skribaĵojn.

Aparte rimarkinda estas lia kolekto de noveloj *Les contes drôlatiques,* dividita en 3 dekfaskoj. Ne nur pro iliaj senkompataj satireco kaj senĝeno, sed ĉar li verkis ilin en antikva lingvaĵo, komike imita al Rabelais (16-a jarcento), kune kun ties troigaj stilfiguroj. Eĉ la plena titolo mem estas signifoplena, eventuale tradukebla kiel "La fipetolaj rakontoj, kolektitaj en la monaĥejoj de gaja provinco kaj aperigitaj fare de sinjoro DE Balzac, por la ĝuo de diboĉemuloj sed ne de aliaj."

La fragmento, kiun mi hazarde elektis el tiu kolekto *(L'héritier du diable)*, kaj en kiu mi facilige arkaikigis <u>nur la dialogojn</u>, temas pri riĉega ĉanono* (altranga pastro) en Parizo, kies solaj parencoj estas tri nevoj: militisto (kapitano), advokato (prokuroro), kaj kamparano (ŝafisto). La unuaj du, pro senkontrola vivado, havas multajn ŝuldojn. Ili do tre ŝatus baldaŭ heredi de sia jam maljunega onklo. Ilia monavido estas tia, ke ili planas senheredigi la trian familianon. Tiu ja estas tiel simplanima ke oni kredas lin stulta kaj mallerta. Ili aranĝas ke la ŝafisto iĝu solservisto en la domo de la ĉanono, atendante ke li kondutos tiel fuŝe kaj agace, ke la onklo lin forstrekos el sia testamento. Sed okazas ĝuste la inverso : la kamparano (Chiquon) montras sin tiel helpema kaj zorgema ke la onklo lin ekŝatas super ĉiuj kaj eĉ deklaras ke li estos sol-

heredonto. La du trompitoj nun komplotas murdi sian kuzon. La advokato ruze enfermos lin en granda sako por ĵeti lin en la riveron Seine, vokante “bone naĝu!”. Se tio malsukcesus, la militisto ruze logos lin al malluma strato kaj per sia sabro forhakos lian kapon, vokante “bone regluu la kapon!” Sed la celata viktimo ilin subaŭskultis kaj zorgas inversigi la rolojn. Ekspluatante la malvirtojn de siaj malamikaj kuzoj, li intrigas tiel ke trompita edzo dronigas la unuan en kesto, kaj ke priŝtelita monpretisto tranĉas la kapon de la dua. La diablo, kiu kelkafoje montras sian ĉeeston, tiel manovras ke Chiquon fine iĝas la solheredanto.

> (…) Luy et son frère le soudard trouvoyent leur part bien légiere, veu que, loyaulment, en droict, en faict, en iustice, en nature et en réalité, besoing estoyt de donner la tierce partie du tout à ung paouvre cousin, fils d’une aultre sœur du chanoine, lequel héritier, peu aymé du bonhomme, restoyt aux champs où il estoyt bergier près Nanterre. Cettuy gardien de bestes, paysan à l’ordinaire, vint en ville sur l’advis de ces deux cousins, qui le mirent en la maison de leur oncle, dans l’espoir que tant par ses asneries, lourderies, tant par son deffault d’engin, tant par son maltalent, il seroyt desplaisant au chanoine qui le mettroyt à la porte de son testament. Doncques, ce pauvre Chiquon, comme avoyt nom le bergier, habitoyt, luy seul, avecques son vieil oncle, depuis ung mois environ; et trouvant plus de prouffict ou de divertissement à guarder un abbé qu’à veigler sur des moutons, se fit le chien du chanoine, son serviteur, son baston de viellesse, luy disant: – Dieu vous conserve! quand il pettoyt, et – Dieu vous saulve! quand esternuoyt, et – Dieu vous garde! quand il rotoyt; allant veoir s’il pleuvoyt, où estoyt la chatte, restant muit, écoutant, parlant, recevant les tousseries du bonhomme par le nez, l’admirant comme le plus beau chanoine qui fust au monde, le tout de cueur, en bonne franchise, ne saichant point qu’il le leschoyt à la manière des chiennes qui espoussettent leurs petits; et l’oncle, auquel ne falloyt point apprendre de quel costé du pain estoyt la frippe, rebuttoyt ce pauvre Chiquon, le faisoyt virer comme un dez; tousiours appelant Chiquon, et tousiours disant à ses aultres nepveux que ce Chiquon l’aidoyt à mourir, tant baslourd qu’il estoyt. Là-

dessus, oyant cela, Chiquon se demenoyt à bien faire à son oncle, et s'esguisoyt l'entendement à le mieulx servir; mais, comme il avoyt l'arrière-train formulé comme une paire de citrouilles, estoyt large des épaules, gros des membres, peu desgourd, il ressembloyt davantaige au sieur Silène qu'à ung légier Zéphirus. Au faict, le pauvre bergier, homme simple, ne pouvoyt se repentir: aussy restoyt-il gros et gras, en attendant la succession pour se maigrir.

♦ Iun vesperon, la ĉanono babilis pri la diablo kaj pri la sufokaj timoj, la turmentoj, la suferegoj kotopo kiujn Dio tenis varmaj por la damnitoj; kaj nia bona Chiquon, lin aŭskultante, malfermis okulojn grandajn kiel fornopordoj je tiuj priskriboj, sen kredi eĉ unu parolon.

*"Cuyel des,"* diris la ĉanono, *"chu ned cristanam estas ?"*

*"Tzertœ ayest!"* respondis Chiquon,

*"Nu des, se Paradizom por Bonuloy eczistat, chu ned eczistir dewat Inpherom por Malbonuloy ?"*

*"Ayest, Mesirom Chanonom; sed Diablom por ityom ned netzesat. Se wos in Domom Phriponon hawuims, cuyu cheyon phundalsuprœ zhetut, chu lùin ned extered pied-batuims ?"*

*"Tzertœ, Chiquon !"*

*"Yemen, Mesirom Onclom; Diom stultam estut se in Mondom siham, cuyun ityel curiozœ construit, phuriozir lasut abomenimdan Diablon, spetziale ocupitan cheyon diphectir... Werœ, ned agnoscams Diablon se Bondiom eczistat... Iyed ityom phidu ! Wolontœ ityan Diablon ec-widums mihi ! Ha, ned Timon hawams por Ungegoy lùiay !"*

*"Aqh, se tuan Phidon hawums mihi, plud ned pru yunay Yaroy mihay tzerbumums, cuyahem ghisquez dec Phoyojn in Tagom adi Conphesom curims."*

*"Tamen plud Conphesiron pharu, Mesirom Chanonom ! Adwos tzertigams que ityelœ waloregayn Meritoyn gaynos ityœ suprœ."*

*“Nunu, chu werœ ?”*

*“Ayest, Mesirom Chanonom.”*

*“Ned tremas tu, Chiquon, Diablon negantœ ?”*

*“Zorgams pru lùi cuyel prid Phurzom.”*

*“Ityu Credom ancorez Malplezuron adtu caùzot !”*

*“Nemyel ! Diom yad contrez Diablod mihin protectot, char credams Lùin multœ plid sagatzam ed malplid stultam ol Cleruloy pensait.”*

En tiu-ĉi momento la aliaj du nevoj envenis kaj ili komprenis, laŭ la voĉa tono de sia onklo, ke tiu neniel malŝatas non* Chiquon. Ili konjektis, ke liaj antaŭaj plendoj pri li estis nur ŝajnigoj por kaŝi sian korinklinon por li. Tute mirigite ili rigardis unu al la alia.

Poste, vidante la onklon rideti, ili diris al tiu :

*“Se Testamenton pharir dewus, adi cuyu ex nos Domon heredigus ?”*

*“Adi Chiquon !”*

*“Ed Enspezoyn del Paroqhom ?”*

*“Adi Chiquon !”*

*“Ed Grandbienon in Wille-Parisis ?”*

*“Adi Chiquon !”*

*“Des,”* konkludis la kapitano per sia kruda voĉo, *“intutœ cheyom adi Chiquon irot ?”*

*“Ned,”* respondis la ĉanono kun fajna rideto, *“Eche, se pharums mihi Testamenton selez cheyuy Reguloy, Heredazhom miham adi pluy sagatzam inter wos trid irut. Trowizzams mihi ityel proximœ del Eternescom, que Destinoyn wosayn clarœ pertzeptams mihi.”*

Kaj la ruza ĉanono direktis malicetan rigardon al Chiquon, kiel putino direktas tian al potenca kliento por lin logi en sian amor-

budon. La sorĉoflamo de tiu rigardo prilumis la ŝafiston kiu, ek-de tiu momento tenis ĉion malfermita: komprenon, orelojn, kaj cerbon, kiel farus fianĉino en la posttago de sia nupto. La prokuroro kaj la kapitano, prenante tiun eldiron kiel evangelian profetaĵon, klinsalute eliris la loĝejon, agacitaj pro la bizaraj paroloj de la ĉanono. ♦



*chez Diablom Consiloyn serchir*

## 21. La Primorta Prediko

Jam en la Enkonduko mi citis la solvon por praesperanto, kiun la granda Kalocsay prezentis kiel / kvazaŭ aldonon al sia majstra eseo *Lingvo, Stilo, Formo* el 1931. Ankaŭ ke li faris tion en formo de satiro pri iu imaga amiko senmetia, sinjoro C.E.R. Bumy, kiun li instigis lerni Esperanton kaj kiu poste subite produktis laŭplane konceptitan antikvan formon de la internacia lingvo: "La Mezepoka Esperanto".

Oni povas miri ke K.K. aldonis tian ĉapitron al faksperta analizado de la Esperanta vortfarado, evoluo de la poezia lingvo, rimado, ritmo, elparolo, kaj de ankoraŭ "pendantaj" lingvoproblemoj, kiel la konflikto ata/ita. Sed kiam oni pli atente ekzamenas lian "antikvan" tekston, elvenas ke la aŭtoro relative serioze eksperimentis per la projekto.

Tion rivelas ankaŭ la jenaj citaĵoj el la koncerna ĉapitro: "Kion komenci per lingvo, kiu ne havas arkaikajn formojn ? Mi tradukis mezepokan fablon kaj ĝi fariĝis moderna, kvazaŭ gazetartikolo. Al la diablo tiun lingvon, en kiu oni ne povas traduki la Groteskajn Rakontojn de Balzac, ne farante el ili enuajn modernajn klaĉaĵojn!" — "Esperanto estas, ĉu ne, ĉefe latinida lingvo. La arkaikaj formoj de la latinidaj lingvoj propre estas kvazaŭ transiraj formoj inter la nuna lingvo kaj la pura latino. Elcerbumu do tiajn transirajn formojn ankaŭ por Esperanto kaj vi havos kion vi bezonas."

Certe, ĝi estas amuza rakonto — kaj KK tion sendube ankaŭ celis — sed el pure teknika vidpunkto la teksteto tamen montras sin ne supraĵe kunflikita. Mi supozas, ke lia raciisma formiĝo kunhelpis por ridindigi la malnovan teksteton, kiu ja estas katolika prediko naiveta, kaj samokaze la plej malnova dokumento — situigita inter 1192 kaj 1195 — kiun la Hungaroj posedas pri sia lingvo kaj kiu okupas la tutunuan lokon el ilia Nacia Biblioteko, sub nomo Kodekso Prey.

Kio igas tiun historian dokumenton aparte interesa, estas ke ĝi entenas koloran bildon prezentanta Jesuon envolvota en la … Mortotuko el Torino, la ege kontroversia relikvo de la Katolika Eklezio. Tiu klare identigeblas sur la bildo per la ekstraj brultruetoj kaj ties dismeto en formo de L. La jena simpla fakto per si mem detruas la validecon de la analizo el 1988, per la konata $C^{14}$-metodo, kiu ja aplombe certigis ke la relikvo nepre estiĝis ie inter 1260 kaj 1390. Sekve: aŭ la Mortoprediko estas erare determinita, aŭ la Tuko estas erare taksita.

Ĉiel ajn, estas surbaze de tiu sufiĉe bone strukturita teksto de Kalocsay, ke mi ellaboris mian propran projekton, sed tiun ĝisfine. Pro tio jen sinsekve la tri versioj: aŭtenta (rekonstruo), kaloĉaja, halvelika.

## Halotti Beszéd

Láttyátuk feleim szümtükhei, mik vogymuk. Isa pur ës chomuv vogymuk. Mënyi milosziben terümtevé elevé miü isemüküt. Ádámut, ës odutta vola neki paradisumut házoá. Ës mënd paradisumben volou gyimilsiktűl mundá nekí élnië. Héon tilutoá üüt igy fa gyimilsétül. Gye mundoá neki, mérët nüm ëneik. “Isa, ki nopun ëmdül oz gyimilstüül, halálnek haláláal holsz.” Hadlavá choltát terümtevë Istentül, gye feledëvé. Engedë ürdüng intetüinek ës ëvék oz tilvutt gyimilstüül, ës oz gyimilsben halálut ëvék. Ës oz gyimilsnek uly keserüü volá vizë, hugy turkukat migé szokosztya vola. Nüm hëon mugának, gye mënd üü fojának halálut ëvék. Horoguvék Isten ës vetevé üüt ez munkás világbelé, ës lëűn halálnek ës pukulnek fészë ës mënd üü nemének. Kik ozuk ? Miü vogymuk. Hugy ës tiü láttyátuk szümtükhel. Isa ës nüm iggy embër mulchottya ez vermüt. Isa mënd ozchuz járou vogymul. Vimággyuk Uromk Isten këgyilmét ez lélikért, hugy jorgossun üü neki ës kegyiggyen ës bulsássa mënd üü bűnét. Ës vimággyuk szent achszin Máriát ës boudug Michaël archangyëlt ës mënd angyëlkut, hugy vimággyonok érëttë. Ës vimágygyuk szent Pétër urot, kinek odutt hotolm oudonia ës këtnië, hugy ougya mënd üü bűnét. Ës vimággyuk mënd üü bűnét. Ës vimággyuk mënd szentüküt, hugy lëgyenek neki segéd Urumk szinë eleüt, hugy Isten iü vimádságuk miá bulsássa üü bűnétil. Ës szoboducha üüt urdung ildetűitűl ës pukul kinzotujátüül, ës vezessë üüt paradisum

nyugalmábeli, ës oggyun neki münyi uruszágbelé utot ës mënd jouben részet. Ës këássátuk Uromkhus charmul: *Kyrie eleison* ! /// Szerelmes brátim ! Vimágyomuk ez szëgin ember lilkiért, kit Úr ez nopun ez homus világ timnücébeleül mentë, kinek ez nopun testét tümettyük, hugy Úr üüt këgyilméhel Ábraám, Izsák, Jákob kebelében helhëzjë, hugy birságnop jutva mënd üü szentii ës ünüttei küzikün jou feleül jochtotnia íleszjë üüt. Ës tiü bennetük ! *Clamate ter: Kyrie eleison* !

**(Mortes Predicatu)**

Widats wui, confratruy, quio nui estams ? Ya pulvu kay cindru estams. En quiomt graceu principe Diu creays nuialn praun Adamun kay donnays ad llui paradisun quiele domun. Kay ell omn fructuy trovibiluy en paradisu dirays al llui wiwir. Solel interdirays al llui unes arbores fructun. Sed Llui dirays al llui, pro quio llui ne mandduz. Ya, quiudie tui manddors ell fructu, tui mortors mortes mortun. Audays suialn mortun de creatoru Diu, sed oblivays. Llui cedays diaboles tentun kay manddays ell fructu kay en fructu manddays mortun. Colerays Diu kay lluin jectays ad istiunci laborosun mondun. Kay llui fiays nestu mortes infernesquay. Kay totu lluial gentu. Quiuy estas isitiuy ? Nui estams, quiele powats wui widir per wuialy occuluy. Ya nec un homu powas ewitir istiun cavun. Ya nui chiuy estams irantuy ad iddi. Nuy pregiumz pro favoru siniores Diu por istiu animu, que Llui habuz al llui indulgun kay misericordun kay pardonnuz al llui lluialyn culpuyn. Kay nui pregiumz sanctan mullyerun Maria kay beatun archangielun Michaelu kay chiomt angielun, que illi pregiuz por llui. Kay pregiumz sanctun siniorun Petru, ad quiu donnatis potentu kay ligir kay solwir, que llui solwuz lluialyn culpuyn kay libericuz lluin de diaboles persecutuy kay inferes turmentuy. Kay Llui conducuz lluin ad paradisaln tranquilun kay donnuz al llui voiun ad cielun kay partun ell chiomt bonu. Kay clamutz tri foiuyn: *Kyrie eleison* ! /// Amatuy fratruy ! Pregiumz por animu isties povres homnes, quiun Sinioru ell falses mundes carceru hodie salvays, quies corpun hodie nui entericams. Que Sinioru lluin locuz cum favoru en sinun de Abrahamu, Iacobu kay Isacu, que en ultimo jugiu Llui rewiwicuz lluin por commandir lluin dextre inter Lluialy sanctuy kay electituy. Kay anch wuin. *Clamate ter: Kyrie eleison !*

Widais wos, Phratoy mihay, proproculœ cuyom estaims ? Yad Polwom ed Tzindrom estaims. Ex isityu Printzipom comentzœ creit Diom Praulon nosam Adamon ed lùid Paradizon donit cuyelque Restadeyon. Ed del cheyuy Phructoy trowibilay in Paradizom ordonit lùid manghir ed wiwir. Solœ malpermesit lùid unnes Arbes Phructoyn. Sed anquez dirit pru cuyo ned permesitam estit manghir. Ayest, in Tagom incuyu del ityu Phructom manghos, tu per Mortom Morteys mortos! Aùdit Morton sihan ex Creintes Bushom, sed eghin phorgesit. Tzedit lùi Diables Tentoyd ed ex isityu Phructom malpermesitam manghit ed in Phructom sihan Morton trowit. Ed isityu Phructom Guston hawit ityel amaram que Gorghoy ilùiay shirizzit. Ned nur por lùi solam, sed por tutam Rasom lùian Morton manghit. Colerit Diom ed lùin zhetit sobrez isityud Mondod Turmenteys, ed eghi Nestom Mortes ed Inpheres izzit, anquez por tutam Gentom lùiam. Cuyuy ityuy estait ? Nos estaims, cuyelque widir powais per propray Oculoy wosay. Ayest, eche ned unn Homom isityun Sorton ewitir powat. Yad nos cheyuy irantay ad eghi estaims. /// Petegaims des Corphaworon del nosam Sinyorom Diom por isityu Animom; que adegui Indulgon hawigu ed Mizericordon ed adlùi pardonu Culpoyn lùiayn. Ed nos preghuy Sanctad Damod Mariad ed beatad Arcanghelod Miqhaelod ed cheyuyd Angheloyd que por egui preghuy ilùi. Ed preghuy sanctad Mesirod Petrod, adcuyu Potentzon donizzit prid Liguirom ed Solwirom, que malligu lùi cheyuyn Culpoyn lùiayn. Ed nos preghuy cheyuyd Sanctuloyd que adlùi estuy helpemay antez Wisaghom noses Sinyorom Diom. Que Diom pru Preghoy ilùiay pardonu Culpoyn lùiayn ed liberigu ex Diables Persecutoy ed Inpheres Turmentoy. Ed conducu lùin adi paradizam Tranqùilom, ed donu Woyon adi Chielam Regnom ed Parton ex cheyom bonam. Ed wocuy trid Phoyoyn adi Sinyorom nosam: kyrie eleison! /// Amatay Phratoy mihay, preghuy nos por Animom isityes

*powres Homes, cuyun Sinyoregom hodiez ex Cartzerom isityes phalses Mondom sawit; cuyes Corpon hodiez interigaims. Que Sinyorom cum Phaworom lùin in Sinod Abrahames, Yacobes ed Isaques locu; porque in lastam Tagom Yughes estu por loquiguir lùin decstrœd inter cheyuy Sanctuloy Lùieys ed Electitoy, ed lùin wiwir igu, lùin ed anquez wosin. Wocuy des: kyrie eleison! Amen !*



Suba parto de la bildo en *Codex Prey* kun la truetoj en formo de L.

# 22. La Sankta Fontano

Unu el la plej unuaj romanoj pri fantascienco*, en kiu aperas tempovojaĝo, aŭ eble la tutunua laŭ moderna kompreno, estis la verko *A Connecticut Yankee at King Arthur's Court* (1898) — Jankio en la Kortego de Reĝo Artur — fare de la usona ĵurnalisto kaj famega verkisto Mark Twain, pseŭdonimo por Samuel Langhorne Clemens (1835-1910). Tiu estis vera ĵonglisto per vortoj, ne nur en la kutima beletra senco, sed precipe per tio ke li scipovis vivreale redoni dialektojn, parolatajn laŭlonge de rivero Mississipi, en maniero kiu igas kelkajn liajn verkojn en praktiko netradukeblaj, escepte per forta pritondo de la teksto. [Specimeno el lia *Puddn'head Wilson* oni trovos en la krestomatio de mia Popido-projekto.] Same statas pri lia senrezerva aplikado de slangaj vortoj kaj parolturnoj, kaj eĉ de mezanglaj arkaikecaj tekstoj, kiujn li scipovis lerte kunfandi ĝuste en la verko el kiu mi ĉerpas.

Ĝi temas pri usona inĝeniero kiu, pro akcidento, trafas en la mezepokan Anglujon de la legenda Reĝo Artur [kp. "Plej Antikva Abatejo"], situigita en … la 6-a jarcento. [Anaĥronismoj estis la vere lasta zorgo de nia aŭtoro.] Tie li baldaŭ sukcesas atingi altan oficon kun granda influo, helpe de liaj sciencaj scioj kaj teknikaj kapabloj el moderna (19-jarcenta) epoko, kiuj efikas kiel mirakloj al la tiama socio. Li travivas multajn aventurojn kiel "Mesirom Nagus", ĉiam larditajn per la (ofte troiga) humuro kaj satira tono, kiuj estas tipaj por Twain.

Fakte, tiu-ĉi fantazia romano estis rimedo por li sputi malestimon käj al la (trokredema) kristana homsocio de la mezepoko käj al ĝiaj ŝatataj noblaj kavalir-romanoj, plenaj je (bombasta) nobleco. La jankia ĉefheroo estas idealisto kiu firme kredas je la potenco de teknologio kaj komercada libereco por plibonigi la vivon de la homaro, ankaŭ el morala vidpunkto — la tipe usona "amerika revo". Tamen, strange, ĉe la fino de la romano la heroo vidas forvaporiĝi

siajn esperojn, estas kun sia fidela anaro sieĝata, kaj pro vundiĝo subite revenas al sia propra epoko.

Mi klopodis, en la sekvanta fragmento, laŭpove redoni almenaŭ la formon de la originalo, kun sia intermiksado de slanga kaj arkaikeca lingvaĵoj, aplikante al ili respektive miajn AE kaj Gavaro, sen pretendo pri la beletra valoro de mia traduko aŭ pri la fideleco de la kompleksega teksto. En tiu-ĉi fragmento monaĥoj vokas la usonanon malsorĉi sanktan fontanon, kiu subite plu ne donis akvon, kio estas katastrofo ĉar al ĝi de jarcentoj alfluadas pilgrimoj por serĉi saniĝon.

**THE HOLY FOUNTAIN**

The pilgrims were human beings. Otherwise they would have acted differently. They had come a long and difficult journey, and now when the journey was nearly finished, and they learned that the main thing they had come for had ceased to exist, they didn't do as horses or cats or angle-worms would probably have done — turn back and get at something profitable — no, anxious as they had before been to see the miraculous fountain, they were as much as forty times as anxious now to see the place where it had used to be. There is no accounting for human beings.

We made good time; and a couple of hours before sunset we stood upon the high confines of the Valley of Holiness, and our eyes swept it from end to end and noted its features. That is, its large features. These were the three masses of buildings. They were distant and isolated temporalities shrunken to toy constructions in the lonely waste of what seemed a desert — and was. Such a scene is always mournful, it is so impressively still, and looks so steeped in death. But there was a sound here which interrupted the stillness only to add to its mournfulness; this was the faint far sound of tolling bells which floated fitfully to us on the passing breeze, and so faintly, so softly, that we hardly knew whether we heard it with our ears or with our spirits.

We reached the monastery before dark, and there the males were given lodging, but the women were sent over to the nunnery. The bells were close at hand now, and their solemn booming smote upon the ear like a message of doom. A superstitious despair possessed the heart of every monk and published itself in his ghastly face. Everywhere, these black-robed, soft-sandaled, tallow-visaged specters appeared, flitted about and disappeared, noiseless as the creatures of a troubled dream, and as uncanny.

The old abbot's joy to see me was pathetic. Even to tears; but he did the shedding himself. He said: "*Delay not, son, but get to thy saving work. As we bring not the water back again, and soon, we are ruined, and the good work of two hundred years must end. And see thou do it with enchantments that be holy, for the Church will not endure that work in her cause be done by devil's magic.*"




**Baldaŭ la heroo akiras la kavaliran titolon Mesirom Nagus ***

♦ La ĝojo de la maljuna abato, kiam li ekvidis min, estis kortuŝa. Ĝis eĉ larmoj; sed ties verŝadon li faris mem. Li diris: *Ned procrastu, Philom, sed Tuan Sawolaboron tuycomentzu. Se nos Acwon ned reaperiguims, ed baldez, nos ruiniguitay estoims, ed ityu bonam Laborom duxtzent Yareys phinir dewot. Ed zorgu que ityon Tu per wersanctay Sorchazhoy*

*pharu, char Ecleziom ned tolerut que Laboron in eghiam Serwom onpharut per diablam Magiom.*

- Kiam mi laboras, patro, estu certa ke estas neniu diablaĵo ligita al tio. Mi utiligos nenian arton de diabla deveno, kaj neniun elementon ne kreitan de la mano de Dio. Sed ĉu Merlin [la oficiala sorĉisto de la reĝo] laboras strikte laŭ piaj instruoj ?

*- Ayest, dirit lùi que ityel ocazut, Philom miham, dirit lùi que ityel ocazut, ed Zhuron pharit por Promeson lùian phortiguir.*

- Nu, tiukaze, lasu lin procedi.

*- Sed Tu tamen ned sonzlaboram apudœ [de lùi] sidos, sed helpos ?*

- Neniom utilus miksi la metodojn, Patro; nek estus profesia ĝentil-aĵo. Du anoj de la sama metio devas ne subfosi unu la alian. Ni povus sambone stumpigi la tarifon kaj likvidi la aferon; jen kio rezultus en la fino. Merlin havas la kontrakton; neniu alia magiisto rajtas akapari ĝin, ĝis li mem rezignas.

*- Sed phorprenoims eghin de lùi; teruram Crizosituatziom estat ed ityan Agon prawigat. Ed se ityelœ ned estut, cuyu adi Ecleziom Leghoyn ordonut ? Ecleziom adi cheyuy Leghoyn ordonat; ed cuyon eghi pharir intentzat, ityon eghi pharir powat, sonzrigardœ cuyu supherat. Mihi eghin del lùi phorprenoms; Tu tuymomentœ comentzos.*

- Preferinde ne, Patro. Neniu dubo, kiel vi diras, kie potenco regas, oni povas agi laŭ sia gusto sen kontraŭbato; sed ni povraj magi-istoj ne troviĝas en tia situacio. Merlin estas bonega magiisto laŭ sia modesta maniero, kaj li ĝuas certe ne ignoreblan lokan reputacion. Li elbaraktu sin, farante sian plejeblon, kaj estus kontraŭ la etiketo se mi forkaptus lian taskon antaŭ ol li mem faligus ĝin.

La vizaĝo de la abato ekviglis.

*- Ho, estat simplœ. Eczistait Rimedoy perswadir lùin prid Rezignom.*

- Nene, Patro, ne lertus, kiel tiuloj kutimas diri. Se oni persvadus lin kontraŭ lia volo, li ŝargus tiun puton per malica sorĉaĵo, kiu detenus min ĝis kiam mi eltrovus ĝian sekreton. Postulus eble monaton. Mi povus verki propran sorĉaĵeton, kiun mi nomas telefono, kaj kies sekreton li ne sukcesus malkovri eĉ en cent jaroj. Jes, kiel vi vidas, li povus bloki min dum tuta monato. Ĉu vi riskus unu monaton en tia-ĉi seka vetero ?

*- Unn Monaton ! Nuram Pensom mihin timtremir igat. Selez Plachom Tuam pharu, Philom miham. Sed Corom miham pezam estat pru isityu Sonziluziizzom. Phoriru nun, ed lasu mihin portirir Spiriton mihan cum Latzescom ed Atendirom, samityelœ cuyel phariims dum isityuy dec longaj Tagoy, perphortantœ ityun Azhon Ripozom nomatam, cùanque Corpom sternitam adexterœ Malactiwescon shaynigat cuyœ internœ nemyel inestat.*

Nature estintus plej prudente, ĉion konsiderate, se Merlin ignorus la etiketon kaj eksiĝus deklarante militpaŭzon, ĉar li neniam kapablus ekfluigi tiun akvon, estante vera magiisto tiuepoka; kio signifas, ke la grandajn miraklojn, tiujn kiuj havigis al li la famon, ĉiam havis la bonŝancon esti verkataj dum neniu krom Merlin ĉeestis; li ne povus ekigi tiun-ĉi fonton kun la tuta homamaso ĉirkaŭe alrigardanta; homamaso estis same maltaŭga por miraklofaro de magiisto en tiuj tagoj, kiel ĝi estus por miraklofaro de spiritualisto en miaj tagoj: oni povis esti certa pri la apudstaro de iu skeptikulo kiu malfermus la gasoklapon en kritika momento, fuŝante ĉion. Sed mi ne deziris ke Merlin fortiru sin de la tasko, ĝis kiam mi mem estos preta efike ekkapti la bridojn; kaj mi ne povis fari tion ĝis kiam mi ricevis mian ilaron el Camelot, kaj tio postulus du aŭ tri tagojn.

Mia ĉeesto donis esperon al la monaĥoj, kaj gajigis ilin ne malmulte; tiagrade ke ili manĝis en tiu vespero unuafoje en dek tagoj fortikan pladon. Tiel baldaŭ kiel iliaj stomakoj estis taŭge rembur-

itaj per manĝaĵoj, ilia animstato rapide heliĝis; kiam la medo komencis fari sian rondiron, ĝi eĉ pli rapide heliĝis. Ĉirkaŭ la tempo kiam ĉiuj estis duone en la nebuloj, la sankta komunumo troviĝis en bona formo por suprenlasi la balonojn; ni do restis en la klubo kaj kompletigis la tarantelon. La etoso fariĝis vere petola. Rakontiĝis solide malnovaj historietoj dubmoraj, kiuj igis larmojn malsupren flui kaj kavernajn buŝojn malferme stari kaj rondajn ventrojn skuiĝi pro ridado; kaj oni elmuĝis dubmorajn kantojn en potenca ĥoro kiu dronigis la bumadon de la tintegantaj sonoriloj.

Fine ankaŭ mi riskis historieton; kaj vasta estis ĝia sukceso. Ne tuje, kompreneble, ĉar enloĝanto de tiuj insuloj [Britoj] ĝeneral-regule ne solviĝas ĉe l'unuafaza apliko de humuraĵo, sed la kvinan fojon ke mi rakontis ĝin, ili komencis fandiĝi en iuj lokoj; la okan fojon ke mi rakontis ĝin, ili komencis rompiĝi; ĉe la dekdua ripeto ili disfalis en rubaĵojn; dum ĉe la dekkvina ili dispolviĝis, kaj mi ekkaptis balailon kaj ilin kunbrosis. Tiu-ĉi priskribo estas figura.

Tiuj insulanoj — nu, ili ja estas maldiligentaj repagantoj, komence, kiom koncernas la interezojn por onia investo de klopodoj, sed en la fino ili igas la repagon de ĉiuj aliaj nacioj malriĉa kaj malgranda laŭ komparo.

-------------

La sekvan tagon mi estis ĉe la fonto ĝustatempe. Merlin estis tie, sorĉadante diligente kiel kastoro, sed suprenigante eĉ ne humid-aĵon. Li ne estis en afabla humoro; kaj ĉiufoje ke mi aludis ke eble tiu-ĉi kontrakto estas ombreton tro postulema por novico, li sen-bridigis la langon kaj blasfemis kiel episkopo — kiel franca episkopo el la Regenteco-epoko, mi volas diri.

La aferostato estis proksimume tiel kiel mi atendis trovi ĝin. La "fontano" estis ordinara puto elfosita en la kutima maniero, kaj perŝtone fortigita en la kutima maniero. Nenio mirakla pri ĝi. Eĉ la mensogo, kiu estis kreinta ĝian famon, ne estis mirakla; mi estus povinta rakonti ĝin mi mem, kun unu mano ligita malantaŭ la

dorso. La puto troviĝis en malluma ĉelo staranta en la centro de konstruŝtona kapelo, je kies muroj pendis piaj bildoj de tiaspeca metiarto ke kromolitaĵo* sentus sin selektita; bildoj historie memorigaj pri kuracomirakloj, efektivigitaj de la akvo dum neniu estis rigardanta. Tio estas, neniu escepte de anĝeloj: ili ĉiam troviĝas sur la ferdeko kiam okazas miraklo sur la pruo — por ke ili aperu en la bildo, eble. Anĝeloj ŝatas tion tielege kiel fajrobrigadanoj; nur konsideru la antikvajn majstrojn.

La putoĉelon obskurete prilumis oleolampoj; la akvo estis supren tirata per vindaso kaj ĉeno, fare de monaĥoj, kaj verŝata en trogojn kiuj liveris ĝin al ŝtonaj rezervujoj ekstere en la kapelo — kiam estis akvo suprenigebla, mi volas diri — kaj neniu escepte monaĥoj rajtis eniri la putoĉambron. Mi ĝin eniris, ĉar mi posedis portempan aŭtoritaton por tio, pro ĝentilaĵo de mia profesia frato kaj subulo. Sed li mem ne estis enirinta ĝin. Li faris ĉion per sorĉokantaĵoj; li neniam laborigis sian intelekton. Se li estus nur enpaŝinta tie kaj utiliginta siajn okulojn, anstataŭ sian fiordan menson, li estus povinta sanigi la fonton per naturaj rimedoj, por poste transformi tion en mirigaĵon laŭ la kutima vojo; sed ne, li estis maljuna kalkokraniulo, magiisto kredanta je sia propra magio; kaj neniu magiisto povas prosperi estante handikapita per tia superstiĉo.

Mia ideo estis ke la puto ie produktis likon; ke kelke da ĝiaj muroŝtonoj elfalis ĉe la fundo, malferminte breĉojn tra kiuj la akvo eskapas. Mi mezuris la ĉenon — 98 futojn. Tiam mi alvokis duon da monaĥoj, fermis la pordon, prenis kandelon, kaj igis ilin mallevi min en la sitelo. Kiam la ĉeno estis komplete elstreĉita, la kandelo konfirmis mian suspekton: konsiderinda sekcio de la muro estis malaperinta, montrante ege larĝan breĉon.

Mi preskaŭ bedaŭris, ke mia teorio pri la aflikto de la fonto estis ĝusta, ĉar mi havis ankoraŭ alian en kiu nestis paro da spektaklaj elementoj por verki miraklon. Mi memoris ke en Usono, multajn jarcentojn poste, kiam oleofonto ĉesis fluadi, oni kutimis eksplodigi ĝin per dinamita torpedo. Se mi estus trovinta tiun-ĉi fonton seka, sen ekspliko por la fakto, mi estus povinta mirigi ĉi-tiujn

homojn en plej nobla maniero, igante iun personon sen speciala kvalito faligi bombon en ĝin. Estis mia penso komisii Merlin por tio. Tamen, estis klare ke ne estus okazo por la bombo. Oni ne povas knedi ĉiujn aferojn laŭ sia gusto. Cetere, vira homo ne lasu sin senkuraĝigi de la unua elrevigo; li pli bone decidu pri io same efika. Estas tio kion mi faris. Mi diris al mi mem: mi ne estas hastema, mi povas atendi; tiu bombo ankoraŭ trovos kompenson. Kaj ĝi efektive tion faris.

Kiam mi estis denove super la tero, mi forekspedis la monaĥojn, kaj malsupren-lasis fiŝfadenon: la fonto estis cent kvindek futojn profunda, kaj estis kvardek unu futoj da akvo en ĝi ! Mi revokis unu monaĥon kaj demandis:

- Kiom profunda estas la puto ?

*- Ityon, Mesirom, ned stziams mihi, char nemyu admihi dirit.*

- Kutime, kiel staras en ĝi la akvo ?

*- Proximœ adi Suprazhom, isityuyn dux Yartzentoyn, selez Atestoy, adnos tra nosay Prezzuloy transdonitay.*

Estis vere — almenaŭ ĝis la aktuala epoko — ĉar ekzistis atesto pri tio, kaj pli taŭga atesto ol tiu de monaĥo: nur kelkaj dudek aŭ tridek futoj de la ĉeno montris eluziĝon, la resto estante sen foruzo kaj plena je rusto. Kio okazis tiun antaŭan fojon, kiam la fonto ĉesis funkcii ? Sendube tiu aŭ alia praktikulo alvenis kaj riparis la likon, por poste suprenveni kaj rakonti al la monaĥestro ke li malkovris per dia instruo ke la fonto ree ekŝprucos se oni detruos la pekan banon. La liko nun denove okazis, kaj tiuj-ĉi infanoj estus daŭrigintaj la sonadon de siaj sonoriloj por ĉiela help-asisto ĝis ili ĉiuj elsekiĝus kaj forbloviĝus, kaj neniu inter tiuj naivuloj iam ekhavus la penson mallevi fiŝfadenon en la puton aŭ mem eniri ĝin por malkovri kio vere misas. Malnova penskutimo estas unu el la plej tenacaj aferoj de kiu liberigi sin en la mondo. Ĝi transdoniĝas kvazaŭ fizikaj formo kaj aspekto; kaj en tiuj tagoj, sur homon kiu

ekhavus ideon kiun liaj prapatroj ne nutris, estus falinta la suspekto esti bastardo. Mi diris al la monaĥo:

- Estas malfacila miraklo rekrei akvon en seka fonto, sed mi klopodos, se mia frato Merlin malsukcesos. Frato Merlin estas sufiĉe bona artisto, sed nur kiom koncernas la salon-magian branĉon, kaj li do povus ne sukcesi; fakte eĉ probable ne sukcesos. Sed tio ne estu miskreditiga por li; la viro kiu kapablas verki *tian-ĉi* specon de miraklo, tiu scipovas sufiĉe por estri hotelon.

*- Hotelon? Ned memorams esti aùdintam …*

- Pri hotelo? Estas tio kion vi nomadas "Gasteyom". La homo kiu povas fari tian-ĉi mirigaĵon povas estri "Gasteyon". Mi scipovas fari la miraklon; mi faros la miraklon; tamen mi ne provos forkaŝi de vi ke estos miraklo kiu streĉos miajn okultajn povojn ĝis la lasta nervo !

*- Nemyu ityon plid bonœ stziat ol Phratularom, werœ; char reguistritam estat que in Prezztempom dangherœ malphatzilœ estit ed tutan Yaron postulit. Spitœ, Diom adwos Bonshantzon sendu, ed por ityu Tzelom preghoims.*

El komercada vidpunkto estis bona ideo dissemi nocion ke la tasko estos malfacila. Pli ol unu etaferon oni igis grandega per ĝustaspeca reklamo. Tiu monaĥo estis plena je la malfacileco de la entrepreno; li plenigos la ceterajn. En du tagoj la kunsento estos prosperanta. ♦

**(La resto de la ĉapitro figuras en mia *Gavaro, la Verda Slango*.]**

# 23. Renardo la Vulpo

Rakontoj en kiuj ĉefrolas bestoj — bestofabloj — ŝajnas konsistigi ingrediencon de ĉiuj kulturoj. Ofte ili utilas por esprimi iun moralan principon, simile al la rolo de fabloj en la instruado de Jesuo. Ankaŭ en nigra Afriko, kie literaturaĵoj ĝis modernaj tempoj estis apenaŭ konataj kaj flegataj, svarmas tiaj popularaj bestofabloj, transdonataj de generacio al generacio. Ek-de antikvaj tempoj en Eŭropo jam aperis aŭtoroj, kiuj rime verkis tiajn fablojn. Inter ili bonkonatas helene Aesopus, latine Phaedrus, france La Fontaine. La bestoj, en tiuj rolantaj, posedas tute homajn virtojn kaj malvirtojn.

Sed eble plej granda florado okazas en niaj modernaj tempoj, pro le tekniko de desegnadaj filmoj (plus tiu de bildstrioj). Kiu ne konas la stultegan anason Donald Duck kaj ties misaventuroj, kreitaj de Walt Disney ? En tiuj-ĉi tamen mankas la iamaj moralaj implicoj, kvankam daŭre restas mokado kaj ridindigo de ĉiaspeca aŭtoritato. Ankaŭ pupteatraj prezentoj oftege entenas parolantajn bestojn.

Tie-ĉi aparte interesas nin la mezepoka Romano de Renardo (*Roman de Renard)* kun ege ruza kaj senskrupula vulpo kiel ĉefrolanto. Ĝi estiĝis en la mezepoka Francujo, de la 12-a ĝis 13-a jarcentoj, ĉar ĝi konsistas el 27 ĉapitroj — tn. “branĉoj” — verkitaj de ĉiam novaj aŭtoroj, kiuj aldonis al la antaŭaj. La komencan branĉon verkis Pierre de Saint-Cloud. Estas poeziaĵo de centmilo da versoj, oksilabaj kaj pare rimantaj. Tio kio igis ĝin eksterordinare populara, estas ke ĝi fakte konsistigas satiron pri la tiutempa feŭda socio kaj ĉiuj ties hipokritaĵoj, sed ankaŭ pri la naturaj malvirtoj de homoj ĝenerale. Precipe la regantaj tavoloj, aristokrataro kaj ekleziularo, estas vipataj de la vulpo kiu ĉiam sukcesas venki siajn malamikojn kaj elturni sin el plej danĝeraj situacioj. Estas ankaŭ reago kontraŭ bombaste troiga stilo de la noblanimaj “kavaliraj romanoj”.

La eposo estis plurfoje rekopiata tra la jarcentoj, ne nur en Francujo mem, sed ankaŭ eksterlande, konservante la intrigojn. Ekzemple, la granda germana filozofo kaj verkisto Goethe en 1794 publikigis sian propran version: *Reinecke Fuchs.* La rusdevena filmfaristo Ladislas Starewitch eĉ produktis, ankoraŭ en la tridekaj jaroj de la pasinta jarcento, longan desegnitan filmon *(Le Roman de Renard)* kiu aktuale haveblas sur DVD-disko kaj kun anglalingvaj subtekstoj.

La ekstre maldelikatan fragmenton, kiu ĉi-sekvas, mi elektis kaj senpretende tradukis laŭpove el ĝia dicalingva versio — *Vanden vos Reinaerde* — kiun iu nekonata Willem verkis en la 13-a jarcento aŭ eĉ pli frue, tre fidele sekvante la originalon. En la kortego (samtempe kortumo) de Reĝo Nobel, la leono, multaj korteganaj bestoj akre plendas kontraŭ Renardo la vulpo, kiu malestime mokas pri ĉiuj konvencioj kaj kiu respektas neniun kaj nenion. Tial ke la akuzito ne ĉeestas, la reĝo ordonas venigi lin al la tribunalo, por tie esti juĝata kaj ricevi severan punon. Sed Renardo, estante ruzega fripono, scipovas elprofiti la malfortajn trajtojn en la karaktero de la komisiitoj. Ĉiufoje li eskapas kaj ilin reirigas, ege vunditajn, unun post la alia.

Jen estas la vico al Tiberto, la virkato, kiun Renĉjo *(Reintje)* — per promeso pri bongustegaj musoj — en kaptilon irigas, elmetitan en kokinejo fare de la filo de la posedanto, kiu estas pastro, por kapti la ŝtelinton de multaj kokinoj; evidente neniun alian ol la vulpo. Ĉiu provo de la kato, liberigi sin el la suferiga kaptoŝnuro, nur des pli firme kaptenas lin. Alkuras la enloĝantoj por lin batadi senkompate.

Doe so namen si up die vaert,
Tybeert ende sijn oem Reynaert,
Ende lipen daer si loepen wilden,
Datsi nye toghel up hilden,
Eer si quamen tes paepes scuere,
Die met eenen erdinen muere
Al omme ende omme was beloken,
Daer Reynaert in was tebroken

Des ander daghes daer te voren,
Doe die pape hadde verloren
Eenen hane, die hi hem nam.
Hier omme was tornich ende gram
Des papen sone Martinet,
Ende hadde voer dat gat gheset
Een strec den vos mede te vane;
Dus gherne wrake hi den hane.
Dit wiste Reynaert, dat felle dier,
Ende sprac: "Neve Tybeert, hier
Crupet in dit selve gat,
Ne wese trage no lat.
Gaet al omme ende omme gripen,
Hoert hoe die muse pipen.
Keert weder uut, als ghi zijt sat,
Ic sal hier bliven voer dit gat
Ende sal u hier buten beiden.

====================



*Grandegam estit phiplezurom*
*del Renchyom pru ityu Torturom.*
*Bruirit Tibert' ityel blequœ*
*que phinœ Martinet postwequœ*
*eccriit: "Haha, ghustmomentœ*
*exmetims Shnuron saghprudentœ;*
*captitam yad Sthtelistom shaynat,*
*cocraban Lud' eghi malgaynat,*
*pri Pharom 'ghiam estot Pagom !"*
*Exprenit in samgestam Agom,*
*por Lumon pharir, paylan Phascon,*
*char Torchom phatziligut Tascon.*
*Patrinnon, postœ Patron wequit,*
*Inphanoyn anquez, dumque mequit:*
*"Rabiston captims! Best' enorman !"*
*Lùi ityel spronit Gent' sonzdorman*
*que tumult=eqhit Dom' baldezœ.*
*Papulom restit ned postezœ*
*in Philes noctam Batmilitom;*
*tutnudam saltit lùi ex Litom.*
*Yam' Martinet cheztzelœ woquit:*

*"Wilharam Catom sihin hoquit !"*
*Phayreyœd Papul' directizzit,*
*Edzinnom Lan' ityœ shpinizzit.*
*Bobenbastonon del Yulocom*
*rapidœ tirit lùi ex Locom,*
*dumqu'eshi bontraditzi=morœ*
*Candel' phlamiguit porphaworœ.*
*Papulom batit nun Tiberton,*
*Bobenbastonom pruwant' Lerton.*
*Sonzchesœ Batom secwit Baton,*
*drashantœ criegantan Caton.*
*Eccaptit Martinet Rocshtonon,*
*ritzewu Tibert' Pun=malbonon:*
*Oculon Cates lùi discrewit.*
*Papul' ityahem Bracon lewit,*
*por phinan Cracon adportacchir.*
*Cuyahem widit que mortacchir*
*lùi dewot tuyœ, pro Terurom*
*ecagit Tibert' cum Brawurom.*
*Adinter nuday Homphemuroy*
*Wircatom saltit sonz Weluroy,*
*perungœ pretam ed perdentœ,*
*Truegon shirit actzidentœ*
*in carnotolam Reticulom,*
*meti=utilam ad Papulom,*
*por Sonoriles Ardoludom*
*in geedzizzam Dormobudom.*
*Coyon' exglitit cum Phatalom*
*adplanquœ shmatzit dum Batalom.*
*Edzinnom pastram malghoyeguit,*
*Animon Patres 'yedzhureguit:*
*"Dezirut eshi nedpasintam*
*Criplazhon edzod ocazintam,*
*por tutes Yares Moncolectom*
*opherdonitam sonz Electom."*
*Eshi we=plendit: "Satan=Spurom*

*gluizzit iyed Stringoshnurom !*
*Rigardu, Martinet, Carulom:*
*isityu rughphadenam Bulom*
*intenat Patres wiran Phorton;*
*nun consideru mihan Sorton.*
*Cheyahem plud ed tutsecundœ,*
*sanizzut eche lùi postwundœ,*
*por dolcham Amolud' sonzpowam*
*lùi restot tutœ ed sonzmowam !"*
*Rideguit Renchyom pru is=Dramom*
*del powram ghemplorantam Damom,*
*qu'ad lùi Postazhom malcontrolit.*
*Eshin cashmoquœ phiconsolit:*
*"Silent' Yulocom, Bonwirinnom;*
*anstatez ghoyu, Pastredzinnom !*
*Se Globet' perdit Domsinyorom,*
*pliddie penot por Amorom !*
*Unnsol' Phrapiles Phorophertom*
*nedhont' estat char lùi pru Tzertom*
*per duxam prowot sonoreguir,*
*sambonœ cuyel preghpreleguir !"*
*Sed wanit ityam Consolwortom;*
*ploreguit Innom pru Phastsortom.*
*Sentizzit Pastrom nun swenantam,*
*Dolorom estit traborantam.*
*Yulocom lùin strechphortœ penit*
*apoguir ed alcowœd trenit.*
*Dumtempœ Wulpom heymœd pashit.*
*Que Homoy presquez mortam drashit*
*Wircaton, iguit lùin contentam.*
*In Supheregom pluy turmentam,*
*silentit Tibert' nun prudentœ;*
*yam' onlasit lùin sonzatentœ,*
*occupizzantœ prid Misphartom*
*del Mastrom ed del ityes Partom.*
*Prophitit lùi is=Bonocazon,*

*por penœ turnir sihan Nazon;*
*widantœ per Ocul' altriam*
*Diphecton in Liguilom siham,*
*eghin per Ecmordeg' detruit*
*ed rampœ Locon ewacuit.*
*Cortumœd lùi, dum Noct' obscurit*
*ghemantœ stumblit plid ol curit;*
*sunbrilit yam' chez Phinadwenom.*
*Onwidit tuy cum Abomenom,*
*que Malshantzul' phiasquit tutœ.*
*Mugheguit Reghom wenghcondutœ,*
*post Montrom del Oculcriplescom,*
*Minatzit lùi per Mort=Tzertescom*
*Werquint' del Agoy ityel phiay.*
*Grumbleguit ad Pheùduloy sihay:*
*cumsiduy ilùi sonzprocrastœ*
*ed consilizzuy chu phinlastœ*
*onpowut captir criman Wulpon,*
*por mortœ punir lùian Culpon.*



**Priscena lignogravuraĵo el 16-jarcenta angla eldono**

# 24. Sorĉistino de la Monto

Edward G. Bulwer-Lytton (1803-1673) estis brita nobelo, politikisto, kaj romanverkisto, kiu havis specialan intereson por historio. Lia plej fama historia romano eksterdube estas *The Last Days of Pompeii* (La lastaj tagoj de Pompeji), pri la havenurbo kiu pro erupcio de la vulkano Vesuvius en 79 PD de nia kalendaro estis komplete detruita. Male al Walter Scott, kiu influis lin, li havis pli da atento por la ĉiutaga vivo de liaj imagitaj herooj, ol por la koncernaj eventoj. Tiel la jena verko estas pionira provo revivigi antikvajn ĉiutagaĵojn de la romia imperio, nete malpli heroisme ol ĉe antaŭaj verkistoj.

Dum la rakonto situas en Pompeji, ĉepiede de la kolosa vulkano en la fatala erupcia jaro, liaj heroo kaj heroino estas Grekoj, kaj la malbonulo eĝipta pastro; nur kelkaj kromfiguroj estas veraj romianoj. Intrigo:: La fia pastro Arbaces avidas posedi la belegan junan Grekinon Ione, pereigonte ŝian fianĉon Glaucus. La eventoj kreskas al kulmino, kiam la vulkano eksplodas, komplete kovronte la havenon per cindroj kaj lafo. Sole la blinda knabino Nydia, kiu sekrete ankaŭ amas non Glaucus, kapablas trovi la savovojon al ŝipo, tra la densa nokto kaj la ĝenerala paniko.

Tio, kio markis la verkon por aperigi specimenon en tiu-ĉi kompilaĵo, estas la fakto ke la aŭtoro — imite al W. Scott — igas siajn rolantojn paroli arkaikece, por pli da antikva etoso.

**The witch's cavern**

They arrived at the ruins: they examined them with that fondness with which we trace the hallowed and household vestiges of our own ancestry — they lingered there till Hesperus appeared in the rosy heavens; and then returning homeward in the twilight they were more silent than they had been — for in the shadow and beneath the stars they felt more oppressively their mutual love.

It was at this time that the storm which the Egyptian had predicted began to creep visibly over them. At first, a low and distant thunder gave warning of the approaching conflict of the elements; and then rapidly rushed above the dark ranks of the serried clouds. The suddenness of storms in that climate is something almost preter-natural, and might well suggest to early superstition the notion of a divine agency — a few large drops broke heavily among the boughs that half overhung their path, and then, swift and intolerably bright, the forked lightning darted across their very eyes, and was swallowed up by the increasing darkness.

"*Swifter, good carrucarius!"* cried Glaucus to the driver, "*the tempest comes on apace."*

The slave urged on the mules — they went swift over the uneven and stony road — the clouds thickened, near and more near broke the thunder, and fast rushed the dashing rain.

"*Dost thou fear ?"* whispered Glaucus, as he sought excuse in the storm to come nearer to Ione.

*"Not with thee,"* said she, softly.

At that instant, the carriage — fragile and ill-contrived (as, despite their graceful shapes, were for practical uses most of such inventions at that time,) — struck violently into a deep rut, over which lay a log of fallen wood; the driver, with a curse, stimulated his mules yet faster for the obstacle, the wheel was torn from the socket, and the carriage suddenly overset.

Glaucus, quickly extricating himself from the vehicle, hasted to assist Ione, who was fortunately unhurt; with some difficulty they raised the carriage, and found that it ceased any longer even to afford them shelter; the springs that fastened the covering were snapped asunder, and the rain poured fast and fiercely into the interior.

In this dilemma what was to be done ? They were yet some distance from the city — no house — no aid seemed near.

*"There is,"* said the slave, "*a smith about a mile off; I could seek him, and he might fasten at least the wheel in the carriage — but, Jupiter! how the rain beats! My mistress will be wet before I come back."*

*"Run thither at least,"* said Glaucus, *"we must find the best shelter we can till you return."*

♦ La aleo estis ombrigita de arboj, sub kies plej volumenan membron Glaucus tiris non* Ione. Li provis, malligante sian

propran mantelon, ŝirmi ŝin eĉ pli kontraŭ la densegan pluvon; sed tiu falegis per furiozo kiu trarompis ĉiujn barojn. Subite, dum Glaucus inspiris kuraĝon al sia bela gardatino, fulmo trafis unun el la arboj tuj antaŭ ili kaj disfendis ĝian trunkon per laŭtega krako. Tiu-ĉi terura okazaĵo konsciigis ilin pri la danĝero, kiun ili alfruntis en sia nuna rifuĝejo. Glaucus maltrankvile ĉirkaŭrigardis por trovi iun malpli minacan protektejon.

*"Estams nun"* diris li, *"duxonwoyœ sobrez Decliwom Wesuwies. Cawernom aù Nichom eczistir dewut in ityuy per Witoy cowritay Rocoy. Se nur unn ityeys trowir powums, in cuyu Nimphoy heyamay Shirmilon lasiit."* Tiel parolante li, elpaŝante de sub la arboj kaj atente rigardante al la monto, malkovris tra la densiĝanta mallumo ruĝe tremetantan lumon en sufiĉe proksima distanco.

*"Ityu wenir dewat,"* diris li, *"del Phayreyom heyes Shaphistes aù Cultiwistes. Eghi nos adi gastamad Izoleyod gwidot. Tu isityœ restu – sed ned – ityom tuin in Dangherom lasut!* "

*"Cum Ghoyom mihi cum tuin iroms,"* diris Ione. *"Apertam, cuyel ityu Locom estir shaynat, eghi plid taùgam estot ol subez perphidam Shirmom isityeys Branchoy !* "

Duone gvidante non* Ione, duone ŝin portante, Glaucus, akompanate de la tremanta sklavino, antaŭen iris al la lumo, kiu ankoraŭ brulis, sed nun bluete kaj konstante. Malfeliĉe la spaco nun plu ne estis senobstakla; sovaĝaj vitoj ekĝenis iliajn paŝojn kaj, escepte de mallongaj intervaloj, kaŝis por ili la gvidofaskon. Dume ankoraŭ plifortiĝis la pluvego, kaj la fulmado akiris mortminacan intensecon. Ili do estis daŭre plu pelataj, esperante finfine atingi iun kabanon aŭ amikan kavernon, se la sava lumo restus nevidebla. La vitobranĉoj iĝis pli kaj pli interplektitaj — la invitanta lumo estis komplete malaperinta. Sed la mallarĝa vojeto kiun ili surpaŝis per grandaj ĝeno kaj peno, nun gvidate sole per la senĉesaj kaj sufiĉe longedaŭraj fulmobriloj de la ŝtormo, kondukis ilin kvazaŭ vojindikilo. Subite la pluvego iĝis iom pli milda; krutaj kaj malglataj

elstaraĵoj de solidiĝinta lafo minacis antaŭ ili, aperante eĉ pli timigaj pro la fulmoj kiuj prilumis la nigran kaj danĝeran grundon.

Kelkafoje unu el la flamegoj iom kovis la fergrizajn amasojn de skorio, parte kovritajn de malnovaj muskoj aŭ arbostumpoj, kvazaŭ vane serĉante iun pli mildan terprodukton, indan je ĝia kolero, kaj alifoje lasante tiun parton de la scenejo en mallumo. La fulmado ruĝe superpendis, vaste kaj etende, la oceanon kiu tie funde ondadis ĝis ĝiaj krestoj ŝajnis mem bruli. Tiel intensa estis la fulmado, ke ĝi akrakonture videbligis eĉ la plej forajn kurbojn de la golfeto, ek-de la eterna Misenum kun sia alta frunto, ĝis la belega Sorrentum kaj la sveltaj montoj malantaŭ ĝi.

Niaj geamantoj haltis perplekse kaj en dubo, kiam neatendite, meze de la mallumo kiu nigre envolvis ilin, proksime sed alte, denove distingeblis la mistera lumo. Nova ekflamo, kiu ruĝigis ĉielon kaj teron, vidigis al ili la tutan ĉirkaŭaĵon. Neniu domo proksimis sed ĝuste tie, kie ili ekvidis la lumon, ili nun kredis distingi homan konturon en la profundaĵo de groto. Revenis la nokta nigreco kaj la lumo, plu ne paligita pro la ĉielaj flamegoj, nun denove ardetis. Ili decidis grimpi supren al ĝi, sed devis serpentume vojadi inter grandaj ŝtonamasoj ie-tie surkovritaj de sovaĝaj arbustoj. Sed ili venis pli kaj pli proksime al la lumo, ĝis fine ili staris antaŭ la buŝo de kaverno, kiu ŝajnis formiĝinta pro kunfalado de rokpecegoj unu trans la aliaj. Ĵetante rigardon en la internon, ĉiu el ili senintence retrosaltis pro superstiĉa ektimo kaj frostiĝo.

Fajro brulis en la kaverna fono kaj super ĝi pendis eta kaldrono. Sur alta kaj maldika kolomo el fero staris kruda lampo. Je tiu parto de la vando, je kies piedo brulis la fajro, pendis abundo da herboj kaj spicaĵoj en pluraj vicoj, kiel por sekiĝi.

Vulpo, strečita antaŭ la fajro, tenis siajn ruĝe brilajn okulojn fiks-itaj al la fremduloj; ĝi hirtigis la pelton kaj profunda grumblado el-venis el inter ĝiaj dentoj. En la centro de la kaverno staris argila statuo kun tri strangaj kaj fantaziaj kapoj. Ili konsistis el la kranioj

de hundo, ĉevalo, kaj apro. Malalta tripiedo staris antaŭ tiu-ĉi mal-delikata reprezento de la populara diino Hecate.

Sed estis ne tiuj alpendaĵoj kaj objektaĉoj, kiuj frostigis la sangon de la timigitaj rigardantoj — estis la vizaĝo de la enloĝantino. Antaŭ la fajro sidis virino de alta aĝo, siajn trajtojn prilumataj de la flamoj. Eblas ke en neniu alia regiono de la mondo oni trovas tiom da malbelaj aĉulinoj ol en Italujo. Nenie aliloke la beleco pro aĝo tielege ŝanĝiĝas al malbeleco plej forpela kaj abomena. Sed la maljunulino antaŭ ili ne estis tia modelo de ina malbeleco; male, ŝia aperaĵo perfidis la restojn de alta nobeleco. Sed en la ŝtonfiksaj okuloj al ili turnitaj, per rigardo kiu renkontis kaj fascinis la ilian, ili perceptis la timigan bildon de kadavro ! Estis la same rigidiĝ-intaj kaj senbrilaj okuloj, la same palbluaj kaj ŝrumpitaj lipoj, la same streĉitaj kaj kavaj vangoj, la same seka kaj morta hararo pal-griza, la same livida haŭto — ĉio ŝajnis surŝmirita per tombaj farbaĉoj !

*“Cadawrom estat!”* elkriis Glaucus.

*“Ned, mowizzat eghi ! Spiritom estat aùdie Phantomom !”* balbutis Ione, dum ŝi premis sin al la brusto de Glaucus.

*“Ho, phor, phor !”* ĝemegis la sklavino; *“Eshi Wesuwiam Sorchistinnom estat !”*

*“Cuyuy wos estais ? “* demandis sentona kaj fantoma voĉo. *“Ed cuyon isityœ pharais ?”*

La sono de tiu voĉo, terura kaj morna kiel ĝi estis, konvena al la aspekto de la parolantino kaj pli simila al la voĉo de iu senkorpa vaganto en la Hadeso ol al reala mortemulo, estus pelinta ilin retre al la senkompata furiozo de la ŝtormo, se ne Glaucus plutirus sian amatinon en la kavernon, kvankam nur kun dubo.

*“Nos Loghantoy estaims ex Urbom naybaram, pru Shtormom phughantay,”* diris li, *‘ed isityed logatay del Phayrom tuam; Shirmon petaims ed Comphorton woses Camenom.”*

Dum li parolis, la vulpo sin levis kaj proksimiĝis al la fremduloj, plene montrante sian dentaron kaj pliigante sian minacan grumbl-adon.

*"Cushu, Sclawom !"* komandis la sorĉistino. Je la sono de ŝia voĉo la besto tuje rekuŝiĝis, kovrante la faŭkon per sia vilhararo, sed daŭre fiksrigardante la entrudintojn per siaj atentemaj okuloj. *"Adphayrœ wenuy, se wolais,"* respondis ŝi, direktante sin al Glaucus kaj ties akompanantoj.

*"Nemyahem wiwantan Estazhon bonwenigams, estzeptœ del Strigom, Wulpom, Buphom, aù Wipurom. Des ned powams mihi wosin bonwenay declarir. Sed adphayrœ wenuy sonz Actzeptom — cuyal prid Protocolom insistir ?"*

La lingvaĵo, kiun la inaĉo uzis, estis strange barbara speco de Latino, lardita per vortoj el iu primitiva kaj antikva dialekto. Ŝi ne forlasis sian seĝon, sed fikse rigardis al ili, dum Glaucus deprenis de Ione la malsekajn survestojn. Li sidigis ŝin sur lignoblokon, kiu ŝajnis esti la sola sidilo disponebla. Blovante, li ardigis la brulaĵon al pli helaj flamoj. La sklavino, kuraĝigita pro la sentimeco de siaj mastroj, nun siavice deprenis sian longan mantelon kaj ŝteliris timeme al la kontraŭa angulo de la kameno.

*"Bedaùrams ghenir tuin,"* diris la arĝenta voĉo de Ione, por pacigi la magiulinon, sed tiu ne respondis. Ŝi ŝajnis esti iu kiu nur dum momentoj vekiĝas el inter la mortintoj, por poste resinki en eternan dormon.

*"Admihi diru,"* ŝi tamen subite post longeta paŭzo demandis, *"chu Phratom ed Phratinnom estais ?"*

*"Ned,"* diris Ione, ruĝiĝante.

*"Chu des Geedzoy estais ?"*

*"Nemyel,"* respondis nun Glaucus.

*"Gueamantoy des! — ha, ha, ha !"* ekridis la fiino, tiel laŭte kaj akre ke resonis en la kaverno.

La koro de Ione kuntiriĝis pro tiu misaŭgura gajeco. Glaucus rapide murmuris iun deturnan formulon kontraŭ tiun omenon kaj la sklavino iĝis tiel pala kiel la vangoj de la sorĉistino mem.

*"Cuyal ityel ridas, Oldulinnacchom ?"* demandis Glaucus, iom severe, fininte sian ŝirmopreĝon.

*"Chu des ridims mihi ?"* rediris la aĉulino distrite.

*"Eshi in Trantzom estat,"* flustris Glaucus. Sed kiam li tion diris, li kaptis la rigardon de la fiino, kiu arde kaj malice estis al li direktita.

*"Mensogas tu!"* rebatis ŝi abrupte.

*"Ed tu malaphablam Gastigantinnom estas,"* replikis Glaucus.

*"Ssst, eshin ned prowocu, Glaùcus!"* flustris Ione.

*"Adwos diroms cuyal ridims mihi, cuyahem ecstziims prid wosam mutualam Amom,"* diris la maljuna virino. *"Estit char Plezurom estat por Homoy malyunay ed welquintay, adi yunay Coroy cuyel wosay rigardir, ed stziir que Tempom wenot incuyu abomenois wos unn altrian ! Abomenois – abomenois – hahahaha !"*

Nun estis la vico al Ione, preĝi kontraŭ tiu malagrabla profetaĵo.

*"Dii, avertite omen – powuy Dioy ityon malhelpir!"* ŝi diris. *"Tamen, powram Wirinnom, malmulton stzias tu prid Amom, altriel stzius qu'eghi nemyahem shanghizzat !"*

*"Chu anquez mihi des nemyahem yunam estims, pensas tu ?"* tuje rebatis la ulino. *"Sed nun malyunam estams, malbelam, ed cadawrescam. Cuyel Phormom estat, ityel Corom estat."* Post tiuj paroloj ŝi denove mergiĝis en profunda kaj minaca silento, kvazaŭ ŝia vivo mem haltis.

*"Chu yamen delonguœ isityel loghas tu?"* scivolis Glaucus post paŭzeto, sentante sin malkomforte premita per tiu timiga silentado.

*"Ha, delonguœ, ayest!"*

*"Tamen mornam Logheyom estat !"*

*"Ha, ityon prawœ diras tu — Inpherom subez nos trowizzat!"* respondis la aĉulino," dum ŝi montris per osteca fingro al la grundo. *"Ed adwos Secreton malcashoms: mallumay Entitoy*, ityœ subez Coleregom contrez wosid suprez preparait !"*

*"Exwomas tu nur phiayn Paroloyn, maldetzayn por Gastigom,"* rebatis Glaucus, *"Estontesquœ plidwolœ Tempeston adphrontoms mihi, ol tuan Actzepton!"*

*"Ityon tu saghœ pharus ! Nemyu mihin wizitir dewut, crom Mizeruloy."*

*"Ed cuyal nur Mizeruloy ? "* demandis la Atenano.

*"Sorchistinnom del Montom estams,"* respondis la magiistino kun frostiga rideto. *"Metiom miham estat Esperon adi Sonzesperay donir, por Amon Bezonantay amigayn Trincazhoyn posedams, por Awidantoy Promeson prid Richazhoy, por Insidantoy Dozoyn del Wenghom; sed por Bonuloy ed Phelichuloy nur ityon cuyon Wiwom mem prezentat: Malbenoyn ! Plud ned ghenu mihin !"*

Per tiu eldiro la malafabla kavernulino resinkis en silenton tiel obstinan kaj mishumoran, ke vanis la provoj de Glaucus provoki pluan interparoladon. Ŝi eĉ, per neniu signo de siaj fermitaj kaj rigidaj trajtoj, montris ke ŝi aŭdas lin.

Feliĉe la ŝtormo, kiu estis tiel mallonga kiel furioza, nun komencis kvietiĝi; iom post iom la pluvo ĉesis faladi. Finlaste, post kiam la nuboj fordrivis, Luno elvenis el la purpura vasteco de la ĉielo, ĵetante sian lumon hele kaj plene en la internon de tiu izolita restadejo. Ĝi probable ankoraŭ neniam prilumis homgrupon tiel indan je la arto de pentristo: la juna bela Ione, sidanta ĉe la kruda kameno; ŝian amaton — kiu jam ne atentis la apudecon de la olda aĉulino — ĉe ŝiaj piedoj kaj rigardante al ŝia vizaĝo dum li murmuris dolĉajn parolojn; la pala kaj timema sklavino je ioma

distanco; kaj la fantomeca aĉulino fiksrigardante al ili per siaj kadavraj okuloj. Spite ĉion la belaj geamantoj, kvazaŭ estaĵoj el alia mondo, ŝajnis trankvilaj kaj sentimaj en tiu malluma kaj damnita kaverno kun ĝia morna etoso — tia estas la forto de ama kuneco. La vulpo el sia angulo rigardadis al ili per akraj kaj brilaj okuloj.

Kiam Glaucus hazarde turnis sin al la sorĉistino, li ekrimarkis unuafoje, sub ties seĝo, la minacan rigardon kaj krestan kapon de granda serpento. Eble estis la helkolora greka mantelo, nun remetata sur la ŝultroj de Ione, kiu altiris ĝian atenton kaj koleron, sed jen ĝi levis la kapon kvazaŭ preparante sin por salti al la Napolitano. Rapidege Glaucus ekkaptis unun el la parte brulantaj lignopecoj de la kameno. La reptilio nun jam plene forlasis sian kaŝejon, hisegante al la Greko kvazaŭ ties ago ĝin ekstre kolerigis, kaj ĝi sin levis tiel alten ke ĝi atingis preskaŭ homan staturon.

*"Sorchistinnom!"* kriis Glaucus, *"Adi Bestom tuam ordonu, aù eghin mortam widos !"*

*"Eghi yamen ned Wenenon posedat !"* respondis la ino, pro la minaco vekita el sia cerbumado. Sed antaŭ ol ŝi finis tiun diron, la serpento alsaltis. Rapide kaj lerte, la elasta Greko faris paŝon flanken kaj donis tiel fortan kaj celtrafan bategon sur ĝian kapon, ke ĝi abrupte falis en la fajron, tordiĝante.

La oldulino salte leviĝis kaj alfruntis non Glaucus per grimacanta vizaĝo, inda je la plej kolerega inter la Furioj; tiel brule venĝema estis ŝia esprimo. Tamen eĉ en ĝia teruro kaj fantomeco disting-eblis spuro de iama beleco.

*"Ritzewis tu,"* diris ŝi per laŭta kaj firma voĉo, ŝajne senpasie kaj trankvile, kio kontraŭis la esprimon de ŝia vizaĝo, "*ritzewis tu Shirmon subez Tegmentom miham, ed Warmon chez Camenom. Repaguis tu Bonon per Malbonom. Sonzcompatœ Wiwon phorphrapit ex Estazhom cuyu mihin shatit ed miham estit; ne, plid, ex Estazhom super cheyuy altriay adi Dioy dedichitam ed del Homoy honoregatam. Nun Punon tuan aùscultu. Iyed Luna cuyu Protectantinnom Sorchist-*

*inneys estat; chez Oreus, cuyu Wenghadon phlegat, mihi tuin damnams, ed damnitam estos ! Powu Amom tuam mortir, powu Nomom tuam scandalizzir, powuy Demonoy tuin posedir, powu Corom tuam welquir ed carbonizzir, powu lastam Horom tuam adtu prophetan Wochon Wesuwies memoriguir ! Ed cuyohem tuin contzernat ...”* ŝi aldonis, ekturnante sin al Ione, kaj levante la brakon.

Sed impete Glaucus interrompis ŝin: *“Acchulinnom! Lasu!”* kriis li. *“Mihin damnis tu ed Sorton mihan in diayd Manoyd metams. Tuin yad dephiims mihi. Sed nur unn solan Parolon contrez ityun Yunulinnon exlasu ed shanghoms mihi Zhuron sobrez tuay Lipoy adi Mortoghemom ! Atentu !”*

*“Ned netzesat,”* respondis la aĉulino, sovaĝe grimacante, *“in Damnom tuam damnitam estat anquez cheyu cuyu tuin amat. Ityom plid, char aùdims mihi Bushon eshian Nomon tuan murmurir; ityel que stziams adcuyu Demonoyn sendir: Glaùcus, damnitam tu estas !”* Tiel parolante, la sorĉistino forturnis sin al sia vundita karulo; genuante apud ĝi ŝi tiris ĝin el la kameno kaj plu ne konsideris la homojn.

*“Ho, Glaùcus!”* diris Ione timigite, “*cuyon phariims !? Hastuy nos phor del isityœ; Shtormom yamen chesit !”* kaj, turnante sin al la fiulino, *“Bonam Mastrinnom, adlùi pardonu; Paroloyn tuayn reprenu; lùi yad nur sihin dephendir wolit. Actzeptu isityun Patzopheron por Damnoyn maldirir !”* Klinante sin, ŝi metis sian monujon sur la genuojn de la sorĉistino.

*“Phor!”* estis la sola respondo, *“phor! Unnphoyon pronontzitam, nur Phatoy Zhuron malpharir powait. Phor !”*

*“Wenu, Carulinnom !”* diris Glaucus senpacience. *“Chu des credas tu que Dioy super nos aù subez nos sonzpowayn Deliroyn aùscultait del ityam tawzitam Mensom ? Wenu !”*

Longe kaj laŭte resonis en la kaverno la ridaĉoj de la profetino — ŝi ne degnis fari pluan komenton. ♦

# 25. Till Strigospegulo

La tielnomata fripona romanĝenro, laŭ hispana modelo ankaŭ nomata "pikareska", estas sufiĉe ekzakte situigebla en la literaturhistorio. Naskiĝinta rudimente en la Hispanujo de la 15-a jarcento, ĝi plenfloris en la 16-a, por semi spurojn kaj imitaĵojn ĝis la hodiaŭa tago en Eŭropo.

La heroo de tiaj romanoj tipe estas iu kiu ek-de plej frua aĝo vivas en mizero, sen gepatra amo aŭ zorgemo, kaj tial devas sin jam kiel knabo (aŭ knabino) elturni por teni sin en vivo. Li estas socia elĵetito, kiu spertas nur malbonan traktadon kaj vidas sin devigita venki la malamikan socion per ties propraj armiloj: trompado kaj perforto. Sen fari al si iluziojn pri eventuala pli feliĉa estonteco, li aplikas ruzon kaj spriton por venki obstaklojn, ofte eĉ krude kaj senkompate. Ĉar la trompitoj plej ofte apartenas al subpremanta fremda gento, al la riĉa burĝaro, aristokrataro, ekleziularo — kurte al la regantaj klasoj — legantoj ŝatas identigi sin kun la heroo por iel venĝi sin mem kontraŭ maljustaĵojn kaj uzurpojn fare de aŭtoritatuloj. La koncernaj aventuroj kaj krimfaroj ĥaose sin sekvas kaj estas verkitaj en ĉio escepte deca kaj formala lingvaĵo. Fakte la tekstoj ne malofte entenas dialekton kaj eĉ slangon (rabistolingvaĵon), pri kiuj oni trovos specimenojn de traduko al Esperanto, respektive en miaj Popido kaj Gavaro. Oni do povas vidi en la friponromanoj alispecan aplikon de mezepokaj satiraĵoj, kia la jam donita ĉerpaĵo el la Romano de Renardo.

Mi citos nur kelkajn tiaspecajn mejloŝtonojn el okcidenteŭropa literaturo, manke de donitaĵoj pri simila fenomeno en Oriento:

Germanujo 1515 –
*Ein kurzweilig lesen von Tyl Ulenspiegel* – Herman Bote

Hispanujo 1554 –
*El Lazarillo de Tormes* - anonima

Hispanujo 1626 –
*Historio de la vida del Buscón* - Francisco de Quevedo

Germanujo 1669 –
*Der abenteuerliche Simplizissimus* – J.C. von Grimmelshausen

Nederlando 1695 –
*Den vermakelijken avonturier* – Nicolaas Heinsius

Francujo 1715 –
*Gil Blas de Santillane* - Alain Lesage

Anglujo 1722 –
*Moll Flanders* - Daniel Defoe

Anglujo 1748 –
*Roderick Random* – Tobias Smollett

Germanujo 1927 –
*Amerika* - Franz Kafka

Germanujo 1959 –
*Die Blechtrommel* – Günter Grass

Koncerne al la tutunua, la malaltgermana *Tyl Ulenspiegel*, sekvis ĝin antverpena eldono en la 16-a jarcento, pri kiu aperis specimena Esperanto-traduko de Wouter Pilger, dum la germanan originalon komplete tradukis Rikardo Ŝulco en 1987 ("Amuza legado pri Til Strigospegulo"). Do, ne tre indas repreni tiujn jamajn tekstojn en Arkaika Espo. Anstataŭe mi do elektis franclingvan romanon, fare de Charles De Coster, kiu banas en tute malsama kultursfero.

Efektive estis/estas cirkonstancoj en kiuj la fripono de la rakonto kapablas elkreski ĝis popola heroo; nome kiam regas ĝenerala ribelemo kontraŭ iu subprema registaro, kies ribelemon li tiam reprezentas. La fripono tiukaze facile iĝas legendulo, laŭ la modelo de Robin Hood aŭ Wilhelm Tell. Tio estas la kazo de Till, kaj lia same legenda fianĉino Nele, kiuj en Flandrujo formas identigan simbolon de la nacio kaj do neniel plu fia fripono. Estas bizara kaprico de la historio, ke De Coster (1827-1879), kiu verkis franclingve — estante filo de valona patro kaj flandra patrino, kun la franca kiel hejma lingvo — elektis por sia majstroverko, pri la milito inter Protestantoj kaj Katolikoj, ĝuste la flandran Till kiel centran heroon. Flandrujo ja apartenis al

la katolika fronto, dum De Coster utiligis la romanon por kraĉi sian antiklerikan galon kontraŭ tiu.

Sub lia verva plumo, la legenda farsulo tiel transformiĝis al universala batalanto por libereco, kontraŭ ĉiaj despotismo kaj fanatikeco, al simbolo de aspirado je religia, politika, kultura, socia memstareco. La aŭtoro situigis sian eposon en la "Malaltaj-Landoj-ĉe-la-Maro" dum la 16-a jarcento, en kiu epoko tuta Dicujo ĝemis sub kruela jugo de l' eklezia inkvizicio kaj suferegis pro la religi-milito, kiu fine kaŭzis kompletan disfalon de la lando en du ŝtate apart-igitajn regionojn: protestanta nordo (Nederlando) kaj katolika sudo (Flandrujo), kiu lasta en 1830 eĉ devis trude ligiĝi kun la franclingva Valonujo, por ekformi la tute artefaritan ŝtaton Belgio, laŭ plano de Francujo kaj Anglujo, kiuj deziris havi bufron kontraŭ Germanujo.

La romano estas bunta mikspoto de kruelegaj torturscenoj kaj fantaziaj alegorioj, de superstiĉoj kaj folkloro, de petolaĵoj kaj heroaĵoj, kiuj revivigas epokon longe for-pasintan, kvazaŭ ĝi estus premsonĝo.

Estas notende, ke la aŭtoro elektis por tion realigi, kon-formajn arkaikecajn esprimojn, kiujn li longe studis antaŭ-prepare kaj scipovis majstre manumi. Tial lia ĉefverko, kvankam apartenanta al moderna literaturo, figuras en tiu-ĉi krestomatio.

* * * * * * *

Till Strigospegulo soldatiĝis en la ribela armeo de Willem "la Silentema", sub komando de admiralo De Lumey, kruelega kaj senskrupula militisto profesia. Post longa sieĝado tiu re-konkeris la urbo Gorinchem, kies defendintoj ricevis de kapitano Marinus Brandt solenan promeson, ke ili rajtos foriri liberaj kaj senlezaj. Sed, inter tiuj loĝantoj troviĝis grupo de rom'katolikaj monaĥoj kiujn oni, kvankam ili estis tute pacamaj kaj ne batalintaj, malgraŭe militkaptis kaj ĵetis en malliberejon, laŭ speciala ordono de De Lumey, kiu abomenis religiulojn. Ili ĉiuj suferis martiran morton post longa kaj senkompata turmentado. Till, kiu estas ano de la protestantaj "Geŭzoj" kaj tial siaflanke malamas ĉiujn liganojn de la hispana okupantaro,

tamen kuraĝe klopodas ilin savi, pro la al ili donita solena promeso. Sola rezulto de lia interveno estas ke ankaŭ li trafas en karceron, kvazaŭ perfidanto.



**Frontpaĝa gravuraĵo de kredeble la plej malnova germana libro pri Till Strigospegulo (Straszburg, 1515)**

*Ulenspiegel dit:*

— *Excellence, je veux le faire. Le capitaine Marin, en signant la capitulation de Gorcum, stipula que ces moines seraient libres comme tous ceux qui furent pris en la citadelle et qui en sortirent. Ils y furent toutefois sans cesse retenus prisonniers; j'entends dire qu'on les pendra. Monseigneur, je m'adresse à vous humblement, vous parlant pour eux, car je sais que parole de soldat, c'est parole d'or.*

— *Qui es-tu ? demanda messire de Lumey.*

— *Monseigneur, répondit Ulenspiegel, flamand je suis du beau pays de Flandre, manant noble homme, le tout ensemble, et par le monde ainsi je me promène, louant choses belles et bonnes et me gaussant de sottise à pleine gueule. Et je veux vous louer si vous tenez la promesse faite par le capitaine: parole de soldat, c'est parole d'or.*

*Mais les gueux vauriens qui étaient sur la nef:*

— *Monseigneur, dirent-ils, celui-ci est traître; il a promis de les sauver, il leur a donné du pain, du jambon, des saucissons, de la bière et à nous rien.*

*Messire de Lumey dit alors à Ulenspiegel:*

*— Flamand promeneur et nourrisseur des moines, tu seras pendu avec eux.*

*— Je n'ai nulle crainte, répondit Ulenspiegel; parole de soldat, c'est parole d'or.*

*— Te voilà bien accrêté, dit de Lumey.*

*— Les cendres battent sur mon cœur, dit Ulenspiegel.*

*Les moines furent amenés dans une grange, et Ulenspiegel avec eux; ils voulurent le convertir par arguments théologiques, mais il dormit en les écoutant.*

* * * * * * *

### ♦ Soldat=Parolom, Honor-Parolom !

*Cuyahem Mesirom De Lumey chez Tablom sidantam estit, per Winom ed Wiandom richœ ornamitam, Mesaghistom ex Gorinqhem adwenit, senditam del Capitanom Marinus, cum Copioy Letereys pharœ del Silentemulom, Printzom de Oranyom: "adi cheyuy Gubernistoy del Urboy ed altriay Locoy ordonantœ que garantiir dewait adi Ecleziuloy samayn Protecton, Securescon ed Priwilegioyn cuyel adi Tzeterom del Popolom."*

*Mesaghistom petit que onconducu lùin adi De Lumey por ityud Letereys Copioyn transdonir.*
*= Cuyœ Originaloy estait ? lùid demandit De Lumey.*
*= Chez Marinus, Mastrom miham, respondit Mesaghistom.*
*= Ed ityu Crudulom admihi Copioyn sendat ?! criit De Lumey. Cuyœ tuam Leguitimayom estat ?*
*= Yemen eghi, Mesiram Moshtom, redirit Mesaghistom.*

*Mesirom De Lumey laùtleguit: "Mesiram Moshtom ed Mastrom, Marinus Brandt, adcheyuy Chephuloy, Gubernestroy ed Ophitziroy del Respublicom instructziat que sonzobstaclœ ilùi trairir lasuy ... etc." — De Lumey perpugnœ sobrez Tablod batirit ed Leguitimilon disshirit.*

*= Sangon Dies ! lùi tondrit, incuyon ityu Marinus inmixizzat, ityu Chiphonulom cuyu, prezz Conquerom del Den Briel, eche Harengospinon ned posedit, por transdentœd showir ? Sihin Mesiram Moshtom titoligat ed Mastrom, ed admihi Ordonon sendir curaghat ! Nu des, adi tuam Mastrom diru, adityu sonzcomparam Capitanom ed Moshtom, adityu Ordonistom ed Comandistom, que Monaqhoy curtœ ed clarœ sonz pludam Procrastom pendumatay estoit, ed tu apud ilùi se ned tuyœ Calcanumoyn montros ! Ed Piedobaton aplicantœ, lùin ex Salonod pelit.*

*= Trinquiron ! woquit lùi. Chu heyahem onwidit Arogantescon ityes Marinus ? Pru Coleregom Manghon mihan exwomegums ! Que Monaqhoyn tuymomentœ oni pendumu in*

*ilùiam Garbeyom ed isityœd conducu ityun Phlandron, post cuyahem Eczecuton chezestintam estot. Widoims, chu ancorez proclamir curaghot que malbonœ aguims mihi. Sangon Dies ! pru cuyom oni Glasoyn ed Potoyn bezonat ?!*

*Ed cum grandam Bruom batrompit lùi Calicoyn ed Wazaron, ed nemyu adlùi parolir curaghit. Serwistoy woliit Rompazhoyn phorprenir; ned permesit lùi, ed sonzhaltœ ex Boteloy trincantœ cheyahem plid agitizzit. Iririt lùi per granday Pashoy, Petzoyn disrompantœ ed ilùin phuriozœ tretantœ.*

*Strigospegulom antez lùid conducatam estit.*
*= Nu des! dirit Nobelom, chu Nowazhoyn adportas del tuay Amicoy, del ityuy Tonsuruloy ?*

*= Pendumitay estait, respondit Strigospegulom; ed malestimimdam Eczecutistom, pru malnoblam Prophitawidom mortigantœ, iyed unn inter ilùi postmortœ Wentron malphermit ed Phlancoyn, cùazes iyed Porcom, por Grason adi Apotequistom wendir. Nun Soldat=Parolom plud ned Honor=Parolom estat !*

*De Lumey adi Wazarreroy piedphrapit, criantœ:*
*= Mihin spitas tu, cùar Piedoyn altam Sonztaùgulom ! Anquez tu pendumatam estos; ned in Garbeyom, sed malgloreguœ sobrez Mercatoplatzom, wid'adwidœ del Publicom!*

*= Hontom por wos ed Hontom por nos, respondit Strigospegulom. Soldat=Parolom plud ned Honor=Parolom estat.*

*= Silentu, phinœ, Azencapulom ! tondrit De Lumey.*

*= Hontom por wos, ripetit Strigospegulom: Soldat=Parolom plud ned Honor=Parolom estat. Prepherœ punu ityuyn acchayn Comertzistoyn del homam Grasom.*

*Mesirom De Lumey ityahem adlùi sihin zhetegantœ, Manon eclewit por phrapir.*

*= Phrapu, dirit Strigospegulom, wosam Captitom estams, sed nemyan Timon adwos sentams: Soldat=Parolom plud ned Honor=Parolom estat !*

*Mesirom De Lumey nun Spadon sihan exinguiguit ed lùi Strigospegulon tzertœ trapiquitam estut, se ned Mesirom De Treslong, lùian Bracon haltigantœ, estut parolinta:*

*= Compaton ! Wirom brawam ed curagham estat, sed nemyun Crimon pharit. De Lumey ityahem Intentzon shanghit.*

*= Que Pardonon lùi petu !*

*Sed Strigospegulom phierœ starantam restit.*
*= Ned pharoms, dirit.*

*= Almenez diru que ned malprawims mihi ! crieguit De Lumey senbridœ.*

*= Nemyel lecoms Botoyn Sinyoregueys: Soldat=Parolom plud ned Honor=Parolom estat !*

*= Qu'onstarigu Pendotrabon ! mugheguit De Lumey, ed qu'onconducu lùin phor ! Yemen canaboshnuram Parolom !*

*= Ayest, respondit Strigospegulom, ed adwos in Wizaghod crioms antez tutam Spectantarom: Soldat=Parolom plud ned Honor=Parolom estat !*

*Pendumilom muntatam estit sobrez Grand'Platzom. Now-azhom baldez tra tutam Urbom curit, que Strigospegulom pendumotam estut, curagham Geùzom. Ed tutam Loghant-arom pru Compatom ed Cumsentom cor=molizzit. Adphluit grand'Amasom. Anquez Mesirom De Lumey perchewalœ adwenit, wolantœ lùi mem eczecutan Signalon donir.*

*Sonz Onom del Boncorescom adi Strigospegulom lùi rigardit, cuyu sobrez Shtupetarom starit, in Mortorobom wolwitam ed cum Bracoy contrez Corpom liguitay, Manoyn cumay, Cordon chirquez Colom. Eczecutistom yamen preparizzit por Tascon plenumir.*

*= Sinyoregam Moshtom, parolit De Treslong, pardonu lùin char ned Perphidulom estat ed nemyu heyahem widit Wiron pendumir ityalque honestam estit ed compatemam.*

*Cuyahem Wiroy ed Wirinnoy del ordinar=Popolom ityelœ parolir aùdiit De Treslong, sihawitzœ ilùi woquir comentziit:*
*= Compaton, Sinyoregam Moshtom, Compaton ed Pardonon por Strigospegulom !*

*= Ityu Shtoncapulom mihin spitir curaghit, dirit De Lumey. Dewot Penton montrir ed conphesir que agims mihi ghustœ.*

*= Chu pentir wolas, ed dirir que ghustœ aguit lùi ? De Treslong demandit adi Strigospegulom.*

*= Soldat=Parolom plud ned Honor=Parolom estat ! respondit Strigospegulom.*

*= Tiru Cordon ! ordonit De Lumey.*

*Eczecutistom estit obeontam, cuyahem subitœ Yun-cnabinnom tutœ per Blancom westitam, ed Capon per Phloroy ornamitam, cùazes phrenezœ Shtupoyn del Eshaphodom supred curit ed chirquez Colon Strigospegules saltit, wocantœ:*
*= Isityu Wirom miham estas! Lùin cuyel Edzon actzeptams mihi !*

*Publicom laùte aplaùdit ed Wirinnoy yubiliit:*
*= Wiwu, wiwu Cnabinnetom, eshi Strigospegulon sawat !*

*= Cuyom ocazat ? demandit De Lumey surprizitœ.*

*Respondit De Treslong:*
*= Selez Moroy ed Cutimoy del Urbom, Raytom estat ed Leghom que yun=Cnabinnom, damselam ed wirgam, Wiron ex Pendoshnuron sawir capablat, lùin chezpiedœ del Pendumilom cuyel Edzon prenantœ.*

*= Diom cum lùi estat, rimarquit De Lumey, lùin malligu !*

*Ed ityahem, ghis apud Eshaphodom raydantœ, lùi Eczecut-iston aùdit cuyu, clopodantœ eshin malhelpir Ligiloyn tratranchir, demandit:*
*= Se Shnuroyn distranchas, cuyu por ilùi pagot ?*

*Sed Cnabinnom ecche ned aùscultit.*

*Eshin widantœ ityel hastam, pru Amom delicatam, Nobelom cortushitam estit.*
*= Cuyu estas tu ?  ecstziir wolit.*

*= Nele estams, Phianchinnom lùiam, dirit eshi respondœ, ed rectœ ex Phlandruyom por lùin serchir wenims.*

*= Bonœ pharis, concludit De Lumey per crudam Wochom, ed raydit phor.*



Torturom del Sal-Acwom



Cronica del muy eſforçado caualle ro el Cid ruy diaz campeador.

# 26. La Kurioza Alĥemiisto

[*Smidje Verholen en de Rare Alchemist* - Studio Avan, 1948]

Bildrakonto por infanoj, produktita kaj eldonita de Studio Avan (A.W.L. van Delden), Hago, Nederlando. Ĝi estas unu inter pluraj serioj, kiuj elstaras pro sia simplanima, ĉarma, kaj konstruema mondopercepto, sen pro tio iĝi tedaj aŭ troromanecaj. Ankaŭ la jena rakonto el antaŭa generacio estas korvarmiga maloftaĵo, kompare al la aktuala lavango de usonmodelaj *comics,* kun iliaj naŭzaj seks-emfazo kaj besta perforto kiel bazaj ingrediencoj.

En la jena fragmento la bonkora kaj sentima heroo, Forĝisteto Verholen, renkontas en malnova izolita kastelo strangan kastelestron, mense kaj materie vivanta en delonge forfluginta epoko, la 16-a jarcento. Tiu okupas sin pri alĥemiaj eksperimentoj, sin vestas laŭ historia modo, manĝas kaj kondutas tiastile kaj — ĉefpunkto por ni — ankaŭ parolas arkaike. En la originala teksto la aŭtoro aplikas ne la realan sed versimilan lingvaĵon antikvan, por ke la junaj legantoj komprenu senpene.



**Reprezento de alĥemiista laborejo fare de Pieter Bruegel la Olda**

“Zou dat heerschap wel goed bij zijn hoofd zijn ?” vroeg smidje Verholen zich af. Ja, ons smidje had wel eens gehoord, dat ge lieden, die niet goed bij hun hoofd zijn, niet moet tegenspreken. Als ge dat wel deed, werden ze namelijk kwaad en gevaarlijk. “Zou die Vosmaer daarom ook maar op zijn ouderwets met hem meepraten ?” dacht de smid. “Maar nee, dat kan toch niet. Want toen Vosmaer met de vuile etensboel naar boven ging, tooide immers een vals lachje zijn ouderwets gelaat. Dat was verdacht. Zou die Vosmaer dan soms iets in zijn schild voeren ? Zou hij iets van plan zijn tegenover die oude baas? Maar wat is er dan met dat ventje aan de hand ? Dat moet ik weten te achterhalen.” — Smidje Verholen nam een dapper besluit, liep brutaal het vertrek binnen, waar die oude baas bezig was en kuchte eens bescheiden.

*“Ach, Vosmaer, syt ghy alreeds weeromme met de stofckens die ick van noode hebbe?*” vroeg de oude baas die verdiept was in zijn werk. “Neemt u mij niet kwalijk, mijnheer, maar ik ben Vosmaer niet. Ik ben smidje Verholen,” antwoordde de smid. Met een ruk draaide de oude baas zich om. *“Wel duysend swaevel-bommen ende mostardeye!”* riep de oude baas boos uit. *“Wat hebde ghy hier in myne werkplaetse te soecken? Welck misbaer braeckt ghy uyt? Ende wie syt ghy, als ick vraegen magh? Syt ghy een loose schavuyt ?! Weet ghy misschiene, dat ick een groot ende geleert alchemist ben ? Ende syt ghy misschiene een afkycker der edele conste der alchemisterye ?!”* — “Welnee, goede man,” suste smidje Verholen de oude baas. “Ik kijk u de kunst niet af van uw alle… uw alchemisterij. Ik vraag me alleen af waarom u hier rondloopt in zo’n ouderwets pak.” Nu werd de oude baas eerste echt boos. *“Wel alle salderamentse saelichheden ende malenissen !*” braakte hij uit. *“Siedaer die swierloose maskeradefiguur staen. Gheen hoet op syn hoofd ende gheen kuytbroek aen het lyf ! Vormloose vodden ende doecken wickelt hy om sich heene ! En dat stuck bedelaer noemt myn mooie costuum ouderwets ! Bylo !!”* In volkomen vertwijfeling rukte de oude baas zich aan zijn grijze haren en hij gilde: *“Sa, racker! Segh op! Wie liet u hier binnen !? Syt ghy ene inbreecker ?”.* Smidje Verholen schudde bedachtzaam zijn hoofd en zei: “Welnee, goede man, ik ben geen inbreker.” — *“Wat syt ghy dan wel ?”* brieste de oude baas woest. *”Ghy seght dat gy gheen afkycker van myn conste syt. Ende ghy syt oock gheen inbreecker. Wat syt ghy dan wel ?!”* — Nu schoot smidje Verholen plotseling een goed plan door zijn brein. Hij trok een geheimzinnig gezicht en zei zachtjes: ´Ik ben de grootste en meest wijze alchemist en natuurkundige van de wereld. Ik heb vele ontdekkingen gedaan en beschik over ongekende middelen. Ik ben gekomen om u van mijn ontdekkingen op de hoogte te stellen en daarover met u van gedachten te wisselen. Uw roem en wijze kennis zijn tot mij door-gedrongen en ik rustte niet voor ik uw verblijfplaats had opgespoord om kennis met u te kunnen maken.” — Op slag kalmeerde de oude alchemist. *“Nee maer!*” zei hij blij. *“Ben ick so beroemt ? Ende soude ick werckelyck iets moghen opsteecken van uw nieuwigheden ? Niets soude my liever syn ! Sa, macker! Laet sien wat ghy kunt! Ick ben benieuwd !”* — “Eh… eh… ik eh … ik kan vuur maken” zei smidje Verholen met benauwd gezicht.





**1.** ♦ Ĉu mankus klapo en la kapo de tiu ulo?” sin demandis forĝisteto Verholen. Ja, nia forĝisteto iam aŭdis ke oni devas ne kontraŭparoli homojn kies menso estas iom senorda. Kiam oni jes tion faras, ili iĝas koleraj kaj danĝeraj. (….) “Sed, kio estas stranga pri tiu vireto? Tion mi bezonas ekscii !”— Forĝisteto Verholen nun faris kuraĝan decidon, senceremonie enpaŝis la ĉambron en kiu la maljuna mastro estis priokupita, kaj li tusetis modestmaniere. *“Ha, Wosmaer, Serwistom miham, yamen returnœ wenis tu cum Materiazhoy, cuyuyn bezonams mihi?”* demandis la maljuna vireto, intense okupita super sia laboro. “Senkulpigu min, Sinjoro, sed mi ne estas Vosmaer. Mi estas forĝisteto Verholen” rediris la forĝisto. Ekskue la maljuna viro sin turnis. *“Cuyun Apheron hawas isityœ in Laboreyom miham!? Cuyan sonzsentzan Lingwon exbushigas!? Ed cuyu estas tu, se raytams demandir ? Chu estas ruzam Phriponom ? Eblœ stsias qu’estams mihi grandam ed cleram Alqhemiistom ? Ed estas tu wershaynœ phiam Uzurpantom del noblam Artom Alqhemies !?”* – “Certe ne, bona viro” trankviligis nia forĝisteto la maljunan mastron. “Mi tute ne uzurpas de vi la arton de lalĥo… de l’alĥemio. Mi nur demandis al mi, kial vi praktikumas ĉi-tie en tiel eksmodega kostumo.”



**2.** Nun la maljunulo vere ekkoleris. *"Iyed cheyuy damnitay Malwirtoy ed Beatescoy !"* li tondris. *"Widu ityœ starantam ityun malgratziegan masqueriran Phiguron ! Nemyudie Chapelon sobrez Capom ed nemyun tibicarnan Pantalonon iyed Corpom ! Sonzphormayn Chifonoyn ed Wishtucoyn wolwat chirquez sihin ! Ed ityu Spetzom del Almozpetantes curaghat belegan Costumon mihan exmodam nomir! Diablœ !"* En kompleta flamiĝo la maljuna ulo ungegis tra sia griza hararo, kaj li kriĉis : *"Aùscultu, Rabistom! Conphesu ! Cuyu tuin lasit internœd wenir ?! Chu Rompshtelistom estas ?!"* Forĝisteto Verholen penseme skuis la kapon, dirante: ”Ne, ne, mia kara homo, mi ne estas ŝtelisto.”— *"Nu, cuyon des ayestœ estas ?"* demandis la maljuna viro sovaĝe. *"Pretendas ned estir Uzurpantom mihes Artes, ed anquez ned estir Rompshtelistom. Cuyondie des phactœ estas tu !?*



**3**. Tiumomente formiĝis aŭdaca plano en la cerbo de la forĝisteto. Li subite faris misteran mienon kaj diris preskaŭ flustre: “Mi estas la plej granda, la plej sagaca, alĥemiisto kaj fizikisto en la mondo. Mi faris multe da malkovroj kaj disponas eksterordinarajn rimedojn. Mi venis por komuniki al vi tiujn malkovrojn kaj por interŝanĝi kun vi ideojn tiurilate. Viaj famo kaj saĝa scio penetris ĝis mi kaj mi ne ripozis antaŭ ol mi estis trovinta la situon de via loĝloko por konatiĝi kun vi.” — En la sama momento la alĥemiisto rekvietiĝis. *“Nunu”* diris li kun ĝojo, *“estams mihi ityel famam ? Ed werœ raytums heyohem enposhiguir del Nowazheys woses? Nemyom admihi plid caram estut! Hot, Cunulom, Montru cuyon stsipowas ! Stziwolegams mihi !”* — “Nu… he… mi… he… mi kapablas estigi fajron !” respondis kun aplombo nia forĝisteto.






**4.** *"Aqh ! caran Chielon ! Phayron estiguir ! Yemen cheyohem ?! Cuyan Bagatelon !"* rediris la stranga alĥemiisto, seniluziigte. *"Arton phayriguiran stiams mihi abu inphanam Lulilom! Unn inter Prapatroy mihay yamen inwentit Tindroscatolon cuyel Phayriguilon ! Ayestœ, Mesirom ! Ityon inwentit ityu cleram Tzerbulom ! Tindruyon ! Yemen hawas unn ! Rigardu : Nur quelcayn Phoyoyn malphortœ blowir ghisquez Phlamom estizzat ; ityahem lignan Spliteton in Phlamom tenir ed widu : Phayrom brulat ! Ayestœ ayest, Mesirom ! Phormon plid perphectan del Phayrestiguirom nemyahem plud ontrowir powot!"* — Nia forĝisteto nun aplombe prenis skatolon da ordinaraj alumedoj el sia poŝo kaj diris pedantmiene : "Aha, mi jam ne bezonas tindrujon ! Tiu-ĉi peceto da ligno plene sufiĉas al mi ! Malgranda kugleto de mia sekreta fajrofara materio sidas je unu ĝia pinto. Mi simple frot-strekas la spliton laŭlonge de la skatolflanko. Kaj jen… krrrr ! Ĉu vi vidas ? La ligneto brulas jam ! Plu neniu batado nek blovado sed infane simple unu fojon streki !! — Muta pro miro, la maljuna alĥemiisto rigardegis la brulantan alumedon, kiun tenis forĝisteto en sia mano. *"He … he … sed … sed … ityom Magiazhom estat !"* balbutis li tiam. "Ho, tamen ne, ĝi ne estas sorĉaĵo,"diris forĝisteto ridante. "Ĝi estas nur unu inter la malkovretoj kiujn mi faris."— *"Aqh, Mesirom!"* petegis la kurioza alĥemiisto per rompita voĉo, *"Mill … ned … decmill Ducatoyn por unn del Splitetoy wosay donoms!"*



**5**. “Bah, jen vi havas ilin ĉiujn por neniom !” diris forĝisteto kun larĝanima gesto. Li malfermis la skatoleton kaj ĵetis ĝian enhavon al la kapo de la maljuna alĥemiisto. Ploretante pro ĝojo, tiu-ĉi rastis la alumedojn denove kunaj, kaj pro pura dankemo li eksalte ĉirkaŭbrakis la forĝiston, dum pliaj alumedoj postrestis en lia hararo kaj lia mustaŝo. *“Ho, cuyelmanierœ powoms danquir wosin, Mesirom !”* elkriis li. *“Ho, se nur powums heyon adwos montrir, cuyon ancorez ned stziais ! Sed nu, yad estams racontantam Sonzsentzazhon ! Ephectiwœ heyon adwos montrir powams, cuyon tzertœ ancorez nedconais! Wenu!”* Mistere ridetante la altaĝa alĥemiisto mansignis al Forĝisteto akompani lin.



**6.** La forĝisto tion faris ĝis alveno en alia ĉambro, kie staradis tripiedo subtenanta specon de terglobo. Sur ĉio pendis granda tuko. *"Yemen heyon widais, cuyo Rewolutzion sobrez Terom nihan pharot!"* diris la alĥemiisto fierege. *"Miham propram Inwentom estat ed eghi sobrez Waporigom del Acwom bolantam bazizzat! Rigardu nur!"* Kun granda fiero la maljuna ulo forprenis la tukon de sur la terglobo, kaj Forĝisteto tiam vidis ke tute ne temas pri terglobo sed ke ĝi estas brila kupra sfero. Supre sur tiu sfero estis fiksita kupra tubeto kaj super tiu-ĉi sidis akseto. La akseto mem permesis al malgranda flugilhava radeto turniĝadi, kiu lasta iomete similis ventmuelileton. "Kio estas tio?!" demandis Forĝisteto mirigite. *"Estat eghi miham lastœ nowam Inwentom sobrez phizico=stzientzam Terenom!"* respondis la maljuna viro kun fierego. *"Estas eghi Waporaparatom! Ityon nedpensiis wos, chudo ? Chudo wolams mihi phoyœ Acwon inwershir ed eghin phunctziir lasir ?"*

**7.** "Nu bone, turnigu tiun aferaĵeton!" diris Forĝisteto Verholen bonhumore, "Mi estu kokidino, se vi kapablos turnigadi tiun komikan ludileton!"  La kurioza alĥemiisto riproĉe rigardis al Forĝisteto: *"Cuyam strangam Ulom wos estais,"* li diris, *"Eche se nun estais wos plid lertam Phayropharantom ol mihi estams, ityahem wos tzertœ ancorez namyahem ityel artescan ed inghenian Wapor=Aparaton ecwidiis! Pru ityom ned coleretoms contrez wos qu'eghin nomais Ludiletom comicam. Des, chudo ned yamen dirims que ocazigums mihi Rewolutzion sobrez Terom per isityu artam Obyectom? Nu des, grandam ed trez cleram Mesirom! Ancorez nur quelquœ del Perphectigueys, iyed isityu Aparatom, ed porwerœ realigoms mihi Phorton per eghi, plid grandan ol ses Chewaloy aù Bowoy!"* — Tiel parolante l'alĥemiisto, per unu el la alumedoj de Forĝisteto Verholen, estigis fajreton sub la kupra sfero, post kiam li estis ĝin pleniginta per akvo.



**8.** Ne daŭris longe ĝis la fluidaĵo komencis kantetadi en tiu metalbulo kaj fine boladi. Gaje kraĉetante, la vaporo jen sible ŝprucis el la tubeto, muntita supre sur la sfero. Kaj kio okazis? La vapora faskofluo, ĵetegata el la tubeto, efektive ekirigis la muelilbrakecan radeton ! Zumante, ĝi rapidege turniĝadis. Estis vere amuza vidindaĵo. *"Nu, cuyon dirais prid ingheniam ed artismam Inwentom miham?"* demandis la alĥemiisto orgojle. Sed Forĝisteto nenion diris. Li ne kapablis, ĉar skuiĝis li pro ridado. Li ridegadis ĝislarme. "Ĉesu, ĉesu! Mi ne povas plu!" ploretis li. "Jen staras ulo kun komika vaporludileto dum rulegadas ekstere grandpotencaj vaporlokomotivoj, trenante post si dekojn kaj dekojn da vagonoj, tra la tuta lando!" — *"Cuyon dirais prid Lolo ... Moco ... Lomoco ... Colomo ... he ... Tiwoloco=mumom !?"* demandis la kurioza alĥemiisto malafable. *"Chudo eblœ estat eghi Phormulom magiam ? Heyu Phormulom por ned troweblam Shtonom Philozopheys? Phormulom por Oron pharir? Conphesu, Maldelicatulom ! Cuyal mihin shertz=trompais wos ?"*






**9**.— “Haha, hahaha, ĉesu fine!” ridploris Forĝisteto Verholen. “Mi ridegos al mi hernion! Karamika viro, ĉu vi do vere ne scias ke oni jam delonge inventis multege pli potencan vapormaŝinon? Maŝinego kiu kapablas tiri dozenojn da grandaj veturiloj laŭlonge de ŝtalaj stangoj? La homoj en tiuj veturiloj sidas en molegaj seĝoj kaj estas veturigataj sagrapide tra la tuta lando. Povas eniri cent aŭ pli da vojaĝantoj en unu tia veturilo kaj la lokomotivo mem estas kapabla treni post sin dekojn da tiaj veturilegoj. Kaj jen staras vi, fuŝetanta je kupra bulo, kiu okazigu revolucion en la tekniko de la homaro! Hahahaha! Mi malsaniĝos pro ridado ! — *“Merlinus althonoregatam! Wos, Grandsinjorom del Retoricom ed Alqhemiom! Aùscultu ityuyn Phiphabeloyn!”* dentgrincis la alĥemiisto, forŝirante la ĉapelon de sur sia kapo kaj dismordante ĝin pro kolerego. *“Se werœ eczistuys ityuy Loco=motumoy ed ityuy Weturiloy, cuyeldie ilùi aspectuys? Ed ned admihi mensogu, aù adwos Gorghon tranchoms!”* — Forĝisteto tiam kaptis peceton da karbokrajono el la hejtigilo de la alĥemiisto kaj per lertaj strekoj li desegnis lokomotivon sur la blankan muron.




**10.** Ĉiam pli mirante, la maljunulo remetis la ĉapelon sur sian kapon kaj fine li demandis per sufokiĝanta voĉo; *"Porwerœ, trez grandam ed cleram Wirom! Se wos nemyon admihi mensogais, ed se ephectiwœ eczistait ityay weturantay Waporaparatoy, cuyudie ilùin inwentit?"* — "Nu jes, mi ne volas pro tio mensogi," tamen mokmensogetis Forĝisteto, "sed… vidu… estis mi mem kiu inventis tiun maŝinon!" — *"We! Wos des in cheyom mihin prezziriis !!"* dolore krietis la kurioza alĥemiisto. Kaj je granda konsterniĝo de Forĝisteto, la kompatinda vireto subite svenis pro kompleta malespero. ♦

Simila estas la bildostrio esperantigita *La Brusela Bubo* ("Manneken Pis"), sed ties balontekstoj permesas nur enŝovi ie-tie arkaikan vorteton. Ĝia ambicio ja ne estas pli granda ol doni (precipe) poramuzan kaj porinfanan rakonton. La jenan mi enigis en la kategorio "Filmo", tial ke oni povas konsideri bildrakonton kiel rigidiĝintan filmon, aŭ inverse filmon kiel vivigitan bildrakonton.

# 27. Judas ĉe la Farisajoj

[El: Michel De Ghelderode – *De Passie van Ons Heer* ]
[*La Pasiono de Nia Sinjoro*]

Specialan formon de teatro konsistigas la pupteatro, kiun ĝuas plenkreskuloj kaj infanoj, kaj kiuj ankaŭ estas destinitaj jen al l'unuj jen al l'aliaj. La sekvaj dialogoj estas prenitaj el filmita pupteatraĵo nederlandlingva.

La aŭtoro, Michel De Ghelderode (1898-1962), estis tipa belgiano en tio ke li, estante denaska franclingvano, tamen kapablis verki ankaŭ flandralingve — t.e. belgia vario de la nederlanda lingvo — aŭ pri flandrujaj folkloraĵoj. Kulture li estis avangarda ano de la germana ekspresionismo, pro kio liaj eksperimentaj verkaĵoj emas ŝoki. De tio li migris fine al magia realismo.

La ĉi-koncerna pupteatraĵo situigas la evangelian historion, pri suferado kaj morto de Jesuo Kristo, en la frua dudekjarcenta malbonfama kvartalo *Marollen* de Bruselo, kie vivadis mizeruloj. Kio igas la tekston interesa por ni, estas ke en ĝi aperas alternado de tri lingvoregistroj: la bonuloj (Jesuo kaj Lia anaro) parolas koinee*, la malbonuloj aŭ dialekte (Judas kaj liaj samkastanoj) aŭ arkaike (la farisaja pastraro). La dialekto komprenebl estas tiu de flandra, socie malgrava loĝantaro de la belgia ĉefurbo, kiu dialekto estas daŭre lardita per francaj vortoj kaj esprimoj, pro senĉesa subpremo de la franclingvaj administrado kaj aŭtoritato. Tial ĝi estas apenaŭ redonebla en Esperanto … escepte por tiuj kiuj scipovus la francan. Mi redonas ĝin per mia Popido (popularа idiomo). Krom tio, en naciaj lingvoj dialekto kaj slango kutimas promenadi man'en-mane. La slangaĵojn, kiuj ankaŭ tie-ĉi manifestas sin, mi evidente por Esperanto ĉerpis el la vortotrezoro de mia Gavaro, la verda Slango.

Tre kurioze, en la pupteatra versio oni paroligas la Farisajojn kiel nord-nederlandanoj (holande), tial ke al Flandroj tiu lingvaĵo impresas aroganta kaj afektema — taŭga por redono per AE. Tio donos en mia traduko eksterordinaran

kontraston inter dialekto kaj arkaikeco, fakte troigan, sed tiel same statas en la originalo ! Cetere, la teatraĵo plenas je anakronismoj kaj aludoj al pure lokaj situacioj kaj eventoj, kiujn mi plejeble evitis en internacia prezento.

======================

 **I - Ĉe Judas hejme**

(Rapidaj paŝoj alproksimiĝas sur la tuberaj stratŝtonoj: Judas venas hejmen al sia edzino Mélanie.)

M – Ha, jen tu Judas, raskal !

J – Sirin Judas, no serĉu agacaj mi !

M – Sat niu manĝaĵ.

J – Kel do “niu”?

M – Los muses mortis en na ŝrank.

J – No ma kulp !

M – Mitul !

J – Mi vat baste ! Sju stsiat as mi edziĵit al ma patrin !

M – Holala, ko tu dirat, Judas ?

J – Lo ver !

M – Nur atendu, viret. Tu, one ankore en prizon ŝtopot !

J – Te mi almene povot manĝaj.

M – Nu nu, donu mon por iraj al trinkej.

J – No vat mon.

M – Vat toĥ lo kas de tus patruls !

J – Sat begars !

M – Begars ?! Ha, da, begars kus promenadzat ed sanktas historiets rakontat, por ekdormaj starande. Ĉateristos sat !

J – No sat !

M – Da sat !

J – No !

M – Da !

J – Bah, nio tel stupid kel virin ! (Iras trinki de la vatrokrano.)

M – Ed ko enspezat sju tu ĉateradz ?

J – Lo viv eterna.

M – Frenezul !

J – El lo ĉiel mi rigardot al tu en infer. Mi elstreĉot ma lang ed al tu kraĉot. Jen !

M – Hehehe. Pensat mi as lo ĉiel de tu Jesu troviĵat sur Lun.

J – Jesu sat intelektul. Sed nun donu glas da bier.

M – Te starat lo kran.

J – Nu do, por lo pac en dom: jen, vidu, mas lastas moners. Won, du, tri.

M – Tri, ĉu sat sjo ! Kaptu lo mon el ta kas.

J – Katolik no ukrastat. (Sekreteme) Sed mi farot bona dil …

M – Por to, tu sat tro stulta !

J - … kun farisajs.

M – Kun kus ?

J – Mi sat ja tro stulta …

M – Mi no dirit to.

J – (ruze) He, he, he, kun los farisajs.

M – Ku dil ?

J – (heziteme) Mi vendut Jesu por tridiks frankes.

M – Li valorat pli. Sed nu, jam vendu li.

J – (ĉiam heziteme) Mi no muj kuraĝat …

M – Faru Judas; sat ja nur vagabond, tu Jesu !

J – Haltu, tu igat mi ŝfitaj …

M – (kareseme) Toĥ, karul, vendu li.

J – (malespere) No … !

M – (flate kaj inside) Tu ĉarlatan … Mi plu niam agacot tu; plu-ni-am; mi amat ci …

J – (ĝemegante) Nu, bone, mo fiftififte …

M – Konsentide !

J – Bone, donu ma skapulari. Mi vat rendevu kun apostols in lo paroĥej.

M – Wone kis (kisas lin brue), ed tam al lo trinkej …

(Ambaŭ brak'enbrake eliras, kantante folkloran kanzon-eton. Sed survoje Judas subite forpuŝas sian edzinon, ĉar li fakte intencis kuri al la sinagogo. Okazas kriaĉado kaj interveno de policano. Fine Judas sola rapidas al la juda sanktejo.)

**III - En la Sinagogo**

(Oni aŭdas malharmonian psalmokantadon.)

F1 – *Embarasam Apherom ! Homoy ned stziait abu cuyœ wenat lùi, ityu Yesuom. Cheyuy lùin postcurait.*

F2 – *Wercat Miracloyn !*

F3 – *Izuliistom estat ! Pretendat del Reghom Dawid de-wenir.* (Li nazblovas)

F1 – *Phecazhom ! Philom estat del Yoseph, ityu Charpent-istom; in Mizercwartalom wiwat !* (Subridas malice)

F2 – *Malpuram Apherom, ityu Yesuom.*

F3 – *Ephectiwœ, cheyuy izzait catolicam.*

F1 – *Sihin mem Diom nomat ed ecche ned Wicariom estat !*

F2 – (flustre) *Ssst! Cantir !* (Ioma paŭzo kun kantado.)

F1 – *Pasintan Dimanchon prediquit, que nos Pharisayoy blanquœ calquitay Tomboy estaims ! Mortigu mihin, dirit lùi, ed post trid Tagoy rewiwizzoms.*

F2 – *Blasphemegom !*

F3 – *Ed Episcopeyom ityon tolerat !* (Li imitas furzon.)

## IV - Envenas Judas

F1 – (Skrapas al si la voĉon; poste laŭte:) *Widuy cuyu nos hawaims isityœ: Yudas !*

F2 – (Subvoĉe:) *Wirom estat cum dux Wizaghoy.*

FF – (Ĉiuj kune:) *Bonan Tagon! Tagon! Saluton, Yudas !*

F1 – *Benaims tun. Cuyel phartas ?*

J – Mi plu no vat mon.

F1 – *Nosay Almozquestoy anquez malplenait. Popolom restat phor ex Sinagogom.*

F2 – *Culpom tues Yesuom !*

J – Mi restat ĉe ma konvink !

F3 – *Yudas, dubaims prid tu.*

J – Ricevot Jesu por tridiks kwin Frankes.

F1 – *Por triddec Phrancoy …*

J – Tridiks kwin !

F1 – *Triddec.*

J – Tri … nu bone, mo mon surtable !

F1 – *Contantœ !* (La pastro iras for kaj revenas kun stako da moneroj, kiujn li metas en la manojn de Judas.) *Yemen, Yudas !*

J – (Nombras la monerojn kun kreskanta ĝojo.) Won – du – tri … (ridas frenezete) diks … (ridaĉas plu, emocie) dudiks … He ! Mankat won !

F1 – *Pardonu, ned portims Oculwitroyn mihayn.* (Aldonas moneron.) *Yemen.*

J – Sat falsa !

F1 – *Malplid phalsam ol Yudas …*

J – (tute gaje) Adiaw, grandestras Sirs ! Vi sat kontentas, mi sat kontenta, ed nun mi rekte irat al trinkej ! (Li hastas for.)

F1 - (Kun kreskanta triumfo) *Bonam Apherom ! Yesuom Cristom, Reghom Yudeys, Philom Dies, wenditam por trixdec Phrancoy ! Ha ! Ha ! Haaa !*

F2 – *Sinyorom benatam estu !!*

(Ilia komuna ridaĉado laŭgrade transformiĝas al malharmonia aleluj-kantado.) ♦



**Judas antaŭ la Ĉefpastro**

**(el la filmo *The Mysteries of the Rosary* – 1957)**

# 28. Reinkarniĝa Dilemo

[*The Undead* – R.Corman & C.B.Griffith – USA 1957]

Temas pri duaranga, nigrablanka filmo, kiu estas bunta mikspoto de fantascienco*, hororo, fabelo, amhistorio, kaj kredo je reinkarniĝado. La tuta scenaro estas konceptita kaj la aktoroj rolas kiel en morna teatraĵo laŭ Shakespeare, kun beletrismaj dialogoj jen en antikva angla, jen en moderna angla ::

Juna kaj belega prostituitino, Diana, pretas kontraŭ sufiĉe alta sumo, submeti sin al eksperimento en instituto por esplorado de la menso. Sciencisto, kiu ricevis iniciadon ĉe lamaoj en Tibeto, provos per hipnota tranco reirigi ŝin al iu antaŭa vivo. Sed ne simple tion. Ligante sian propran spiriton al la ŝia, li provos ĉeesti ĉion kio al ŝi okazis en tiu antaŭa vivo. La afero kompreneble bone sukcesas. Ili ambaŭ aperas en la Mezepoko, ŝi senpere kaj li kiel "kunvojaĝanto". Ŝi tiam estas/estis ĉasta nobela fraŭlino, Elaine, kaj li (kial ne?) brava kavaliro, Sir Gen.

La belulino bedaŭrinde troviĝas nun en karcero, ĉar malĝuste arestita kiel sorĉistino. En la posta tago oni ŝin senkapigos. Instigite de la kavaliro, ŝia amato igas ŝin eskapi kaj trovi rifuĝon en la dometo de efektiva, sed bonkora kaj blankamagia, sorĉistino maljuna. Sed alia sorĉistino, juna kaj bela sed fia kaj nigramagia, kiun ĉie akompanas aĉa nana elfo, ankaŭ amas la fianĉon de Elaine, kaj do intrigas por ke la heroino estu rekaptita kaj ekzekutita.

La fianĉo, kredante ke ekzistas neniu alia solvo, pretas vendi sian animon al la diablo — nigre vestita kaj nigrabarba viro kun granda tridenta forkego (ŝajne ne tre solida) — por ke la amata knabino estu savita kaj ili povu vivadi kunaj senprobleme. Tiu intertrakto okazas en aperta loko en arbaro, la ejo kie sorĉist(in)oj festas sian "ŝabaton" sub prezidado de la ne tre timiga diablo. Anstataŭ rondo de magiistoj, ni tamen spektas tie nur kunvenon de malfeliĉuloj, kiuj venas marĉandi kun la demono por plenumi tiun aŭ alian deziron. La kavaliro malhelpas al la fianĉo

vendi sin, ĉar li ekkonscias ke, se Elaine mortos naturan morton, kio ne estas antaŭvidita en ŝia destino, tiam ŝi plu neniam kapablos reaperi en aliaj postaj vivoj, tiele ke ankaŭ la putino Diana neniam ekzistos, kaj ankaŭ ne la interdumaj "stadioj" de ŝia spirito.

* * * * * * *

En la posta fragmento, la kavaliro sidas sola kun la bona sorĉistino ĉe ŝia kameno, por ekspliki al ŝi la tutan aferon kaj kial ne estus bone savi non* Elaine.



**K(avaliro) S(orĉistino)**

♦ *La* <u>*fia*</u> *sorĉistino, kiu ne volas ke la vero estu rivelita, enpenetras la kabanon de ŝia bona kolegino en formo de [blanka!] muso. La bona magiistino tamen rekonas ŝin sub tiu travestio kaj kaptas la muson sub pokaleto. Dume la aĉa elfo ekstere frapadas je la pordo, farante multan bruon, sed ne sukcesante eniri, por helpi al sia mastrino. =*

**S** – Wolams stziir Problemon prid Cunulinnom Tuam, Mesirom Guen.

**K** – Mi transportis la mensan memon de junvirino, laŭnome Diana, el la 20-a jarcento en kiu ankaŭ mi vivis, tra ŝia nekonscia memoro returnen al la fizika estaĵo, kiu ŝi estas en tiu-ĉi tempo. Nun ŝi ja estas kondamnita al ekzekuto, sed ŝia menso el la estonteco donas al ŝi eblecon eskapi tiun sorton. Tio signifas ke Diana el mia tempo ion ŝanĝis kio okazis jarcentojn antaŭ ol ŝi naskiĝis. Ĉio kio okazis en la pasinteco efikas je ĉio kio okazos en la estonteco.

**S** – Yemen Phrenezazhom ! Parolu plud !

**K** – Retren rigardante el mia propra tempo, Elaine jam mortis sub la hakilego. Sed nunmomente ŝi estas libera nenature. Se ŝi mortos je tagiĝo, ŝia memo ŝvebos pluen kaj ŝi povos travivi ĉiujn siajn futurajn vivojn. Sed se ŝi eskapas la mortigon, ŝi vivos kompletan vivdaŭron nun, sed poste mortos porĉiame. La vivo de Diana kaj ĉiuj vivoj, kiujn Elaine ankoraŭ povus sperti, malaperos; t.e. ŝi neniam reenkarniĝos plu.

*= La elfo ekstere laciĝas tumultadi kontraŭ la pordo kaj provi malfermi ĝin. Sed subite [ja fine!] li ekhavas pli bonan ideon. Li transformas sin al sufiĉe granda araneo, grimpas tra fendo kaj komencas per ŝpindrato lasi sin subeniĝi de la plafono ĝis super la kapo de la sorĉistino, kiu nun ne rimarkas kaj ne rekonas la nigran artropodon. [Ankaŭ ne la kavaliro, cetere.] =*

**S** – *Ityel prawas Tu, Mesirom: Wiwom Mortom eshiam estot, ed Mortom eshiam Wiwom estot ! Terurœ ! Teruram Electom !*

**K** – Elekto, kiun sole ŝi kapablas fari !

**S** – *Sed eshi tro yunam estat ed sonzculpam por ityel cruelam Detzidon pharir ! Tu Bestom estas, cuyu cheyon ityon missorchis ! Tu Detzidon pharir dewas !*

**K** – Mi ne kapablas elekti. Ci volas ke mi ĉesigu la trancon kaj malligu ŝiajn du aperformojn. Tio savus Elaine, efektive, sed je tagiĝo Diana mortus kaj komplete malaperus. Mi ne havas kruelan koron, sed mi ne povas deteni min esti fascinita. Kiel ajn ŝia sorto estos decidita, mi estos spertinta la plej gravan dramon de mia vivo. Kaj honeste, al mi ne tre gravas kiun sorton ŝi elektos.

= *La aĉa elfo subite reprenas sian veran formon, saltas al la nuko de la bona sorĉistino kaj provas ŝin strangoli. Okazas lukto kiun la kavaliro ne kapablas malhelpi. La sorĉistino baraktas, kriante "Sanctam Patrinnom, Sanctam Patrinnom !" por ricevi helpon, sed vane. Tamen, jam preskaŭ sufokita, ŝi sukcesas ekkapti sian sorĉobastonon de sur la tablo kaj frapi la elfon. Tuje tiu falas algrunde kaj kuŝas senmove. Antaŭ li revenu al konscio, la maljunulino urĝas la kavaliron hasti kun ŝi al la ŝabatejo en la arbaro, kie la sorto de Elaine estos decidita.* =

**S** – *Rapidœ, adi Arbarom, adi Phumantay Alteyoy !*

= *Ili kuras eksteren. Interdume la kaptita muso sukcesas renversi sian karceron, reprenas la formon de nigra kato kaj siavice kuregas al la rendevuo [kie ŝi aperas nur* ***post*** *la du antaŭaj personoj.] Ĉiuj ĉefrolantoj nun staras sur la scenejo, sub prezidado de la [ne tre timiga] diablo. La bona sorĉistino klarigas al la dolĉa heroino kiel statas ŝia destino, kaj kiun dilemon ŝi devas tranĉi. Elaine ege hezitas, precipe ĉar ŝi timas perdi sian amaton. Ĉiuj provas konsili al ŝi, ĉu por ĉu kontraŭ. Fine ŝi elektas la ekzekuton kaj petas de la kavaliro ke li rompu la identecon inter siaj du memoj, la nunan kaj la estontan. Tiu denove irigas ŝin en*

*trancon kaj ŝin liberigas. La junulino kuregas al la ekzekutejo por esti senkapigita ĝustatempe je tagiĝo. La senespera amanto ŝin postkuras por ŝin deteni, sed anstataŭe li kolizias kun la ĵaluza fi-sorĉistino, kiu provas lin deteni. Furioze la juna nobelo eltiras sian ponardon kaj plantas tiun [ne en ŝian koron, pensu!] en ŝian … lienon. La sorĉistino [evidente] pro tiu vundo tuje falas morta kaj retransformiĝas al kato. Tiel li alvenas tro malfrue, ĝuste en la momento kiam falas la kapo de lia fianĉino.*

*= En la arbara ŝabatejo, la diablo, montrante al la leviĝanta suno, mokride diras al la kavaliro/sciencisto, ke tiu ion forgesis. Nome, sen lia mensa ligo kun Diana/Elaine, li plu ne disponas eblecon revojaĝi al sia propra tempo, sed estas kondamnita resti en la Mezepoko. En la moderna laboratorio, Diana vekiĝas el sia tranco, estas nun [subite!] bona virino, kaj ekvidas kun teruro la seĝon de la sciencisto, en kiu nun sidas sole lia kostumo …* ♦



## 29. Antaŭparolo

Kiam fakuloj nepre nepre volas havi apartan vortformulon nekutiman — ĉu pro tio ke ordinara formo havas tro malfiksan aŭ tro vastan signifon, ĉu pro tio ke ili ŝatas aŭ bezonas utiligi ĵargonon (kvazaŭ) sekretkodan kaj ne kompreneblan por eksterfaka publiko, ĉu ke ili deziras impresi specialisme — kaj kiam tiu envortigo apartenas al la lingvotrezoro de Latino aŭ de samspeca lingvo antikva, nu tiam Arkaika Esperanto liveras taŭgan tradukilon.

Ekzemple, kiam lun-observistoj volas havi en sia luna atlaso unu *Mare Serenitatis,* anstataŭ familiara "Maro de la Sereneco". Aŭ kiam kuracistoj volas legi *Picae gravidarom,* anstataŭ ordinarece "Perversio de la gusto ĉe graved-ulinoj". Tiakaze mi sugestus respektive *Marom Serenesques* kaj *Capritzoy Grawedesques*, kiuj precize konsistigas la kategorion de apartecaj formuloj ne ĉiutagaj, kaj tamen estas facile legeblaj (kompreneblaj) kaj uzeblaj, sen pro tio trapasi la kadron de Esperanto kaj sen postuli penan mastradon de kompleta lingvo mortinta, kiel aktuale estas postulate.

Estas vero ke la bezono je Latino (kaj la greka!) en sciencaj nomenklaturoj — pensu pri la sciencaj nomoj por plantoj kaj bestoj! — ŝajnas konstante malakriĝi, favore al pure usonanglaj envortigoj, tiele ke la klasikaj lingvoj ŝajnas kondamnitaj al malapero el tiuj-ci medioj; eĉ sen iu ajn elekstera trudo. Tiele oni fine postrestus kun pure anglaj terminoj kaj esprimoj en mondo kie solregus la usonangla. Nu, tiukaze ankaŭ fundamenta Esperanto montriĝus plu ne bezona, kaj Arkaika Esperanto kune. Sed, tiel longe kiel fakuloj jes daŭrigos apliki greklatinon, tiel longe AE re-prezentos simplan kaj facilan solvon por redoni ĝin en la Internacia Lingvo.

Tiu-ĉi aŭtoro dume substrekas emfaze ke absolute ne estas lia celo, nek lia kapablo, dikti al sciencistoj aŭ erudiciuloj kion ili diru kaj kiun terminon aŭ esprimon ili apliku; sed ekskluzive nur kiel ili tion faru, se ili tamen

akceptus mobilizi Esperanton por siaj fakbezonoj tutmonde, sen pro tio perdi la avantaĝojn de ilia aparteca scienca ĵargono. Des pli ne, ĉar estas postulate de tiaj terminoj/esprimoj ke ili havu nepre fiksan valoron, nepre difinitan signifon, kio ne lasas lokon al individua interpretado aŭ al sinonimoj. Ili principe eĉ estus imunaj kontraŭ la senkompata leĝo pri evoluo de lingvoj. Lerta adaptanto sekve devas kunigi en si la kvalitojn de fakulo kaj de lingvisto, kio estas bedaŭrinde granda raraĵo.

Tiaj fiksaj terminoj kaj esprimoj ekzistas en pluraj sciencoj: en anatomio, astronomio, diplomatio, filozofio, ĥemio, juro kaj similaj pro tio ke la internacia klerularo dum jarcentoj interrilatis kaj verkis per la helpo de Latino kaj la greka, speciale la Katolika Eklezio, kiu formulis siajn konceptojn kaj ritojn tiulingve. Nur muziko, pro kulturhistoriaj cirkonstancoj, utiligas pure italajn terminojn. En ĉiuj tiuj fakoj do indas konsideri ĉu kaj kiagrade Arkaika Esperanto havigas solvon pri adapto al nia Internacia Lingvo. Atentu ni ja, ke Esperanto ne estas destinita al la nura Eŭropo !

Je efektiva aplikado oni trovos ke la ora principo de ekzaktaj sciencoj, kiu nomiĝas Principo pri Sufiĉo kaj Neceso, prezidas ankaŭ en tiu-ĉi metodo. Estas ĝi kiu diktu en unuopa kazo kiun eblecon elekti:

a) konservi la originalan esprimon
b) traduki ĝin per neologismo (scienca termino)
c) traduki ĝin per kutima lingvaĵo (populara nomo)
d) traduki ĝin per Arkaika Esperanto.

# 30. La Opinio de Bernard Golden

Tute aparte kaj komplete, mi deziras reprodukti la opinion de Bernard Golden, nia eminenta esperantologo, rilate al la lingva malsano, kiun li nomis “latinsperanto”. [*Marĝene de la Lernolibro* — Budapest, 1982]. Ĝi klare vidigas la ĝenon kiun kaŭzas la problemo de fremdaj citaĵoj ĉe “la ĝenerala publiko”. Evidente tiu-ĉi teksto estis verkita antaŭ ol aperis mia projekto Arkaika Esperanto, kiu devus meti ĉion en alia lumo kaj forpreni la problemon.

### ♦ Ankoraŭ unu malsano de Esperanto: la latinismo

Antaŭ kvaronjarcento aperis la pensinstiga libro de Akademiano H.A. de Hoog, titolita *Du Malsanoj en Esperanto,* temanta pri la *kia-ismo* kaj la *tiom-kiom-ismo.* En tiu-ĉi eseo mi deziras pritrakti alian aspekton de la verdlingva patologio — la morbon kiun mi nomas la latinismo. Laŭ *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV) la sufikso *–ism* povas esti uzata ankaŭ por esprimi staton de toksiĝo, ekzemple “alkoholismo”. Mi difinas la latinismon kiel staton de lingva veneniĝo en Esperanto. Rezulte de miaj esperantologiaj esploroj pri la aktuala karaktero de la lingvo de Zamenhof, mi rimarkis, ke unu el ĝiaj anakronismaj, eĉ nekonsekvencaj trajtoj estas la uzado de la latina lingvo en la formo de izolitaj vortoj, kliŝaj esprimoj, kaj proverboj, por garni alie senriproĉajn tekstojn. Ni analizu la diversajn formojn, en kiuj la latinismo manifestiĝas.

Unue, estas necese escepti la sanan uzon de la latina lingvo por pravigeblaj celoj, kiel montras la lastatempe aperinta furora bildstria libro *Asteriks la Gaŭlo.* En ĝia lerte tradukita kaj sprita Esperanta teksto troviĝas pluraj latinaj vortoj kaj esprimoj elbuŝigitaj de romiaj soldatoj kaj provincaj funkciuloj en Gaŭlujo. *Vae victis,* ĝemas unu el la legianoj, kiu ĵus ricevis kapbatadon. Alia trupano eldiras *Alea jacta est,* tiel ripetante la famajn vortojn de Julio Cezaro, kiam li transiris Rubikonon. *Morituri te salutant!* elsputas rikananta romia armeano, eĥante la saluton de la gladiatoroj irontaj el la arenon. Ankoraŭ unu juvela esprimo, *Vanitas vanitatum et omnia vanitas* apenaŭ konvenas sur la lipoj de pagana soldato: ĝi fontas el la Malnova Testamento (La Predikanto, 1:2). Efektive, la uzo

de iom da latino en la kunteksto de rakonto pri okazintaĵoj dum la romia periodo efikas bone, ĉar ĝi servas por doni lingvokoloron al la paroloj de la romiaj rolantoj. Krome, ĉiu latina esprimo havas Esperantan tradukon en la formo de piednoto.

Tute mala estas la impreso, kiun oni ricevas, kiam latinaj lingvaj elementoj estas larditaj en alispecaj Esperantaj tekstoj, simple ĉar kelkaj esperantistaj verkantoj sentas bezonon imiti siajn etnolingvajn kolegojn. La emo uzi tian lingvaĵon, kiun mi nomas "latinsperanto", ne limiĝas al literaturaj verkoj aŭ erudiciaj studaĵoj, sed infektas ankaŭ la privatan korespondadon. Jen tri ekzemploj ĉerpitaj el leteroj, kiujn mi ricevis dum la pasintaj jaroj.

1. Eminenta movadano, klarigante al mi, kiel oni devas alpropriĝi Esperanton, skribis: "... sed la unua paŝo komenciĝas *ab ovo* je la eklerno de la bazaj konoj de Esperanto."

2. Mi atentigis budapeŝtanon pri grava morfologia eraro en vorto en unu el liaj leteroj. Returnpoŝte li senkulpigis sin per tiu ĉiu antikva diraĵo: *Etiam aliquando dormitat bonus Homeros.* Bela preteksto por klasika teksto !

3. Okaze de perletera polemikado kun alia ĉefurba hungara esperantisto, tiu ĉi emocie ĵetis al mia jenan plenbuŝon da vortoj: *Roma locuta, causa finita.*

Ni nun rigardu, kiel tiu ĉi ĉefa simptomo de latinsperanto aperas en verkoj eldonitaj en Hungario. Mi elektis ne malnovajn verkojn de la 19-a jarcento, kiam la latina lingvo estis pli vaste instruata kaj konata, sed nuntempajn periodaĵojn kaj librojn.

4. "Mi mem tre bone scias, ke neniu rajtas deklari sin kompetenta elpensi kaj kvazaŭ *ex cathedra* publikigi ian ajn faklingvon Esperantan." [Hungara Vivo, 1970/4]

5. "La preciza familiestro zorgis ankaŭ pri *corpus delicti*" [Hungara Vivo, 1973/2]

6. “Post unu jaro ree estas kongreso! *Spiro spero!*” [Hungara Vivo, 1975/3]

7. “… nia konkreta propono estas, ke la kultura komitato … fondu *ad hoc*-subkomisionon” [Hungara Vivo, 1976 /6]

8. “… ĉiuj lingvoj estas specialaj sistemoj, suverenaj, *sui generis* strukturoj …” [Esperantologiaj Kajeroj, 2, 1977]
“Esperanto estas *ipso facto* pli ol nura lingvo.” [Hungara Vivo, 1978/3]

La verko *Maskerado ĉirkaŭ la Morto,* de Teodoro Schwarz (Tivadar Soros) spegulas la poliglotecon de la aŭtoro, kiu salis kaj pipris sian Esperantan tekston per vortoj kaj esprimoj ne nur el la latina lingvo, sed ankaŭ el la helena, hebrea, kaj pluraj modernaj lingvoj. Speciala tabelo fine de la libro ŝparas al legantoj la taskon konsulti vortarojn por kompreni tiun fremdlingvan balaston. Jen tri ekzemploj:

9. “La sorto decidis anstataŭ ni kiel *deus ex machina.*”
10. “Tiujn mi rigardis jam *ab ovo* nefidindaj.”
11. “Kia *inversio in peius* dum mallongaj dek jaroj…”

Por montri, ke latinsperanto ne estas apartaĵo nur de la esperantistoj el Hungario, la sekvaj ekzemploj venas de pli diversaj fontoj:

12. “Plue interesas, kiom planlingvo kiel Esperanto taŭgas kiel *tertium comparationis* por la sinkrona lingvo-komparado.” [Esperanto – La Internacia Lingvo – Sciencaj Aspektoj]

13. “*Quo vadis,* teatro ?” [Kulisoj Internaciaj]

14. “S-ro Weide *dixit !*” [Dialogo]

15. “Tial ke *ex oriente hostes,* oni imagu ke morgaŭ la mongoloj atakos Italion.” [Literatura Foiro]

16. “Ĉiujare ŝanĝiĝas la prezidanto laŭ alfabeta ordo de respublikoj kaj provincoj sur bazo de *primus inter pares”* [Monato]

Antaŭ ol pritrakti la kaŭzon de la emo pezigi la stilon de Esperanto per latinaĵoj, estas utile distingi inter la ekzemploj de latino ĉi supre cititaj kaj du aliaj aspektoj de la klasika romia lingvotrezoro, kiun heredis ne nur Esperanto sed ĉiuj lingvoj en la sfero de la Okcidenta Civilizacio. Temas pri alia speco de latinismo kaj pri latinaj kulturaj apartaĵoj en Esperanto.

Latinismo en Esperanto ĉi kuntekste havas alian signifon. Laŭ la klasifiko de I. Szerdahelyi [La semantika modelo de Esperanto, p.140] ili estas esprimoj kiel “nerona festeno”, “herkulea tasko”, “lukulusa regalo” ks., kiuj “apartenas al la Eŭropa kulturmedio … kaj estas … tute fremdaj kaj nekompreneblaj ekzemple por azianoj.” Same granda malfacilaĵo estiĝas pro la uzo de latindevenaj vortoj rilatantaj al apartaĵoj de la romiaj popolo kaj kulturo. Aliverke, Szerdahelyi klarigas, ke ili “ne estas Esperantaj vortoj, nur Esperantaj formoj de la etna vorto: ilin oni ne tradukas Esperanten sed interpretas ilin. Sen interpretado komprenas ilin nur membroj de tiu etna kulturo, al kiu ili apartenas.” [Skizo pri morfemiko de Esperanto.] El pluraj latinaj apartaĵoj registritaj en PIV, jenaj tri ilustras tiun ĉi vortspecon:

a) <u>koloseo</u> – kolosa amfiteatro en Romo, kies grandiozaj ruinoj plu staras.
b) <u>matrono</u> – nobela patrino en la antikva Romo.
c) <u>sesterco</u> – arĝenta, poste bronza monunuo en Romo.

Ĉar latinismoj kaj latinaj lingvaj apartaĵoj estas utilaj, ili estas asimilitaj en Esperanto. Tion oni ne povas diri pri la neasimilitaj latinaĵoj. Kial, do, ili estas uzataj ? Estas rimarkinde, ke ekzistas nur unu alia fremda lingvo, kiu funkcias paralele kun la latina en Esperanto: la angla. Tiun fenomenon mi jam ekzamenis en aparta studaĵo [*La uzo de la angla lingvo en Esperanto, 1980*]. Estas facile kompreni, kiel la angla lingvo, la plej vasta internaciskale

uzata lingvo nuntempe, povas trudi sin al Esperanto, same kiel ĝi faras al pluraj aliaj lingvoj tra la tuta mondo — sed kial ankaŭ la latino, lingvo de formalaperinta civilizacio ? Kian povon aŭ sorĉon ĝi ankoraŭ havas por meriti lokon en verkoj en lingvo, kies celo estas funkcii kiel LA Internacia Lingvo ? Tri kialoj prezentiĝas:

A. Neeblecoj traduki ĉion en Esperanto. Iuj asertas, ke ekzistas esprimoj tiel gravedaj je etnokultura enhavo kaj tiel sukplene signifaj, ke ili defias tradukon. Sekve, ne estas alia rimedo ol uzi ilin en la etnolingva formo kaj lerni la signifon. Unu el la plej elstaraj esperantistoj de la dudeka jc. rifuzas la argumenton pri ne-tradukebleco: “Tiu opinio estas tute erara. La internacia karaktero de Esperanto ebligas adekvatan esprimadon de ĉiuj apartaĵoj, entenataj en ĉiu unuopa nacia lingvo. Tio, fakte signifas, ke ĝi estas multe pli riĉa ol kiu ajn nacia lingvo. Ĉio, kion oni povas diri en la naciaj literaturaj lingvoj, oni povas esprimi ankaŭ en la Internacia Lingvo. Male, la apartaĵoj de unu nacia lingvo tre ofte ne estas adekvate esprimeblaj en alia nacia lingvo.” [Lapenna, Retoriko, 1971] Se esperantistoj ne tutkore akceptas tiun ĉi vidpunkton, ili neniam sukcesos venkigi Esperanton.

B. Internacieco de la latina lingvo. Apogantoj de la latina supozas, ke ĉiuj edukitaj homoj komprenas (aŭ devus kompreni) tiun lingvon. En tiu ĉi rezonado kaŝas sin la erara opinio, ke la latina lingvo ankoraŭ povas funkcii kiel internacia kulturlingvo. Se tio estas vera, kial je la diablo oni okupiĝu pri Esperanto ? Fakte, tiu argumento estas evidente senbaza. La latina jam de longe ĉesis funkcii kiel internacia komunikilo, kaj pro tio ĝi jam ne estas deviga studobjekto ĉie. Ĉiam malpli da homoj lernas ĝin, kaj latinaĵoj por ili estas nur enigmoj.

C. Snobeco – Tiu-ĉi trajto (bedaŭrinde universala) klarigas, kial la latina kaj la angla lingvoj sukcesis invadi Esperanton. Snoboj, sciante eble nur kelkdekojn da

> vortoj el ambaŭ lingvoj, ŝatas superŝuti siajn leterojn kaj skribaĵojn per fremdaj esprimoj, sen-konsidere ĉu ĉiuj legantoj komprenos ilin. Ili amuziĝas per la mistifikado kaj strebas imponi per pseŭdo-erudicio, paradigante fremdajn vortojn sur la paĝoj de siaj verkoj. Estas ja paradokso: oni lernas internacian lingvon por faciligi interkomunikiĝon kun aliaj homoj sed samtempe uzas specon de kaŝlingvo por bremsi aŭ neŭtraligi la lingvobaril-rompan efikon de Esperanto. Ne senmotive G. Waringhien [1959] karakterizas la hodiaŭan citadon de fremdlingvaj frapfrazoj "humanista manio" kaj "ia ridinda trajto". Tiu eksprezidanto de la Akademio de Esperanto ja scias pri kio temas, ĉar li mem ofte blindumas legantojn per sia ege polurita klasika dokteco.

Kiu ankoraŭ ne estas konvinkita pri la kontraŭkomunika obskureco kaj stila pezeco de latinsperanto, provu traduki la latinaĵojn cititajn ĉi supre. Kiu dum legado hezitas kaj stumblas, kaj miskomprenas la enhavon, certe ĉagreniĝos pro komplekso de lingva malplivaloro, ĉar li konstatos, ke latinsperanto estas lingvo por la elito, ne por la ordinar-ulo. ♦

## 31. Aforismoj

Komencu ni aplikadon de AE laŭ mia recepto per la beletra kategorio de Aforismoj (sentencoj, motoj, citaĵoj), per kiuj kleruloj ŝatas spici siajn eksponojn.

Rilate tradukadon ekzistas la bonkonata itala sentenco *traduttore traditore*: tradukanto estas perfidanto. Efektive, ĉe tradukado neeviteble mistordiĝas aŭ aldoniĝas aŭ forperdiĝas tiu aŭ alia detalo, tiu aŭ alia nuanco — spite eventualan maksimuman manumeblon de koncerna lingvoinstrumento, kaj spite plej grandajn lerton kaj inventemon de koncerna lingvoperanto. Bona traduko tial ne povas ne esti iu kompromiso, iu ora egalpezo inter fideleco kaj flueco. Ĉefas ke la originaj ideoj kaj etosoj estu transdonataj, kaj se eble ankaŭ iel la stilo/versformo. Ju pli fremdaj la du lingvoj staras unu al la alia, la fontolingvo kaj la celolingvo, des pli malfacila fariĝas tiu tasko, ĉar käj la respektivaj kulturoj käj la respektivaj lingvosistemoj disas. Traduko el la ĉina en la turkan, ekzemple, estas principe multe pli malfacila afero ol traduko el la rusa en la ĉeĥan, ekzemple, jam pro tio ke ili respektive hejmas en tute malsamaj mondopercepto kaj filozofia sistemo. Krom tio, ĉiu tekstospeco alportas proprajn malfacilaĵojn: sciencoteknika traduko, jura kontrakto, eposo, teatraĵo postulas ĉiu iel apartan stilon, envortigon. Cetere, ĉu ne sociolingvistoj certigas ke ankaŭ “la kodo mem estas mesaĝo” — alidire ankaŭ la uzata lingvonivelo, la sociolekto, entenas komunikindajn informojn.

Tiele: scipovantoj de la koncerna fontolingvo kapablas ĝui la privilegion kapti aludon kaŝitan en dusenca vorto aŭ esprimo kaj rideti, dum nescipovantoj restos senkomprenaj pri la subtilaĵo. Sed tio sama okazadas ĉe ĉiuspecaj spritaĵoj kiuj faras aludon al iu persono, situacio, evento kiu hejmas en donita lando aŭ donita periodo. Mi pensas pri bildrakontoj, onidire por infanoj, kiuj kutimas moki iun politikiston aŭ referi al momente bonkonata okazintaĵo aŭ problemo, sed kiuj post forpaso de eĉ ne jardeko plu ne elvokas tiun komprenan rideton. Oni ja devas antaŭscii pri

kio temas kaj krom tio esti atentema. Se ne, eĉ al principa komprenonto la “piko” preterglitos senefike ! Kiom da esperantistoj ankoraŭ senplie konas kaj komprenas la verbon “kabei”, kiu referas al senbrua dizerto el la Movado de iama eminentulo K. Bein ? Sola elturniĝo en tia kazo sekve estas — kie bezone — aldoni iun signifoklarigan frazeton al la traduko.

Sed kio pleje povas ĝeni, estas la nekalkuleble multaj aforismoj devenaj de la eŭropa pasinteco, ĉu el la greka, ĉu el Latino, ĉu el la franca, germana, angla ... La Tempo ilin sankciigis, ĉiu en sia propra medio, sed ili iĝis ankaŭ kultura heredaĵo de erudiciuloj transe de tiu medio, en la ekstera mondo. Traduki ilin, perdigas al ili la frapopovon. Pensu pri latinaj esprimoj en juro aŭ filozofio, kiuj foje entenas longan eksponon en nukse kerna redukto. Ili vole nevole restas kaj restu en sia antikva fiksa formo. Tio validas kompreneble same por aziaj aforismoj, kiujn “okcidentanoj” multe malpli bone konas kaj malpli aplikas pro la diferenco en skribosistemoj. La islama mondo ŝatas citadi el Korano, la hindisma mondo el Bhagavad Gita kaj Vedoj. Sed, transe de ĉiu tiu aparta kulturo, la afero komplikiĝas. Esperanto, kiu celas roli kiel nepre internacia perilo, vole nevole multobligas la trezoron de motoj, ĉar ĝi ja ĉerpas el ĉiuj kulturoj sendistinge.

Sekve, kion fari pri ili en nia internacia lingvo ? Apliki ilin sen traduko, estas preskaŭ garantie kaŭzi miskomprenon aŭ tute simple nekomprenon. Evidente, oni povus senplie akcepti la usonanglan kaj adopti ties kutimon inventi terminojn en formo de kapricaj slangaj esprimoj, fabrikitaj “surloke”. Tiukaze ni plu ne pensu pri “la fina venko”, Esperanto estus jam kondamnita morti senbrue. Sed al tia pesimisma perspektivo mi ne volas submetiĝi. Batalu ni senĉese; ankaŭ la plej potenca regno iam venas al dekadenco kaj falo.

Pro tio, mi estas konvinkita ke nur ĝenerala internacia traduko al Arkaika Esperanto liveros efikan solvon, ĉar ĝi permesas anstataŭigi donitan fiksan formulon per alia

fiksa formulo. Kompreneble, ties signifon oni denove devos parkeri, sed tio estas kutimaĵo por kleruloj, kiuj ŝatas utiligi ilin, se ne "la ĝenerala publiko". Aŭ ĉu la verduloj ĝis la Sankta Neniamo devos tamen ellerni "grandajn" gentajn lingvojn pro ties apartaj tezaŭroj ? La fortostreĉo estos ne pli granda ol tiu kiun oni faras por lardi altnivelan paroladon per citaĵoj prenitaj el la verkoj aŭ eldiroj de famaj homoj. Kaj fine, ankaŭ en nacilingvaj eksplikaj vortaroj oni kutimas enŝovi liston de tiaj aforismoj, kiujn ĉiu posedanto povas konsulti ! Kial do ne entenu ilin ankaŭ Esperanto-vortarego ? Bedaŭrinde, tian kultur-trezoron nia PIV ne sukcesis enpreni, manke ja de komuna traduksistemo. Unufoje por ĉiam en tiun komunan muldon verŝita, ĉiu ajn nacilingva (aŭ klasiklingva) sentenco povus en la estonteco plu ludi sian rolon, postulante de la uzontoj neniun kroman lingvoscion. Sufiĉos al ili eĉ nur tute pasiva (lega) scipovo de la AE-metodo !

Do, ĉi-poste longa listo de aforismoj el la tuta mondo, kiujn mi "tradukis" al Arkaika Esperanto, provante fari tion same koncize kaj formule kiel estas la originaloj. La listo certe ne estas kompleta, jam pro tio ke multaj el la sentencoj ekzistas jam en la norma lingvo, dum aliaj pli taŭge esprimindas per kutimlingva proverbo. La nekutime granda kontribuo de materialo el la Katolika Eklezio imputendas al la fakto ke ĝi adoptis Latinon kiel sian internacian perilon dum multaj jarcentoj. Persona gusto kaj tradicio tamen estas nepre konsiderendaj faktoroj en ĉiu aparta kazo. Ekzemple estas la latina *qualis pater, talis filius,* kiu romena proverbo renkonteblas iel tiel en multaj gentaj lingvoj. Miaopinie jen plensufiĉas la kutima "kia patro, tia filo". Same pri la franca maksimo direktita al Napoleono: *Sire, on peut tout faire avec des baïonettes, sauf s'asseoir dessus,* kiu tute nature kaj senpere hejmas en fundamenta Esperanto: "Oni povas ĉion fari per bajonetoj, escepte sur ilin eksidi." (= konkerinto neniam trovos ripozon pro ĉiama ribelemo de la konkeritoj). Do: nur praktika uzado povos decidi inter elekto aŭ de la pura originalo, aŭ kutimlingva traduko, aŭ arkaika enformigo.

***ab imo pectore***
*ex Brustes Prophundom*
En tuta honesteco, el la plejprofundo de la koro

***ab ovo***
*abu Owom*
Detaligi ion ek-de la tutunua komenco

***ab unu dice omnes***
*ex Unn conu cheyuyn*
Kiel kondutas iu ano tiel kondutas la tuta grupo

***ab urbe condita***
*abu Urbes Phondighom*
Ek-de la fondo de donita entrepreno aŭ organizaĵo

***abusus non tollit usum***
*Misuzom ned Uzom malhelpat*
Pro iu fi- aŭ fuŝapliko de donita regulo oni ne forigu la regulon mem

***abyssus abyssum invocat***
*Abismom Abismon inwitat*
Unu mispaŝo facile kondukas al pluaj mispaŝoj

***acta est fabula***
*Actom phinitam estat*
La afero (teatraĵo) estas definitive finfarita

***ad augusta per angusta***
*adi Triumphom per Penoy*
Oni atingas sian celon nur per kaj post malfacilaĵoj

***ad libitum !***
*selez Plachom !*
Agi laŭvole, senbremse, precipe pri ĝuado

***ad maiorem Dei gloriam***
*por grandam Glorom Dies*
Ĉion fari nur por la gloro de Dio – devizo de la Jesuidoj

***ad patres***
*adi Prapatroy*
Sendi iun, aŭ mem iri, al morto

***ad rem***
*adi Apherom*
Respondi aŭ reagi tujtuje

***ad usum Delphini***
*exmetœ por Printzes uzom*
Eldonaĵo en kiu ĉiuj danĝeroj aŭ ŝokaj fragmentoj estas forigitaj

***ad vitam aeternam***
*por Wiwom  Eternam*
Por ĉiame, por eterne

***albo lapillo notare diem***
*blancshtonœ Tagon marcu*
Konsideru tiun-ĉi tagon favora, feliĉa

***alea iacta est***
*Sortom zhetitam estat*
Post long hezitado, nun ekpaŝi

***alter ego***
*altriam mihi*
Persono kiu estas identa kun alia

***amicus Plato, sed magis amica veritas***
*Platoon Amicom estat, sed pli grandam Amicom Werom estat*
Mi respektas la oficialan vidpunkton, sed tamen preferas la veron

***animal rationale***
*Animalom ratziam*
La homo estas pensanta besto kaj nenio pli

***argumentum baculinum***
*Argumentom drashantam*
Perforti anstataŭ argumenti

***ars longa, vita brevis***
*Artom longam, Wiwom curtam*
Estas ĉiam multon farenda, dum la homa vivo apenaŭ sufiĉas por tio

***asinus asinum fricat***
*Azenom phrotat Azenon*
Pri du personoj kiuj sin laŭdegas reciproke

***auaces fortuna iuvat***
*Curaghuloyn Sortom phaworat*
Kuraĝe entreprenu kaj vi sukcesos

***auri sacra fames***
*ityu abomenindam Malsatom*
La ne kontentigebla sopiro al riĉeco

***aut Caesar, aut  nihil***
*aù Reghom aù nemyo*
La homo estas pensanta besto kaj nenio pli

***auto da fé  (Hispana)***
*Actom Credes*
Sensenca detruado de kulturaj valoroj pro iu kontraŭa ideologio

***aux frais de la princesse  (Fr)***
*por Printzinnes Contom*
La regalo estas tute senpaga

***ave Caesar, morituri te salutant !***
*Sanon, Tzezaron, Mortontoy tuin salutais !*
Mi/ni salutas vin, antaŭ ol fari riskan entreprenon

***bella matribus detestata***
*Militoyn Patrinnoy abomenait*
Milito estas abomeno por patrinoj

***beati possidente !***
*beatay Posedantoy !*
Antaŭ ol proklami rajton je io, oni devas unue ĝin ekposedi

***bis repetita placent***
*Ripetirom bonephicat*
Ripetado estas plej bona instruilo

***bona fide***
*selez Loyalom*
Fari ion en tutaj honesteco kaj bonvolo

***carpe diem***
*Tagoyn plucu*
Ĝuu la momenton aŭ tagon; ĝi baldaŭ malaperos

***castigat ridendo mores***
*Teatrom ridantœ corectat Moroyn*
Komedio aŭ satiro kapablas vipi fimorojn en amuza maniero

***caveant consules !***
*Gvidistoy atentuy !*
Minacas kataklismo nacia !

***caveat lector !***
*sihin gardu Legantom !*
Atentu, jen venas ne preterlasendaj avertoj

***cedant arma togae***
*Armiloy adi Togoy tzedu*
postmilite la militistoj cedu sian lokon al civila estraro

***cent fois sur le métier remettez votre travail (Fr)***
*Duxdec Phoyoyn sobrez Texilod remetu Laborazhon tuan*
Por akiri perfektan laboron, necesas ĝin ree kaj ree kontroli

***ce que femme veut, Dieu le veut (Fr)***
*Wirinnes Wolom, Dies Wolom*
Kiam virino ion vere volas, oni ne kapablas ŝin kontraŭstari

***cherchez la femme (Fr)***
*Innon serchu !*
Ĉe problemo aŭ krimo, indas kontroli ĉu virino estas implicita

***Chi dómina nómina, e chi nómina dómina (It)***
*cuyu donat Leghoyn donat Nomoyn ;*
*cuyu donat Nomoyn donat Leghoyn*
La guvernistaro decidas pri la uzota lingvo samkiel pri la leĝaro

***chi va piano, va sano ; chi va sano va lontano (It)***
*cuyu tranqùile pashat, secure pashat ;*
*cuyu secure pashat, malproximœ pashat*
Kiu devas realigi grandan taskon, ŝparu siajn fortojn

***cogito, ergo sum***
*pensams, des estams*
La sola certeco pri la mondo, kiun ni havas, estas nia individua rezonkapablo

***conditio sine qua non***
*Condichom sonz cuyu ned*
Akceptu aŭ faligu la kondiĉojn, kompromiso ne eblas

***contradictio in terminis***
*Contrezdirom in Terminoy*
La esprimo malvalidigas sin mem pro konflikto inter la vortoj

***contraria contrariis curantur***
*Contrezoy per Contrezoy curatzendait*
Devizo de la klasika medicino ; opona al homeopatio

***corruptio optima pessima***
*Coruptom Eminentules pluy phiam*
Eminenta persono foje koruptiĝas plejege

***credo ut intelligam***
*credams por comprenir (powir)*
Mi kredas je donita mistero por eventuale povi racie kompreni ĝin

***cuius regio, eius religio***
*Gvidantoy prid Regularom detzidat*
Homoj ĝenerale adoptas la religion aŭ sistemon kiu regas en ilia lando

***de gustibus non est disputandum***
*prid Gustoy ned disputuy*
Ne diskutu pri gustoj kaj ŝatoj, tiuj ja ĉiam estas subjektivaj

***de Maria nunquam satis***
*prid Mariam nemyahem suphichœ*
La teologio pri Maria ne estas elĉerpebla

***de minimis non curat praetor***
*prid Bagateloy ned zorgu Bezonantom*
En malfacilaj cirkonstancoj oni ne okupi sin pri etaj detaloj

***deus ex machina***
*Diom ex Mashinom*
Ne kredebla interveno en tragedia situacio

